**Prezo 5000 a. K.**

# Kongresa 

Bulteno

**Oficiala Organo de la XVI$^{a}$ Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924**

**Redakcio:** Koncert-Palaco, Wien, III., Lothringerstr. 20.

**Redaktoro:** D$^{ro}$ Emil Pfeffer.

**Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!**

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

**Numero 1.** **Wien-Vieno, merkredo, 6. Aŭgusto 1924.** **Aperas ĉiutage.**

*„Nun nia afero staras forte. La glacia tavolo da antaŭjuĝoj de la mondo estas rompita kaj nia afero kreskas regule kaj senhalte. Ĉiu jaro potence pligrandigas niajn fortojn kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. La naturo, kiu longan tempon batalis kontraŭ ni, batalas nun por ni, ĉar tiu sama forto de inercio, kiu longan tempon terure malhelpis ĉiun nian paŝon, ĝi mem ŝovas nin antaŭen. Eĉ se ni volus halti, ni jam ne povus!"*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

## Bonvenon!

La unuaj vortoj en tiu ĉi gazeto, la Kongres-Bulteno de la XVI$^{a}$, estu kora kaj sincera bonvendiro al la ĝojige multaj sinjorinoj, fraŭlinoj kaj sinjoroj, samideanoj, kiuj tiom volonte sekvis la inviton al la granda ĉiujara festa kunveno de la „Esperantuja popolo" en la ĉefurbo de la respubliko Aŭstrujo, en la multe priparolata kaj multe prikantata Wien.

La unuan fojon, de kiam okazas Universalaj Kongresoj de Esperanto, la samideanaro kolektiĝas ĉirkaŭ la verda standardo en grandurbo, ĉar, malfeliĉe, la tiom belege preparitan X$^{an}$ en Paris dum la 1914$^{a}$ neniigis le komenco de tiu terura katastrofo de la homaro, kies konsekvencoj nun suferigas ĉiujn Eŭropajn ŝtatojn. Feliĉe, la Esperanto-ideo postvivis tiun tempon de malfeliĉego kaj ĝiaj fidelaj partianoj vigle laboras en ĉiuj landoj por la venko, kiu videble, paŝo post paŝo, proksimiĝas. Kaj kun ĝojiga antaŭsento de tiu venko en paca batalado la pli ol tri mil reprezentantoj de la Esperantuja armeo, kiuj sin anoncis por la XVI$^{a}$, povas renkonti unuj la aliajn en urbo, kiu daŭre konservos la memoron de la kara Majstro, de nia neniam forgesebla D$^{ro}$ Zamenhof. Posedante jam en si la multvaloran frukton de sia genio, li vivis en ĉi tiu urbo dum kelke da tempo de siaj unuaj virjaroj. Do, tiu ĉi urbo ja meritas, esti unu fojon la centro de Esperantujo.

Kaj la Esperantujanaro en tiu ĉi urbo plenforte klopodis, inde kaj gajige gastigi la „sampopolanojn" ĉiulandajn. La ĉi tieaj samideanoj vidas honoron por si en la amasa partopreno el ĉiuj ŝtatoj, Eŭropaj kaj ekster-Eŭropaj kaj en la alveno de multaj personoj gravaj en la movado por Esperanto.

Tiu ĉi fakto esperigas, ke dum la nun komenciĝanta Kongreso de Esperanto ankaŭ gravaj decidoj por la plua prosperigo de nia sankta afero okazos, decidoj, kiuj en la historio de Esperanto meritos distingon. Tagoj de serioza laboro atendas la protagonistojn de Esperanto, de laboro, kies rezultoj forte helpu al kiom eble plej ĝenerala disvastigo de niaj idealoj!

Ĉar tiu ĉi kongreso estu, kiel ĉiuj ĝisnunaj de Esperanto, impresiga montro kaj pruvo de la valoro de nia kara lingvo, sed tiun ĉi fojon antaŭ granda publiko, kiun prezentas la loĝantaro de grandurbo, kaj la efiko de tiu ĉi kongreso longatempe post ĝiaj tagoj estos sentebla en tiu ĉi loko, kie ĉiam ekzistis vigla intereso por kultur-problemoj, kaj malproksimen ekster ĝiaj limoj tra la tuta respubliko. Esperebie ĝi instigos la registaron de la nunjara Kongresŝtato kaj ankaŭ ĉiujn homojn intelektajn interesiĝi pri la neŭtrala lingvo, kies ĉiumaniera uzebleco estos montrata al ili dum la nun sekvontaj tagoj nekontraŭdireble.

Tion spertos precipe la ankoraŭ ne-Esperantaj partoprenantoj en la fakaj konferencoj kaj ekz. la pacifista manifestacio per unu komuna lingvo multe pli forte impresos la ĉeestantaron ol iu ajn samcela nacia manifestacio, ĉar videble por ĉiu ĝi montros la interfratiĝon de popoloj ĉiulingvaj per iliaj reprezentantoj en tiu solena kunveno.

Sed, sufiĉu la ĝisnunaj diroj pri „seriozaĵoj". Ankaŭ multspecaj amuzoj kaj distroj atendas en Wien la XVI-anaron. Se — kion ni tre deziras kaj esperas — la ĉielo montros serenan mienon, estos vera ĝuo, promenadi tra la grandurbostrato, inspekti la magazenojn de komercistoj — precipe la karaj kongresaninoj trovos por tio kontentige multajn okazojn kaj povos priĵuĝi la „modon de Wien" ĉe la „fonto" — veturi en la belegan proksiman pejzaĝon ĉirkaŭ la urbego, spiri la freŝan aeron de parkoj kaj de arbaroj kaj vespere ĝis la profundo de noktoj laŭ bona Kongresana kutimo amuziĝi kun samideanoj babilante, diskutante, aŭ aŭskultante belan muzikon, bonegan teatraĵon, variajn kabared-prezentadojn amuzan lumbild-paroladon ktp. ktp. Ĉion eblan faris la Wien'aj samideanoj por sentigi la karajn gastojn hejmaj inter ili. Tamen ili ne volas promesi tro multon, nur inviti, ke la amikoj eksterlandaj mem vidu kaj provu kaj tiam juĝu pri la aranĝoj de la Kongreso preparitaj zorge kun multaj klopodoj de la Loka Kongresa Komitato.

Nun la Loka Kongres-Komitato finis siajn preparajn laborojn kaj kun vera ĝojo ĝi bonvenigas la amason da gastoj, kies nombro estas kvazaŭ jam rekompenco valora de ĝiaj penoj. Karaj gesamideanoj el ĉiuj regionoj de la tero, fariĝu, ni petas vin, sinceraj veraj amikoj, fratoj de viaj ĉi tieaj samideanoj, tiam ankaŭ la XVI$^{a}$ restos neforgesebla por ni ĉiuj kiel nova bona kaj bela fundamentoŝtono por la de ni ĉiuj sopirata templo de Esperantismo!

**Vieno vin salutas, karaj Esperantujanoj!**

Wien, la 6$^{an}$ de Aŭgusto 1924$^{a}$.

La Loka Kongresa Komitato.



## Bonvenon en Wien!

Bonvenon koran, gefrataro kara,
Veninta tien ĉi pro la ĉeesto
Al nia granda, sankta manifesto
De l' jaro mil kaj naŭcent dudek-kvara!

Salutas Vin la urbo populara
Kun gaja rid' kaj per afabla gesto
De l' loĝantar', aminda la atesto
Pri ĝia gastameco senkompara;

Ĉi Vin salutas kun la kor-deziro
Ke, ĉu amuzo Via ĉu laboro,
En ĝiaj muroj estu bonsukcesa,

Kaj por la tuta viv', post hejm-reiro,
Plej bela restu por Vi la memoro
Pri l' temp' en ĉarma Wien dum la XVI$^{a}$!

Fr. Zwach.



## Ĝenerala Kongresprogramo.

La Loka Komitato faris ĉion eblan por inde okazigi tiun ĉi grandan Vienan Kongreson. Por orientiĝo ni mencias ĉi-sube la ĉefajn aranĝojn el la kongresa programo:

6-a aŭgusto: vespere, senĝena intersalutiĝo de la kongresanoj en Koncert-Palaco;

7-a aŭgusto: antaŭtagmeze, malfermo de la kongresaj laboroj, unua ĝenerala interkonsiliĝo, posttagmeze fakkunsidoj kun neesperantistaj gastoj;

8-a aŭgusto: la tutan tagon fakkunsidoj en 24 grupoj, ĉe kiuj ankaŭ neesperantistoj partoprenos;

9-a aŭgusto: antaŭtagmeze labor-kunsidoj, posttagmeze je la 3-a horo senvualigo de **Zamenhofa Memortabulo** ĉe Hotelo Hammerand, Schlösselgasse; vespere senĝena interparolado en ĉiuj kunvenejoj de Koncert-Palaco, neesperantistaj gastoj partoprenos ankaŭ;

10-a aŭgusto: antaŭtagmeze 10½ horo, **granda solena Fest-Kunveno** en la granda salonego de Koncert-Palaco, nur por la kongresanoj kun legitimacio kaj insigno, reprezentantoj de publikaj estraroj enkaj eksterlandaj, de korporacioj, institutoj, kaj posedantoj de honorkartoj. Solena parolado de Dro. Privat, salutoj, horkantado.

11-a aŭgusto: antaŭtagmeze dua ĉefkunveno kun raportoj de naciaj delegitoj, posttagmeze specialaj kunsidoj, vespere **teatra prezentado** en Bürgertheater: Raimund'a **„La Malŝparulo“**;

12-a aŭgusto: kiel en la pasinta tago: kunveno, kunsidoj, teatra prezentado;

13-a aŭgusto: antaŭtagmeze, ferma kunsido, postagmeze je la 5-a horo kaj vespere **granda internacia ĝardenfesto** en Prater, Varietea urbo;

14-a aŭgusto: frue je la 6-a horo, per speciala vagonaro, ekskurso al la ravanta Alpa restadejo Semmering.

## Labor-ordo de la XVI-a.

La 6ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 15 | Ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto | 16 |
| 18 | Unua reciproka salutado de la kongresanaro | 6 |
| 20 | Kunvenoj de C. K. kaj de L. K. K. | 16 |
| 20 | Kabaredo „Vesperto“, Olimpia-Salonoj I., Rotgasse 3 | 16 |

La 7ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Naciaj kunvenoj laŭbezone en Akademia Gimnazio, konstruaĵo kontraŭa de la kongresejo, listo tie elmetita | div. |
| 8½ | Kunveno K. R. | 16 |
| 9 | Katolikoj, meso kaj prediko en la Minoriten-preĝejo | — |
| 10 | Interna malfermo de la kongresa laboro | 14 |
| 15 | Rondveturado en salonvagonaro, ankaŭ la 8ᵃⁿ, 9ᵃⁿ, 11ᵃⁿ kaj 12ᵃⁿ, ĉiam je la sama horo, de IV., Schwarzenbergplatz | — |
| 15 | Pacifista prepara kunveno de la U. E. P. L.-estraranoj | 21 |
| 15 | Fervojista kunsido | 22 |
| 15 | Blinduloj, malferma kunsido laŭ speciala programo en la blindulejo (Prater) | — |
| 15 | Komercistoj, unua prepara kunveno | 27 |
| 15 | Poŝtoficistoj, faka kunsido | 23 |
| 16 | Katolikoj, solena malfermo de la I. K. U. E.-kunsido laŭ speciala programo, Gumpendorferstrasse 39 | — |
| 17 | Altlernejaj studentoj, prepara kunveno | 24 |
| 17 | Bontemplanoj, prepara kunveno | 25 |
| 17 | Komercaj oficistoj | 28 |
| 17 | Konkordo, societa kunveno | 26 |
| 18 | Framasonoj, ceremonio laŭ speciala komuniko | — |
| 20 | Kristanoj, propaganda kunveno, lumbild-parolado en la domo VII., Kenyong. 15 | — |
| 20 | Kabaredo, Internacia, I., Rotgasse 3 | — |

La 8ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Altlernejaj studentoj, ĉefkunveno laŭ speciala programo en la Universitato, malgranda festsalono | — |
| 8 | Aŭstruja Esperanto-Delegitaro, ĉefkunveno | 20 |
| 8 | Germana Instruista Societo | — |
| 8 | Laboristoj, unua prepara kunveno | 13 |
| 8 | Junularo, laborkunsido | 21 |
| 8 | Pacifistoj, laborkunsido | 23 |
| 9 | Kristanoj, ĝenerala kunveno de K. E. E. VII., Kenyongasse 15 | — |
| 9 | Blinduloj, dua laborkunsido en la blindulejo | — |
| 9 | Fervojistoj, dua faka kunsido | 22 |
| 9 | Katolikoj, meso en la kapelo VI., Gumpendorferstrasse 39 | — |
| 10 | Bankoficistoj, organiza kunsido, I., Löwelstrasse 18, ĉe Reichsverein | — |
| 10 | Filatelistoj, kunsido en la kafejo Stubenring 18 | — |
| 10 | Internacia Instruistaro | 13 |
| 10 | Katolikoj, laborkunsido, VI., Gumpendorferstrasse 39 | — |
| 15 | Interfoira Komisiono | 24 |
| 15 | Psikistoj, kunsido | 25 |
| 16 | Kuracistoj, T. E. K. E.-kunsido | 26 |
| 16 | Virinoj, lumbild-parolado pri Nov-maltusanismo kaj kulturo | 14 |
| 16 | Katolikoj, preĝado kun prediko, Minoriten-preĝejo | — |
| 17 | Liberpensuloj, kunveno | 27 |
| 17 | Radio-Asocioj Internacia, kunveno | 9 |
| 18 | Paroladoj pri kontraŭuloj de Esperanto | 13 |
| 18 | Komercistoj, publika solena ĉefkunveno laŭ speciala programo en la festsalono de la komerca gildo. IV., Schwarzenbergpl. 16 | |
| 19 | Katolikoj, festkunveno laŭ speciala programo, Gumpendorferstr. 39 | — |
| 19 | Lumbild-parolado, „Maks kaj Moric“ | 14 |
| 20 | U. E. A.-estrarkunveno | 18 |
| 21 | Kabaredo „Vesperto“, I., Rotgasse 3 | — |

La 9ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Germana Esperantista Ligo en C. S. R. | 20 |
| 8 | Junularo, dua kunsido | 21 |
| 8 | Laboristoj, ĉefkunveno, IX., Währingerstr. 43 | — |
| 8 | Studentoj, dua ĉefkunveno, Universitato | — |
| 8½ | Katolikoj, meso en la Minoriten-preĝejo | — |
| 9 | Filatelistoj, dua kunveno, kafejo I., Stubenring 18 | — |
| 9 | Fervojistoj, tria faka kunsido | 22 |
| 9 | Internacia Esperanto-Instituto, kunsido de reprezentantoj de naciaj E.-Inst. kaj naciaj ekzamenkomisionoj | 17 |
| 9 | Blinduloj, tria laborkunsido, blindulejo (Prater) | — |
| 10 | Bankoficistoj, I., Löwelstr. 18 | — |
| 10 | Katolikoj, lasta laborkunsido, VI., Gumpendorferstr. 39 | — |
| 11 | Studentoj, propaganda parolado, Universitato | — |
| 11 | K. R.-ĉefkunveno | 16 |
| 15 | Inaŭguro de Zamenhofa memortabulo ĉe Hotel Hammerand, VIII., Florianigasse-Schlösselgasse | — |
| 16 | Komuna fotografado ĉe Urbodomo | — |
| 17 | „Garda Turo“, kunsido kaj publika parolado | 13 |
| 19 | Interkonatiĝa antaŭfesta vespero de la Kongresanaro | 6, 10, 11, 12 |

La 10ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Bahaistoj, ceremonio | 25 |
| 8 | C. K.-kaj L. K. K.-kunsido laŭbezone | 16 |
| 10 | Granda solena manifestacio de la Kongresanaro kun la oficiala honorgastaro laŭ speciala programo | 12 |
| 19 | Festkoncerto laŭ speciala programo | 12 |
| 22 | Kabaredo „Vesperto“, I., Rotgasse 3 | — |

La 11ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Literatura Asocio | 21 |
| 8 | Ruĝa Kruco | 22 |
| 8 | Filatelistoj, tria kunsido, I., Stubenring 18 | — |
| 10 | Dua ĉefkunsido de la XVIᵃ | 12 |
| 15 | Pacifistoj (U. E. P. L.) granda manifestacio laŭ speciala programo | 12 |
| 15 | Blinduloj, kvara laborkunsido, blindulejo | — |
| 17 | Inĝenieroj, faka kunveno | 23 |
| 17 | Tabakkontraŭuloj, kunveno, I., Kleeblattg. 7 | — |
| 19 | Blinduloj, koncerto de la blindaj Esperantistoj | 14 |
| 19 | Festprezentado de „La Malŝparulo“, III., Bürgerteatro, Vordere Zollamtsstrasse | — |
| 22 | Kabaredo, Internacia, I., Rotgasse 3 | — |

La 12ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Farmaciistoj, faka kunveno | 21 |
| 8 | Vegetaranoj kunsido | 22 |
| 10 | Tria ĉefkunveno de la XVIᵃ | 12 |
| 15 | Rondveturado sur ŝipo „Leda“ sur la Danubo de la ŝiphaltejo Weissgerberlände | — |
| 15 | Pacifistoj, ferma kunsido | 23 |
| 15 | Blinduloj, kvina laborkunsido, fermo, blindulejo (Prater) | — |
| 19 | Dua prezentado de „La Malŝparulo“, III., Bürgerteatro, Vord. Zollamtsstr. | — |
| 22 | Kabaredo, Internacia, I., Rotgasse 3 | — |

La 13ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 8 | Fakaj kunsidoj laŭbezone | 21—25 |
| 10 | Interna fermo de la XVIᵃ | 12 |
| 17 | Granda ĝardenfesto laŭ speciala programo, Prater, „Bunte Stadt“ | — |

La 14ᵃⁿ de Aŭgusto:

| horo | | Numero de la kunvenejo |
|---|---|---|
| 6 | Speciala rapidvagonaro al Semmering de Südbahnhof | — |
| 20 | Laŭvola kunveno en Volksgarten apud la iama imperiestra palaco Hofburg | — |

## Dokumentoj.

### Kontrakto de Helsinki.

**(Kun la nova Teksto de artikolo IV., revizita de la ĝeneva Konferenco de K. R. kaj U. E. A.)**

**I.**
**Oficiala Esperantista Organizo.**

La Oficiala Esp. Organizo estas jena:

1. La Naciaj Societoj elektu Konstantan Reprezentantaron de la Naciaj Societoj (K. R.), konsistantan el unu reprezentanto de ĉiu nacia societo, kun nombro da voĉoj proporcia je la nombro de anoj, por kiu ĝi pagis kotizon al la kaso de la K. R. Tiu Reprezentantaro starigos sian internan regularon. Ĝi povas havi prezidanton kaj ĝeneralan sekretarion elektitan ekstere de la Reprezentantaro. Ĝi zorgos pri la reciprokaj informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia monsubteno al la komunaj Institucioj de la Esperantistaro.

2. La individuaj Esperantistoj grupiĝu internacie per aliĝo al Universala Esperanto-Asocio, kiu disvastigas la ĝeneralan uzadon de la lingvo.

3. La Fakaj (teknikaj kaj profesiaj) Societoj grupiĝu la Esperantistojn por propagando kaj uzado en specialaj rondoj.

**II.**

La Konstanta Reprezentantaro (K. R.) kaj la Universala Esperanto-Asocio (U. E. A.) interkon-

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno**, eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



La Kortega Teatro kaj panoramo de Vieno
Burgtheater und Panorama von Wien — Le théâtre de la cour impériale et une vue sur la ville — The Imperial Court Theatre and a view to the City



Urbodomo
Rathaus — L'Hôtel de ville — The Town Hall



La Ŝtata Operejo
Staatsoper — L'opéra l'état — The State opera House



La Urba Ĝardeno
Stadtpark — Le jardin de la ville — The City Park

sentos pri la elekto de Centra Esperanto-Komitato, kiu konsistos el ses anoj, oficantaj dum tri jaroj kaj reelektotaj po du ĉiujare.

Tiu Centra E. Komitato zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la movado. Ĝi starigas centran kason kaj por tio enspezas donacojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de Naciaj Societoj pere de la Reprezentantaro, kaj subvencion de U. E. A.

III.

La Lingva Komitato estas sendependa, sed la Naciaj Societoj, la U. E. A. kaj la Fakaj Societoj povas prezenti kandidatojn al ĝi.

IV.

La Centra E. Komitato decidas pri la okazigo de la Universalaj Kongresoj kaj komisias ilian lokan aranĝon al loka organiza komitato.

La Universalaj Kongresoj konsistas el:

solena malferma kunsido;

laboraj kunsidoj, en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;

fakaj kunsidoj;

kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte aŭ kune.

La institucioj nomataj „oficialaj" estas:

la Lingva Komitato (L. K.) kaj ĝia Akademio;

la Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj (K. R.);

la Universala Esperanto-Asocio kun ĝia Komitato (U. E. A.);

la Centra Esperanto-Komitato (C. K.).

V.

Krom la Universalaj Kongresoj povos okazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la Centra Komitato, kiu tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

VI.

Oficialaj komunikoj de la oficialaj Institucioj estas publikigataj pere de Esp. gazetoj.

La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigitaj per zorgo de la Centra Komitato en Oficiala Dokumentaro laŭ ĝiaj nunaj formatoj.

* * *

## Projekto de Kongresa regularo

**(prezentita al la Centra Komitato sur la bazo de la fundamentaj dokumentoj).**

1. En Universala Kongreso de Esperanto povas partopreni „ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li uzas ĝin", kondiĉe, ke tiu persono
 a) sendis sian aliĝon al la loka komitato, kaj
 b) pagis la kotizon.

La aliĝo al la kongreso komprenigas akcepton de ĉi tiu statuto kaj de la regularo de la Kongreso.

2. La celo de la Kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj kominteresaj por ĉiuj Esperantistoj, kun escepto de religiaj, politikaj, kaj sociaj demandoj, kiuj estas netuŝeblaj en kongresa kunsido, kaj la lingvaj demandoj, kies esploro kaj solvo estas rezervataj al la L. K. kaj Akademio. Tamen, por ebligi al la kongresanoj kiuj interesiĝas pri unu aŭ alia el tiuj demandoj, ilin priparoli inter si en privataj kunsidoj, la Komitato zorgas por ke ili povu disponi ĉambrojn, kien ili kunvenas laŭ deziro. La kunvenaj lokoj kaj horoj, elektitaj de ĉia tiel formiĝinta grupo, estas oficiale sciigataj.

3. La Universalaj Kongresoj konsistas el:
 a) solena malferma kunsido;
 b) laboraj kunsidoj, en kiuj la Oficialaj Institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la Kongresanoj;
 c) fakaj kunsidoj; kaj
 d) kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte kaj kune.

4. Ĉar la funkciado de la oficialaj institucioj estas regulata de la kontrakto de Helsinki, revizebla nur per interkonsento de K. R. kaj U.E.A., la kongreso neniel rajtas alpreni decidojn devigajn, ĉu por izolaj Esperantistoj, ĉu por la Esperantaj Societoj, ĉu por la Oficialaj Institucioj, sed ĝi plene rajtas esprimi dezirojn kaj konsilojn. Por decidigi pri tiuj deziresprimoj aŭ konsiloj, la koncernataj institucioj aŭ komitatoj traktos ilin kiel eble plej baldaŭ. La diskutoj rilataj al aferoj de la Universala Asocio estas regulataj per ties statuto.

5. Eventuala profito el ĉiu Kongreso apartenos al la Centra Kaso post depreno de unu triono dediĉota al la propagando en la Kongresa lando interkonsente kun la Loka Komitato.

KONGRESA ESTRARO.

6. La Kongresa Estraro konsistas, krom la honoraj prezidantoj kaj membroj, el:

Unu Prezidanto kaj almenaŭ unu Vicprezidanto el la lando, kie sidas la Kongreso;

Kelkaj aliaj Vicprezidantoj, reprezentantaj la plej gravajn organizajojn de la movado;

La Ĝeneralaj Sekretarioj kaj iliaj helpantoj.

La Estraro estas elektita de la Kongreso, laŭ propono de C. K. kaj L. K. K.

7. Por solena malfermo, se okazas salutparoladoj naciaj, ili estos ordigataj laŭ la tradicia maniero:

Unu Delegito kaj laŭvole unu anstataŭanto, el ĉiu regno, kies regnanoj ĉeestas la Kongreson;

Unu Delegito kaj laŭvole unu anstataŭanto, por ĉiu lingvo parolata en tiu regno, krom la oficiala lingvo, kondiĉe ke reprezentantoj de la dirita lingvo ĉeestas la Kongreson.

Tiuj Delegitoj estas elektitaj, en preparaj kunsidoj, antaŭ la unua kongresa kunsido, de la kongresanoj, kiujn ili reprezentos.

FAKAJ SEKCIOJ.

8. Por la esploro de ĉiuj specialaj aŭ teknikaj temoj aŭ eĉ de la temoj rezervitaj pro kongresa neŭtraleco, oni povas formi fakajn sekciojn.

Tiuj sekcioj konsistas, ĉu el specialistaj societoj, antaŭe organizitaj, kaj decidintaj kunveni dum la Kongreso, ĉu el personoj, kiuj grupiĝas libere, dum la Kongreso, por esplori kune temojn, pri kiuj ili havas specialistan kompetentecon aŭ interesiĝas speciale.

La Sekcioj povas peti, ke la deziroj, kiujn ili esprimis, aŭ la konkludoj de iliaj raportoj, estu prezentataj al la Kongreso, se tiu prezento estas farebla laŭ la ĝeneralaj principoj, kiuj regas la Kongreson.

KONGRESAJ KUNSIDOJ.

9. La Kongreso pridiskutas:
 a) La temojn senpere metitajn, de la C. K. en la tagordon;
 b) La dezirojn kaj konkludojn de la Sekcioj, prezentitajn al la Kongreso.

REGULARO POR LA KUNSIDOJ DE LA KONGRESOJ.

10. a) La laboraj kunsidoj de la Kongreso estas prezidataj de la Prezidanto de C. K. aŭ de lia anstataŭanto.
 b) Ĉiu oratoro devas doni sian nomon skribe al la Estraro de la kunsidoj.
 c) Ĉiu rezolucio aŭ amendo devas esti komunikita skribe al la Estraro.
 d) La oratoroj sin sekvas, laŭ ordo de sia enskribo.
 e) Ĉiu oratoro, krom la raportantoj, povas paroli nur dum dek sinsekvantaj minutoj. Ĉiu oratoro ne povas, sen speciala permeso de la prezidanto, paroli dufoje pri la sama demando, escepte pri punkto pri ordo.
 f) La oratoroj povas paroli nur pri la tagordo. La prezidanto reprenas la parolon al ĉiu oratoro, kiu parolas pri alia temo.
 g) La interrompoj estas malpermesitaj.
 h) Post la fermo de la diskuto, decidita de la kunsidantaro, oni voĉdonas.
 i) Oni devas voĉdoni pri la amendoj, antaŭ ol voĉdoni pri la prezentita propono.
 k) La voĉdonoj povas okazi per levitaj manoj, se ne ekzistas dubo pri la rezultato de tiu voĉdono. Se ekzistas dubo, laŭ opinioj de la prezidanto kaj de la proponintoj, oni balotas.

**Jurnalistoj! Raportantoj! Fakestroj!**

**Zorgu pri preciza kaj rapida inform-servo en la „Bulteno"! ĉiuj sciigoj, raportoj kaj aktual-temaj artikoloj venu legeble skribite senprokraste en la manojn de la ĉefsekretario!**





Propraĵo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

Prezo 5000 a. K.

# Kongresa  Bulteno



**Oficiala Organo de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924**

**Redakcio:** Koncert-Palaco, Wien, III.; Lothringerstr. 20.

**Redaktoro:** Dro Emil Pfeffer. **Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!**

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

**Numero 2.** **Wien-Vieno, ĵaŭdo, 7. Aŭgusto 1924.** **Aperas ĉiutage.**

*„Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la internan vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton inter la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precise formulita, sed ĉiam klare sentata, estas: Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn."*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

## Kion prezentos la Kongrestagoj?

La Loka Komitato, organizinta la XVI-an, estis gvidata antaŭ ĉio de la intenco, ke tiu granda kongreso vere meritu sian nomon, same per la amplekso de l' plenumitaj laboroj, kiel ankaŭ per la varieco de la distroj, prezentitaj al la tutmonda samideanaro. Por ambaŭ flankoj de la nomita programo donas Vieno kiel urbo la plej konforman medion.

Vieno, jam de pluraj jaroj kuŝanta flanke de grandaj politikaj okazaĵoj, ne plu scenejo de politikistaj konferencoj kaj mondhistoriaj decidoj, ne plu centro de bataloj kaj interpuŝiĝoj de naciaj pasioj, ĝojas esti elektita de nia vere pacema kaj vere internacia movado kiel la loko de la Konsiliĝoj.

Sed ankaŭ la kongresanaro povos baldaŭ rimarki, ke ili havas ĉiujn kaŭzojn, por esti kontentaj pro sia elekto. Oni devas preskaŭ miri, ke la ekkono pri la eminenta taŭgeco de Vieno por loko de internaciaj kongresoj kaj interkonsiliĝoj ne estis ĝis nun pli ĝenerale disvastigita. La bonega geografia situo de Vieno ĉe la grandaj transeŭropaj trafikvojoj, la aparta ĉarmo de tiu ĉi kunligo de grandurbo kaj urbo por turistoj, pro la situo ĉe la piedo de Alpoj, la ravanta pejzaĝa bildo de l' urbo kaj ĝia ĉirkaŭregiono, la somera beleco de ĝiaj bone flegataj parkoj, la pacemeco kaj nacia senpasieco de ĝiaj loĝantoj — jen kio kaj ankoraŭ multo alia nepre faras Vienon la plej taŭga kongresurbo.

La aranĝo de la XVIa estas alia ol la ĝis nun kutima; la sukceso aŭ malsukceso decidos, ĉu tia aranĝo estos ankoraŭ estonte rekomendinda aŭ ne. Jam la unuaj sciigoj de la Loka Kongresa Komitato al la partoprenontoj en ĉi tiu kongreso informis pri kunmeto de la seriozaj kongreslaboroj en la *unuan* parton de la Kongres-semajno, *antaŭ* la solena manifestacia festkunveno dimanĉe, kiu havos la karakteron de la ĝisnunaj malfermaj kunsidoj. La sekvontaj ĝin tagoj donos multspecajn okazojn, post la daŭrigaj kongreskunsidoj antaŭtagmezaj, amuziĝi kaj agrable interfratiĝi kelkaloke. La tagordo de la labora kaj de la solena Kongres-partoj kaj la programo de promenoj, ekskursoj kaj amuzoj detale estas prezentitaj en la Kongres- kaj Gvidlibro; sed nur por la plej gravaj aranĝoj la horo jam estas antaŭfiksita en ili; pri la lokoj, tagoj kaj horoj de la ceteraj same kiel de la 24 fakaj konferencoj dumkongresaj informos precize, krom aldono en la Kongreslibro por la laste nomitaj, la ĉiutagaj antaŭsciigoj en ĉi tiu Kongres-Bulteno.

Do, nunmomente estu menciataj ĉi tie krom la jam citita solena manifestacia kunsido en la belega plej granda salono de la Kongresejo la saman tagon (dimanĉo) vespere granda koncerto, kiu prezentos karakterize la ĉarman Wien'an muzikon per ludataj de tre bona orkestro muzikaĵo de Beethoven, Schubert, Strauss kaj aliaj majstroj de muzikarto vivintaj kaj verkintaj en Wien kaj famaj sur la tuta civilizita tero, plue post ĝi kiel jam dum la antaŭaj vesperoj, spritaj, bonhumoraj prezentadoj de internacia kabaredo.

Lunde kaj marde vespere okazos en la proksima al la Kongresejo Wiener Bürgertheater la festaj prezentadoj de la tre ŝatinda sorĉfabela komedio de Ferdinando Raimund, poeta dramverkisto kaj aktoro, kiu vivis dum la komenco de la pasinta centjaro kaj scipovis kvazaŭ speguli en siaj plej konataj dramoj ĉiujn ecojn moralajn kaj sociajn karakterizajn al la Aŭstruja kaj speciale la Wien'a popolo, tiel, ke unu el tiuj liaj verkoj pli bone kaj rapide informas fremdlandanojn pri la etiko kaj pensmaniero de tiu popolo ol longedaŭra restado inter ĝi. Geaktoroj el la ĉefaj Wien'aj teatroj, Burgtheater (Ŝtata Teatro) kaj Deutsches Volkstheater (Teatro de la germana popolo) kaj la certe bone primemorataj de la Nürnbergaj Kongresanoj Gesoj Starke el la tiea teatro ludos la ĉefajn rolojn en tiu teatraĵo, kies muzika akompano kaj kantoj donas al ĝi apartan ĉarmon. Espereble, tiu dramo kun etika tendenco akiros la plaĉon de la tutmonda aŭdantaro kaj estos unu el la plej ravaj memoraĵoj pri la nunjara Kongreso.

Post la ferma Kongres-kunsido merkrede antaŭtagmeze la vespera granda ĝardenfesto sur la teritorio de la Wiena kvazaŭ mezurba naturparko Prater donos agrablan finon al la kongrestagoj en Wien.

Dum la 14a de Aŭgusto la bone preparita ekskurso per fervojo en la Stirian Alpregionon de Semmering kolektos ankoraŭ grandan parton de la gastoj kun la Wienaj samideanoj por amika, ĝoj- kaj ĝuplena kunesto kaj tiam la Kongresanaro de Wien disfalos en siajn „erojn"; la eksterlandaj hejmen kunportos impreson de agrable travivitaj en la plej simpatia societo tagoj kaj la Aŭstrujaj hejmen iros kun la certeco, ke de nun ili ĉie sur la tero havas, spite la multajn land- kaj marlimojn, fidelajn karajn personajn amikojn, dank' al la genia interfratigilo: la neŭtrala Zamenhofa lingvo internacia Esperanto.

Ne forgesitaj estu ĉi tie ankaŭ la loka historia por Wien festo de solena malkovro de memortabulo por nia Majstro sur muro de la domo, en kiu li loĝis dum restado pro studoj en Wien dum la 1889a (sabate je la 15a) kaj la aranĝoj de grupaj promenoj tra la urbo kaj vizitadoj de ĝiaj vidindaĵoj, dum kiuj Wien'aj samideanoj donos la dezirindajn klarigojn, la rondveturoj en specialaj luksaj vagonaroj de la Urba Elektra Tramvojo kaj tiu sur speciala ŝipo tra la kanalo de Danubo kaj sur tiu riverego mem, ekskursoj Schönbrunn'on kun ĝia belega rokokostila grandega parko kaj ĝia bestoĝardeno kaj al Kobenzl kun ĝia mirinda ĉirkaŭvidejo super Wien kaj vasta ĝia ĉirkaŭo de fruktoportaj kampoj kaj vinberĝardenoj kaj de arbaroj sur pli malpli proksimaj kaj altaj montoj ĝis la Alpoj. La Loka Kongresa Komitato esperas, ke eĉ post jaroj ĉiu partopreninto kaj partoprenintino en la XVIa diros gajmemore: Belaj estis la tagoj en Wien!

———

## Esperanto forigas militon!

(Dediĉita al la Granda Pacifista Manifestacio, okazonta lunde, la 11-an de aŭgusto.)

Ne plu milit', ne plu jam!
Ne plu malliberigo!
Ne plu popol-sklavigo!
Ne plu milit'!

Ne plu hom-sang', ne plu jam!
Ne plu malklerigado!
Ne plu homar-buĉado!
Ne plu hom-sang'!

Ne plu mizer', ne plu jam!
Memoru: pal-virinoj
Kaj flizaj la knabinoj!
Ne plu mizer'!

Ne plu frenez', ne plu jam!
Vaniĝu la delogoj
De ŝovinist-mensogoj!
Ne plu frenez'!

Ne plu kruel', ne plu jam!
Nenie sur glob' tera
Brulu ĉi sent' infera!
Ne plu kruel'!

Ne plu malam', ne plu jam!
Homaron unu flamo
Kunforĝi povas: Amo!
Ne plu malam'!

Ne plu milit', ne plu jam!
Fratoj ne per armilo
Vi estu: per plugilo!
Ne plu milit', ne plu jam!

Panholzer.

PROGRAMO
por la
**studenta fakkonferenco en Wien**
okazonta la 7.-an, 8.-an kaj 9-an de aŭgusto 1924.

7.-a de aŭgusto posttagmeze en la kongresejo. Prepara kunsido. Interkonatiĝo, necesaj informoj, priparolo de la programo de la ĉefkunveno kaj de vicordo por parolontoj.

8.-a de aŭgusto antaŭtagmeze je $8^1/_2$ h. en la festsalono de la universitato. Ĉefkunveno. Salutvortoj de la prepara komitato. Elekto de kunvenestraro. Konigo de diskutindaj temoj: disvastigo de Esperanto inter akademiaj studentoj, problemo de Internacia Studenta Esperantista Asocio, deklaroj de ĉeestantaj delegitoj el ĉiuj landoj kun raportoj.

9.-a de aŭgusto antaŭtagmeze 8.-a h. En la festsalono de la universitato. Priparolo de laboroj organizaj, propagandaj, instruaj. Daŭrigo de referatoj. Libera interŝanĝo de opinioj pri proksimaj taskoj de Internacia Studenta Esperanto Asocio.

$^1/_2$11 h. Fotografado en la universitata korto.

11 h. Publikaj propagandaj paroladoj en germana, franca kaj angla lingvoj.

Ĝis nun anoncitaj paroladoj:

F. W. Illing: Pri la problemoj kaj vojoj de la Esperanto-scienco.

A. Mildwurf: Internacia studenta movado.

E. Sonnenfeld: Praesperanta lingvoformo kaj konkludo el ĝi.

Pluaj prelegontoj kaj parolontoj el inter la studentaro kaj profesoraro (pri studentaj aferoj) estas petataj sin anonci ĝustatempe!

## Al la gelaboristoj!

Ni taksas nia honora devo, vin plej bonkore akcepti okaze de la XVIa en nia progresema urbo. La laboristoj, havante tute propran idearon, vivante en specialaj cirkonstancoj, ĉiujn okazantaĵojn rigardas de aparta vidpunkto. Pro tio, ni aŭstriaj gekamaradoj, aranĝas apartajn kunsidojn, dum kiuj la gelaboristoj pritraktu siajn specialajn aferojn. Krome ni montras al vi la urbon Wien aliflanke, de la flanko de laboro kaj de la rekonstruo. Ni esprimas nian esperon, ke vi en nia rondo sentos vin hejmecaj kaj la travivaĵojn ne nur rememoros dum longaj jaroj, sed ke ĉi tiuj travivaĵoj estos por vi instigo, dediĉi ĉiujn viajn fortojn al nia liberiga laborista movado.

La estraro de Aŭstria Laborista Ligo Esperantista Wien.

Programo

de la aranĝoj por laboristoj dum la XVIa Universala Kongreso de Esperanto, Wien, Aŭgusto 1924.

7a de aŭgusto. Posttagmeze. Interna laborkunsido de la fakkomitato.

8a de aŭgusto. Antaŭtagmeze. 1a fakkunveno, je la 8a–10a en la malgranda salono de la kongresejo.
Posttagmeze. Je la 1a ⊙ vizito en la gasfarejo Wien Leopoldaŭ (la plej moderna sur la kontinento).

9a de aŭgusto. Antaŭtagmeze. Laborista kunveno, je la $^1/_2$9a–11a en Magistrata Domo, IXa distrikto, Währingerstraße 43, 2a etaĝo, granda salono.
Posttagmeze. Je la **2**a ⊙ vizito en la pulmosanigejo „Kreuzwiese".

10a de aŭgusto. Antaŭtagmeze. Je la 8a–10a kunveno de la aŭstriaj laboristoj, en la grupejo de „Frateco", Wien, VII., Lerchenfelderstraße 1.
Posttagmeze. Ekskursoj al la ĉirkaŭaĵo de la urbo.

11a de aŭgusto. Antaŭtagmeze. Eventuale daŭrigo de la laborista kunveno, je la 9a–11a en Magistrata Domo, IXa distrikto, Währingerstraße 43, 2a etaĝo, granda salono.
Posttagmeze. Vizito en la urbdomo, renkontiĝo je la 2a antaŭ la urbdomo.
Vespere. Je la **6**a ⊙ Internacia Salutvespero en la laborista hejmo, XXIa distrikto, Angererstraße 14.

12a de aŭgusto. Antaŭtagmeze. Je la **8**a ⊙ vizito en la domego „Fuchsenfeldhof" (unu el la plej raciaj kaj higienaj popolloĝdomoj, konstruigita de la komunumo Wien) kaj en la kooperativaj kolonioj Altmannsdorf kaj Rosenhügel, tagmanĝo laŭvole en kooperativa domo Rosenhügel, promenado al Hermeswiese, Lainzer Tiergarten.

Atentu! La legitimacio, kiu rajtigas partopreni ĉiujn aranĝojn kaj uzi la specialajn vagonarojn de la tramvojo, estas ricevebla en la Laborista Informejo (en la kongresejo) je la prezo de 20.000 aŭstr. kr.

Atentu! La horo, signita per ⊙, estas la ekveturtempo. Oni veturas per specialaj tramvagonaroj de Schwarzenbergplatz (p. Ŝvarcenbergplac), ĉe la fontanego (proksime de la kongresejo). La indikata tempo nepre devas esti atentata. La specialaj vagonaroj nur kondukas **al** la koncernaj lokoj. La reveturado okazas laŭvole kaj ne povas esti uzata la legitimacio.

* * *

PROGRAMO.

Lunde, la 11an de aŭgusto 1924, je la 7a vespere, en la granda salono de la laborista hejmo, Wien, XXI., Angererstraße 14

Internacia Salutvespero

je honoro de la eksterlandaj gekamaradoj esperantistaj.

1. Akcepto ĉe haltejo Jedleseerstraße. Marŝo al la laborista hejmo.
2. „Socialista marŝo" (virhoro).
3. Salutparolo al la gastoj (Ligprezidanto kdo. Josef Slezak).
4. „La ciganino". muzikpeco de Balfe.
5. Parolado de kdo. Rasztoczky pri „niaj organizaĵoj."
6. „Ĉe la bela blua Danubo", valso de Johann Strauß (virhoro kun muzikakompano).
7. Festparolo de urba konsilanto kdo. Anton Weber (tuja traduko esperanten).
8. Respondo de eksterlanda kamarado (tuja traduko germanen).
9. „Vagado tra operetoj de Strauß".
10. Deklamo de kdo. Hans Richter.
11. „La Internacio" (virhoro).
12. Finmarŝo. „Per propra forto", de Ruprecht.

Muziko teatra de orkestro de la socialista unuiĝo „Lernej- kaj Infanamikoj" Kantado de la laborista kantunuiĝo „Jedlesee".

## Sentenco en versoj.

Siblas la ond' al la mar': Vi pensas malprave vin forta.
Kvankam nur parto de vi, ondas laŭ propra mi leĝ'.
Muĝas el fund' la respond': Jam vi disfluis senforme,
Antaŭ ol nuda la ver' povis koniĝi al vi.

A. Schnitzler.

## Diversaj Informoj.

**„Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista."** Programo por „Nia Naŭa" la, 9a Kongreso 6.–9. Aŭgusto 1924 en Wien. 6a de Aŭgusto. „Interkonatiĝa vespero" en la kongresejo, Konzerthaus, III., Lothringerstraße, kune kun tiu de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto. — 7a de Aŭgusto, de la 9a en Minoritenkirche (itala nacia preĝejo), I., Minoritenplatz: Solena sankta meso kun prediko. Kantoj: „Venu, sankta Spirito", Meso de Fr. Schubert. Posttagmeze je la 4a, en la festsalono de la „Submajstra Domo" (Katholisches Gesellenvereinshaus, VI., Gumpendorferstraße 39): Solena malfermo de „Nia Naŭa" per la prezidanto de „I. K. U. E.", lia provinciala moŝto Pro. Meŝtan. O. Piar. Kanto: Himno Katolika. Elekto de la Kongres-prezidantaro. Post la oficiala salutado: Ia laborkunsido, kaj vespere en la domĝardeno: „Wiena amuza vespero." — 8a de Aŭgusto, matene je la 9a, en la kapelo de la „Submajstra Domo": Sta. meso kun prediko. Preĝoj el la nova „Esperanto-preĝareto". „Matenmanĝo" en la domĝardeno. De la 10a ĝis la 12a, en la sama domo: IIa laborkunsido. Posttagmeze je la 2a, en la kolegiejo de la Proj Piaristoj, VIII., Piaristengasse 43: Ĝenerala kunveno de akciuloj de la Anonima Akcia Societo, „Espero katolika"; je la 4a, en Minoritenkirche: Komuna vespera preĝado kun prediko kaj sakramenta beno. Kanto: „Ni volas Dion", de Moreau, prediko en esperanta kaj germana lingvoj, litanio de la plej sankta Nomo de Jesuo, sakramenta beno. Vespere je la 7a, en la festsalono de la „Submajstra Domo": Festkunveno: prologo, alparolo dirata de katolika eksterlandana Esperantisto. Muziko kaj kantoj. „Himno Papa" de Paul Keller-Paul Mittmann (tradukita kun la afabla permeso de la verkistoj de la ekskolonelo Fr. Zwach. — 9a de Aŭgusto, matene je la $8^1/_2$a, en Minoritenkirche: Sta. meso por niaj mortintoj kun prediko. Antaŭtagmeze en la „Submajstra Domo" de la 10a ĝis la 12a: IIIa kaj lasta laborkunsido. Per la kanto: „Granda Di' ni laŭdas Vin", „Nia Naŭa" katolika Esperanto Kongreso estos finita. — Dimanĉe, la 10an de Aŭgusto, je la $8^1/_2$a matene, antaŭ la manifestacia kunsido de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto stu. meso kun prediko por ĉiuj katolikaj Esperantistoj-kongresanoj, en la Karlskirche. (Sidejo de la Liga grupo: Aŭstria Katolika Ligo Esperantista [A. K. L. E], Wien, I., Kleeblattgasse 7/II.)

**Kristanaj Esperantistoj:** Publika kunveno estas anoncata por hodiaŭ (ĵaŭdon) je la $7^1/_2$ horo, en la domo de la Kristana Asocio de Junaj Viroj. Eniro: Kenyongasse, 15, aŭ Neubaugürtel, 26, Wien, VII. Parolado kun lumbildoj pri „La tutmonda servo de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj". La parolado estas tradukota en la germanan lingvon.

La kunsido estas direktota de S-ro Paul Hübner, prezidanto de la Kristana Esperantista Ligo Internacia, kaj ĉiuj gesamideanoj estas kore invitataj.

**Liberpensuloj kaj Esperantistoj.** Okaze de la Kongreso aranĝas Aŭstria Ligo de Liberpensuloj salutvesperon kun paroladoj, en kiu al la eksterlandaj samideanoj-liberpensuloj estos donita la okazo ricevi bildon pri la liberpensula movado en Aŭstrujo, ke ili povu poste pri ĝi en sia hejmlando raporti. La paroladoj de samideanoj estos tradukataj germanen. La kunveno okazos vendrede la 8-an de Aŭgusto je la sepa horo en prelegĉambro de Krankenkasse (Kaso de Malsanuloj) Magdalenenstr. Nr. 33.

**Bontaktika defendo de Esperanto kontraŭ lingvaj kontraŭuloj.** Sub tiu Titolo okazos morgaŭ, la 8-an de aŭgusto, je la 6 vespere en la ĉambro 13 parolado de sam. Feith el Vieno. Ĉiuj propagandistoj de Esperanto, esp-aj kursestroj, instruistroj ktp. estas petataj ĉeesti.

**Naskolimigo kaj kulturo.** Lumbild-parolado pri Ŭov-Maltusanismo de Sam-ino Müller el Vieno okazos morgaŭ, vendrede, je la 4 vespere en la meza ĉambrego de l' Kongresejo. Precipe grava por gejunuloj. Eniro senpage. Ĉiu progresemulo oferu ĉi-tiun posttagmezon al tiu grava aktualaĵo!

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno,** eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



La placo „Albrecht"
Albrechtsplatz — La Place »Albrecht« — The Square "Albrecht"



La Monumento de Johann Strauss
Johann Strauss-Denkmal — Le Monument de Johann Strauss — The Monument of Johann Strauss



La popolĝardeno kaj la ŝtataj muzeoj

Volksgarten und die Staatsmuseen — Le jardin public et les musées de l'état — Public Garden



La fontano „Mozart"

Mozartbrunnen — La Fontaine »Mozart« — The Fountain "Mozart"

**Vienaj gesamideanoj!** Multaj eksterlandaj samideanoj plendas, ke ili, serĉante hotelon, straton aŭ bezonante ian informon pri lokaj rilatoj, ne scias al kiu sin turni, ĉar ili ne povas distingi la ĉi-urbajn samideanojn de la fremdaj. Estas do nepre konsilinde, ke ĉiu Viena esp-isto portu krom la kongresa insigno, ankoraŭ alian, kiu montru lian Vienanecon ekzemple rubandeton kun la subskribo: Vieno, aŭ pinglon kun la nacia blanka-ruĝa flageto!

**Alvoko al TEKA-anoj!** La faka kunveno de kuracistoj okazos vendrede la 8. de Aŭgusto je la 16—20ª horo en Akademisches Gymnasium, I., Beethovenplatz 1 (kontraŭe de la kongresejo).

Rondveturado en salonvagono de la urba tramo por viziti la famajn urbajn sanitarajn institutojn, okazos lunde la 11 an. Forveturado precize je la 9ª horo de Schwarzenbergplatz. Anoncu vin ĉe dro Sós en la kunvenejo.

**Aliaj akademianoj aŭ interesiĝantoj estas kiel partoprenantoj volonte vidataj.**

**Fakkunsido por la Filatelistoj.** Loko: III. Heumarkt, Kafejo „Am Heumarkt". Programo: 8. Aŭgusto 1924 (Vendredo), 10 h. antaŭtagmeze malferma kunsido. a) Salutvortoj de la aranĝanto; b) Elekto de la estraro. Provizora tagordo: 1. Fondiĝo de la tutmonda filatelista Esperanto-Asocio. 2. Kreo de Esperanto-Filatelista-Gazeto. 3. Propagando inter la naciaj Filatelistoj, filatelistaj societoj kaj gazetoj. 4. Eventualaĵoj. — 9. Aŭgusto 1924 (Sabato) 9 h. ĝis 12 h. antaŭtagmeze eventuala daŭrigo de la laborkunsido kaj poste interŝanĝado de poŝtmarkoj inter la ĉeestantoj. 7½ h. vespera vizito al la filatelista societo „Theseus", Wien, I. Bankgasse 2. — 10. Aŭgusto 1924 (Dimanĉe) 10 h. antaŭtagmeze interŝanĝado de poŝtmarkoj. — 11. Aŭgusto 1924 (Lundo) 10 h. antaŭtagmeze. Finunsido. 1. Elekto de la raportanto por la kongreso. 2. Finvortoj de la estro. Poste interŝanĝado de poŝtmarkoj. — Ĉiuj filatelistoj bonvolu certe partopreni! — Josef Kolnhofer, aranĝanto.

**La „Burggarten"** (kastelĝardeno) estas la sola loko en la mondo, kie dum somero estas ĉiutage prezentataj en libera aero Sinfoniokoncertoj kaj operoj. Ĉi tiu belega parko estis la promenejo de la iama imperiestra familio, kaj estas post la revolucio malfermita por la publiko. Ĝi estas tre akustika. Krom la sinfonia-orkestro direktata de koncertdirektoro Martin Spörr, kunagas ankaŭ ŝatataj solistoj. — Programo de la sekvontaj tagoj: 6. aŭgusto: Sinfonikoncerto. 7. aŭgusto: Someromeza nokto de Shakespeare, muziko de Mendelssohn. 8. aŭgusto: Beethoven-vespero. 9. aŭgusto: Sinfonikoncerto. 10. aŭgusto: Teatraĵo (Viena komedio: „Im weißen Rössel").

**Gesamideanoj!** Aĉetu la ofic. Kongresbildkartojn kun insigno.

Kartoj kun Zamenhof-memortabulo haveblaj en la librovendejo.

La restoracio Francisko Falk „Zum Stadtpark", fondita dum la 1873ª (la jaro de la tutmonda ekspozicio en Wien), estas gastejo, en kiu oni en Wien trovas efektive bonan, burĝe kuiritan manĝon. S-ro Falk rekomendas sian restoracion per anonco en ĉi tiu bulteno. Kun trankvila konscienco ni povas ege rekomendi ĉi tiun gastejon al la kongresanoj. (pagita anonco.)

**Ĵurnalistoj! Raportantoj! Fakestroj!**

**Zorgu pri preciza kaj rapida inform-servo en la „Bulteno"! Ĉiuj sciigoj, raportoj kaj aktual-temaj artikoloj venu legeble skribite senprokraste en la manojn de la ĉefsekretario!**

# Entreprenoj de la Komunumo Wien

## Gewista

Urba Anonca Entrepreno, Wien, I., Jasomirgottstrasse 2 - - - Telefono No. 60-5-60 serio

## Urbaj Elektraj Tramvojoj

Komenco de veturoj je la 6ª de Ring, fino de veturoj je la 24ª de Ring. 2700 vagonoj ĉiutage uzataj, 73 linioj. Unuforma prezo de veturo dumtaga 1700 K. Linioj interrilatantaj la Wien'ajn stacidomojn: Westbahnhof—Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof—per la linio 5; Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof per la linio 15; Westbahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linioj 18 kaj 118; Tabor—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio O; Franz-Josephs-Bahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio D. Post la fino de la regulaj, veturoj dumnoktaj sur la rondlinio pasanta preter ĉiuj stacidomoj ĝis la 1ª nokte. — Al la Foir-ekspoziciejoj: Al la ĉefa pordego de Rotondo per la linioj A kaj Ak; veturo sen vagonŝanĝo de Rotondo (ĉefa aleo en Prater) al la Foir-palaco per la linioj $H_2$, L kaj (dum Foir-tempo) M. — La plej bona veturo al la somerloĝejoj en la Wienerwald-(Arbar-)regiono dum 25 minutoj de Ring: Neuwaldegg'on (linio 43), Pötzleinsdorf'on (linio 41), Nussdorf'on (linio 36), Grinzing'on (linio 38) kaj Sievering'on (linio 39). Eksterurbaj linioj 260 kaj 360 de Mauer, Rodaun'on, Perchtoldsdorf'on kaj Mödling'on kun rekta interrilato de la linio 60. Intervaloj de vagonaroj 15 kaj 20 minutoj, daŭro de veturo al la sportejoj kaj al la vetrajdejo Freudenau.

**Aŭtomobiloj-Omnibusoj.** Veturoj dumtage (labortagoj) de 7.45 ĝis 19.45 sur la linio Schottengasse—Graben—Stefansplatz—Rotenturmstrasse—Schwedenplatz; intervalo de omnibusoj 3 minutoj. Veturoj dumnoktaj de la 0ª ĝis la 3ª de Stefansplatz ĝis la stacidomoj Nord-, Süd- kaj Franz-Josephs-Bahnhof, Hietzing'on, Hernals'on, Gersthof'on kaj Döbling'on. — Specialaj veturoj de ekskursantaro per aŭtomobila omnibuso dumtage kaj dumnokte. Mendejo: IV., Favoritenstrasse 9. Telefono 52-5-80 serio.

## Urba Gasfarejo

Direkcio kaj konstant ekspozicio: Wien, VIII., Josefstädterstr. 10, Telefono 24-5-20 serio.

Nombro de konsumantoj: la 31an de Aŭgusto 1919ª: 239.085
la 15an de Majo 1924ª: 288.000

**Fabrikajoj**: Gaso, ekonomia hejtigilo por mastrumoj kaj metioj, Koakso, 5 gradoj de koaksera grandeco. Benzolo por motoroj, por komerca uzo kaj plenpura, pura Toluolo, Solve-Nafto, kruda Nafto, ŝtonkarba gudro-peĉo.
Fakaj konsultoj senpagaj pri ĉiuj specoj de gasuzado.

## Urbaj Elektrofarejoj

Direkcio: Wien, IX., Mariannengasse 4, Telefono 24-5-40.

Nombro de konsumantoj la 31an de Aŭgusto 1919ª: 158.878
la 1an de Majo 1924ª: 338.000

Prezo de unu Hektowat-horo lumelektra 520 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
La plej malkara lumigilo! Altiĝo de la lumprezo kompare kun tiu antaŭ la tutmonda milito nur ĝis la 7428-oblo!
Prezo de unu Hektowat-horo fortelektra 280 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
Aranĝo de instaloj luataj en malgrandloĝejoj, ankaŭ instaloj kun partopagoj en loĝejoj, vendo de lumig-aparatoj, ludono de elektromotoroj, vendo de elektraj lampoj.

Mendo kaj ricevo: Wien, IX., Mariannengasse 4.

## Magazenoj de la Urbo Wien

Publikaj Deponejoj por ĉiuspecaj Konservotajoj. — Disponeblaj por entute 10.000 vagonoj.
Adreso por Telegramoj: Stadtlagerhaus Wien.
Direkcio: Wien, II., Ausstellungsstrasse. Telefono 42-0-50 Serio, 7 stacioj.

Modernaj grenmagazenoj kun maŝinaj ekipoj por transporto kaj purigo, establoj por grenpurigo kaj specialigo laŭkvalita, grentransportŝanĝo kun kvar ŝipelevatoroj, transportŝanĝo por unuopaj transportajoj per krano, liberaj de limdepago magazenoj, oficejo de la Centra Limdepagejo, publika pesejo, favorigo de transportoj returnaj.
Tri fervojstacioj: Wien-Lagerhaus, Wien-Winterhafen (vintra haveno), Wien-Speicher (magazeno) Zwischenbrücken.
Tri enŝipigejoj ĉe Danubio.
Kun la Magazenoj de la Urbo Wien estas en interrilato: **Malvarmigejo de la Urbo Wien.**
Ejoj por malvarmigo kaj frostigo kun 8000 kvadrataj metroj da disponebla spaco por konservado de viando, ĉasajoj, birdoj, graso, butero, fiŝoj, ovoj, fruktoj, sudlandaj fruktoj, lakto, biero, floroj kaj alispecaj malvarm-konservotajoj.
Establo por sekigo kaj plikvalitigo de fruktoj. La plej modernaj ekipoj por sekigo kaj plikvalitigo de prunoj, varmsekigo de ĉiuj frukto- kaj greno-specoj, specialigo laŭkvalita de faboj, senkernigo de nuksoj, senŝeligo de pizoj, poluro kaj duonigo, speciala ekipo por sekigo de malgrandaj fruktoj.

Telefono 99-3-20 | Telefono 99-3-21

## Bierfarejo de la Urbo Wien

Rekomendas siajn tre bone konatajn specojn de bieroj, nome:

**Spezial Wiener Stadtbräu** (hela biero kelmatura)
**Wiener Stadtbräu Doppelmalz** (malhela biero kelmatura)
**Borromäusbräu** (malhela forta biero)

**Bieroj en boteloj, sendataj en la loĝejon per la liverejo de bieroj botelaj, Wien, III., Baumgasse 47. Telefono 12-23.**
En ĉiuj restoracioj de „Wiener Messe" (Wien'a Foiro) nur la tipoj delikatbieraj el la Bierfarejo de la Urbo Wien estas servataj.

## Urba Instituto por Asekuroj

Direkcio: Wien, I., Tuchlauben 8 Telefonoj 67-2-72, 67-401

Oficejoj en Landoj Aŭstrujaj: Graz, Herrengasse 11 — Linz, Weiguniplatz 8 — Innsbruck, Burgerstrasse 3 — Klagenfurt, Bahnhofstrasse 53 — Salzburg, Faberstrasse 11 — Bregenz, Jahnstrasse 11.

**Negoc-Branĉoj**: Asekuro pro Fajro, Ŝtelo per enrompo, Rabo, Garantidevo, Aŭtomobiloj, Akcidentoj unuopaj kaj kolektivaj, dumvojaĝaj, Vitrorompo, Vivo kaj Rento. — Asekuroj por Transporto, Maŝinrompo, pro Hajlo ktp. plej kontenige estas perataj.

Proprajo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

**Prezo 3000 a. K.**

# Kongresa Bulteno





**Oficiala Organo de la XVI a Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924**

**Redakcio:** Koncert-Palaco, Wien, III., Lothringerstr. 20.

**Redaktoro:** Dro Emil Pfeffer.

**Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!**

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

Numero 3. — Wien-Vieno, vendredo, 8. Aŭgusto 1924. — Aperas ĉiutage.


*„Ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj bagateloj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuj flankoj de la homa spirito kaj moralo, oni proponados al ni diversajn rimedojn, kiuj servas al la fratigado de la homoj kaj al la rompado de la muroj inter la gentoj — kaj ĉion tion ĉi ni povos prijuĝi, akcepti aŭ ne akcepti, sed ni neniam devos ĝin blinde forĵeti antaŭe. Ĉar ĉio, kio servas al la fratigado de la gentoj kaj al la rompado de la malamikaj muroj inter la popoloj — se ĝi nur ne enmiksaŝ sin en la internan vivon de la gentoj — apartenas al la verda standardo".*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

## La interpretisto.

En la hodiaŭa „Stunde" („Horo"), tre popolara Viena ĵurnalo, aperis, videble sub la influo de nia Kongreso, ĉi-suba ĉefartikolo, kiu estas denove frapanta pruvo por la urĝa neceseco de Esperanto en internaciaj kaj interŝtataj rilatoj. Ĝi montras evidente, kiel ĉiu prokrasto en la ĝenerala kaj oficiala akcepto de nia lingvo flanke de la registaroj suferigas kaj sin venĝas sur la popoloj, al kiuj la solvo de la problemo de lingvo internacia sin trudas nun kun elementa nepreco. La Red.

La Londona Konferenco devis marde por kelkaj horoj esti interrompita. La interpretisto, kiun la germana delegitaro kun si havis, tradukis la germanan respondnoton tiel neprecize, tiel kontraŭ la spirito kaj kontraŭ la literoj, ke la francoj kaj angloj ŝanceliĝis inter ekmiro kaj indigno. Por ke la pordo de intertraktado ne estu tro frue kun krako fermita, deklaris la germana delegitaro sian pretecon prezenti siajn ellaboraĵojn skribe. Por povi ilin prepari, devis la tuta Konferenco esti je kelkaj horoj prokrastita, la bona agordo disvaporiĝis, la temperaturo de la sentimentoj falis je kelkaj gradoj kaj de la lipoj de profesiaj diplomatoj fluis mokanta rideto.

Interpretisto, kiu tradukas malbone, estas spirita parenco de lakeo, kiu la vinon anstataŭ en la glason verŝas sur la buston de la ĉetable sidantaj sinjorinoj, de droŝkisto, kiu anstataŭ veturi sur la strato veturas en la stratfoson, de ĉambristino, kiu la dekstran ŝuon kunlaĉas sur la maldekstra piedo. Ĉe tio disponas ĝuste la germanoj pri la plej bonaj intelektaj helpfortoj, pri la plej lertaj spiritaj metiistoj, pri la plej eminentaj disvastigantoj de l' lerneja scio. Neniu alia nacio ol la germana kalkulas tiom da konantoj de fremdaj lingvoj en siaj vicoj. Tio estas almenaŭ la maliceco de l' objekto, ke la interpretisto, kiu devis konstrui la plej primitivan ponton de interkompreniĝo, ne alkreskis al la alteco de sia tasko. Oni ne devas tiel senpripense tuj forpuŝi de si la suspekton, ke la interna kontraŭstaro kaj opozicio de la naciistoj kontraŭ la rekonstruo de Eŭropo subite eksplodas en neartikulitaj sonoj kaj falskomprenoj. La interpretisto, kiun la germanoj venigis al Londono estis — kiel ŝajnas — pli interpretisto de la sentimentoj, regantaj ekster la kadroj de l'intertraktado. Li tradukis ne la sonon, kiun trinkis lia orelo, sed la sentimenton, kiun li alportis kun si.

La germana poeto Grillparzer diris pri la germanoj, ke ili estas nefeliĉa popolo, ĉar ili havas la fantazion tie, kien ĝi ne apartenas. La interpretisto devas la pensojn de unu popolo enporti en la sonformaĵojn de la alia kaj li — por tiel diri — kunŝovas la spiritajn seĝojn al si reciproke. Sed la germana interpretisto ne povis sian romantikecon de la sentoj lasi hejme. Li havis la stelplenan ĉielon de la Kant'a ideo super si kaj la moralan leĝon de naciaj politikistoj en si kaj eble tial oni ne povis interkompreniĝi, ĉar la germana interpretisto estis tro profunda . . .



L. N. TOLSTOJ. 1828—1910. Granda amiko kaj pioniro de Esperanto en Rusujo, la plej legata moderna verkisto, kies verkoj estas tradukitaj en pli ol 70 lingvojn: Anna Karennina, Edziĝo pro amo, Kio estas religio, Milito kaj prudento, Moderna sklaveco ktp. —. Busto de Trubeckoj. — Vidu la noteton en la hodiaŭa kroniko.

## Kanto de l' laboro.

(Dediĉita al la fratoj laboristoj kunvenintaj por la XVI-a.)

Eksonu kant' pri l' fianĉin',
Unua homa amikin',
Valora pli ol or'.
Riĉaĵo ĉia en la mond'
Elfluas el ĉi tiu font':
Glor' al labor'!

Kiam ankoraŭ kiel best'
La hom' en praarbara nest'
Sin kaŝis kun angor',
Kiel li venis al la pan'?
Nur per laboro de la man'!
Glor' al labor'!

Kaj kiel Galilei jam
Vokis al tutâ mond' kun flam':
La mond' sin movas for!
Vi voku: Per laboro, jes,
La mond' sin movas en progres'!
Glor' al labor'!

M. Polland.

# Dokumentoj por la XVIª.

## Raporto de la Prezidanto de la Konstanta Kongresa Komisiono.

Estas mia devo, raporti al la XVI-a Kongreso pri la funkciado de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, aŭ Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.) dum la periodo inter la XV-a kaj XVI-a Kongresoj.

La XV-a Kongreso en Nurembergo per plimulto da voĉoj esprimis la deziron, ke la XVI-a okazu en Bulgarujo, en la urbo Sofio, prefere ol en Vieno, el kiu urbego ankaŭ estis ricevita grava invito. Iom poste, tamen, la invitintoj en Sofio pro diversaj kaŭzoj devis rezigni pri sia propono. La Centra Komitato do decidis okazigi la XVI-an Kongreson en Vieno; kaj en oktobro lasta ĝia Prezidanto sciigis tion al mi, por ke la K. K. K., al kiu laŭ la Kongresa Regularo estas komisiataj la ĝeneralaj preparoj, povu plenumi sian taskon kun la kunlaboro de Loka Kongresa Komitato (L. K. K.) en Vieno.

En la komenco estis komunikataj al mi la nomoj de la L. K. K., jene:

Unua Prezidanto: S-ro Johano Schröder.
Dua Prezidanto: S-ro Otto Simon.
Tria Prezidanto: S-ro Oskar Zimmermann.
Ĉefsekretario de la L. K. K. kaj Organizanto de la XVI-a: S-ro Franz Schade.

Aliaj anoj, por diversaj fakoj: S-roj Walter Smital, Josef Schamanek, Eugen M. Haisler, Karl O. Sikor, Ferdinand Hartwich, Edmund Sós kaj Franz Zwach.

Oni proponis, kiel reprezentantojn de la XVI-a en la K. K. K., S-rojn Schröder kaj Simon, por okupi la lokojn de la du anoj por la XIV-a elirintaj. Ili estis akceptitaj, kaj la K. K. K., kies konsiston (laŭ mia lastjara raporto de 24-a de Julio 1923) aprobis la XV-a Kongreso, tiamaniere pleniĝis, jene:

Honora Prezidanto: Generalo H. Sébert.
Prezidanto: J. M. Warden.
Vicprezidanto: Edmond Privat.
Ĝenerala Sekretario: Gabriel Chavet.
Kuratoroj de la Kongresa Kaso: Generalo Sébert kaj J. M. Warden.
Anoj por la XV-a: R. Ledermann kaj O. Pilhofer.
Anoj por la XVI-a: J. Schröder kaj O. Simon.

La K. K. K. interrilatinte kun Vieno, trovis ke la L. K. K. frue komencis labori energie por prepari la Kongreson kaj jam pripensis kelkajn novajn ideojn por nia ĉiujara festo. Kiel kutime, la unua tasko de la K. K. K. estis fiksi la daton de la Kongreso kaj la kotizon de kongresanoj. Post zorga konsiliĝo kun la L. K. K. ni fiksis la daton 6 — 14 de aŭgusto, kun speciala rilato al la cirkonstancoj de la programo skizita de la L. K. K. Pro la ankoraŭ neordinara valuto en multaj landoj, la kotizon oni aranĝis same kiel en la lastaj jaroj, rezervante tamen al la L. K. K. la rajton ŝanĝi, se necese, la kotizon por landoj kun nefiksa kurzo.

Por gvidi al la L. K. K. en la prepara laboro de la Kongreso kaj por evitigi kelkajn eraroj de iuj antaŭaj kongresoj, la K. K. K. pretigis specialan Instrukciaron. La kompiladon de tiu Instrukciaro el la arkivoj de la K. K. K. ni ŝuldas al la sindona laboro de S-ro Chavet, kiu estis ĝenerala sekretario de la Komitato dum multaj jaroj kaj havis vastan sperton pri kongresaj aferoj. Gia celo estas, plisimpligi la laborojn de lokaj komitatoj. La Viena L. K. K. raportis al mi, ke ĝi jam trovas la Instrukciaron tre valora; kaj espereble ĝi ankaŭ utilos por venontaj kongresoj. Simile, por gvidi la aranĝantojn de fakkonferencoj okazontaj dum la Kongreso, S-ro Schade pretigis alian instrukciaron, por klarigi iliajn celojn, labormetodojn ktp. Tiu dokumento ŝajnas ankaŭ tre utila.

La L. K. K. proponis por la programo de la Kongreso iom malsaman aranĝon ol okazis ĝis nun; nome, ke en la komenco estu nur interna malfermo de la Kongreso, kun kunsidoj de fakkonferencoj, poste en la mezo de la kongressemajno granda publika Esperanta manifestaĵo, kaj en la finaj tri tagoj la ordinaraj laborkunsidoj de la Kongreso. Pro la motivoj antaŭmetitaj de la L. K. K., la K. K. K. konsentis al la propono, por ke la nova aranĝo estu provita ĉitiujare.

Kun granda bedaŭro mi devas raporti al la Kongreso la eksiĝon de S-ro G. Chavet el la ofico de ĝenerala sekretario de la K. K. K. Kiam, laŭ la peto de D-ro Zamenhof, oni starigis la Esperantistan Centran Oficejon en Parizo en 1905, S-ro Chavet fariĝis ĝia Sekretario. La dua Kongreso (Genevo, 1906) kreis Konstantan Ĝeneralan Sekretariejon de la kongresoj. De tiu dato S-ro Chavet estis unu el la kongresaj sekretarioj. En 1909 li fariĝis Ĉefsekretario de la Kongresoj kaj Ĝenerala Sekretario de la K. K. K., kaj li estis reelektita de ĉiuj sinsekvaj kongresoj. Dum preskaŭ dudek jaroj, do, S-ro Chavet fervore kaj lojale laboris por la Esperanta movado, doninte sian tutan forton por ĝia antaŭenigo. En februaro lasta li sciigis al mi, ke, pro siaj aliaj profesiaj okupoj, kiuj jam lasis al li neniom da tempo disponebla por Esperanto, li devis kun granda bedaŭro peti la akcepton de lia neatendita eksiĝo, kiu lasis nin en granda embaraso.

Pri la tagordo de la XVI-a Kongreso, mi devas raporti, ke la sola speciala demando ĝis nun ricevita por esti priparolata ĉe la Kongreso, estas propono de la Pola Esperanto-Asocio (antaŭe Pola Esperantista Societo), pri disciplino rilate al lingvaj aferoj. Ĝia teksto estas:

Konsiderante, ke multaj Esperantistoj ne tute konformiĝas, en la praktika uzado de la lingvo Esperanto, al la lingvaj opinioj de la Akademio de Esperanto kaj de la Lingva Komitato;

Konsiderinte, ke, post la morto de la kreinto de Esperanto, Doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof, la ambaŭ suprecititaj institucioj estas la plej alta aŭtoritato en la aferoj de la lingvo Esperanto, al kiu ĉiuj Esperantistoj devas submetiĝi en la nomo de unueco de nia lingvo, havanta tiel grandan signifon por ĝia plua disvolvo kaj propagando:

La XVI-a Universala Kongreso de Esperanto turniĝas al ĉiuj Esperantaj organizoj kaj gazetoj kaj al ĉiuj individuaj Esperantistoj, kun peto kaj postulo, ke ili konformiĝu al ĉiuj lingvaj opinioj de la Akademio kaj de la Lingva Komitato.

En unueco nia forto!

Krome, la Kongreso ricevos, kiel aranĝite per la interkonsento de Helsinki:

Raportojn de la Oficialaj Institucioj (L. K. kaj Akademio, K. K. K., K. R., U. E. A. kaj C. K.);
Komunikojn de rezolucioj de Fakkunsidoj;
Invitojn por estontaj kongresoj.

La definitivan tagordon de la laborkunsidoj fiksos la K. K. K. en sia kunsido antaŭ la komenco de la Kongreso.

8. Julio 1924. J. M. Warden,
Prezidanto de la K. K. K.

## Salutoj por la XVI-a.

(Telegramoj kaj leter-ekstraktoj.)

Internacia Oficejo de la Paco Bern sendas al la Esp. kongreso siajn plej bonajn dezirojn kaj salutojn en plena simpatio kun ĝiaj celadoj, sciante kiel tre tiuj-ĉi servas al la paco.

L. Kun la plej granda danko pro la afabla invito mi havas la honoron sciigi la ŝatatan lokan komitaton, ke la ĝenerala konsulejo per la oficestro

## Felietono

### La bonfaranto.

En la novjara tago 1932 proklamis la amerika milionulo Charles M. E. Chugge en la gazetoj de Nov Jorko:

„Mi decidiĝis pagi al juna laboristo, kiu pruvos, ke li jam de dek jaroj estas okupita en karbominejo, stipendion por vojaĝo ĉirkaŭ la tero. Tiu ĉi vojaĝo okazos en societo de mia sekretario, iros de Nov-Jorko tra Japanujo, la malaja insularo, tra Hindujo, tra Ruĝa Maro al Eŭropo, restado ĉe Riviero, en Italujo, Francujo, Germanujo, Skandinavio, Ruslando, tra Krimeo al Malgrand-Azio, poste al Egipto, en la centran Afrikon, poste laŭlonge de la marbordo al Kapurbo. Parto de la vojaĝo estos dediĉita al Aŭstralio, kiun la vojaĝonto, se plaĉos al li, povas enmeti en la programon. La daŭro de l' mondvojaĝo estas fiksita je tri jaroj; por preparo (lernado de lingvoj k. t. p.) estas konsentita unujara restado en Nov-Jorko. Ministoj almenaŭ tridekjaraj povas konkuri pri tiu ĉi stipendio.

Kondiĉoj por la aspiranto:

1. Li devas de almenaŭ dek jaroj esti ministo.
2. Li devas pruvi naturan inteligentecon, freŝan observadon, viglan temperamenton.
3. Li devas skribe konsenti post la fino de la vojaĝo labori plu denove dek jarojn en la sama minejo.

Ĉia protekcio estas esceptita. Pri la elekto de l' premiito decidos ses sendependaj viroj, nomitaj ne de mi, sed de la plej ŝatataj verkistoj de Ameriko.

Por la kostoj de la vojaĝo mi destinas 80.000 funtojn sterlingajn. La vojaĝo povas do esti efektivigita kun la plej granda komforto.

Mi mem volas ekkoni la stipendiulon nur post lia vojaĝo. Charles M. E. Chugge."

Ĉio iris korekte kaj sen korupteco. El inter proksimume 6000 peticioj, kiuj alvenis elektis la komisiono 240, kiel speciale konsiderindajn. Poste decidis la loto. Sekve efektive senpartie. La 32-jara ministo Francis Rooth el Nov-Orleano havis la ŝancon, ke lia peticio estis eltirita el la urno.

Rooth estis fraŭlo, kiu laŭvere aspektis jam kiel kvardekjarulo, ĉar oni ne laboras sen postsignoj en karbominejo. Lia barba vizaĝo estis serioza kaj malgrasa, liaj okuloj ankoraŭ brilantaj, sed tamen jam melankoliaj, kaj ankaŭ lia alta gracia figuro estis jam iom antaŭen klinita. Kiam li estis ankoraŭ juna homo, li estis verkinta poemojn al iu juna knabino kaj li aldonis ilin al sia peticio, kvankam li mem havis plu nenian komprenon por la belo de la poemoj el sia ebria juneco. Entute li skribis la peticion preskaŭ ne serioze, sed ŝerce, li sendis ĝin, atendante nenian respondon. Kiam iun matenon oni vokis lin el la ŝakto supren en la kontoron de la societo, por informi lin, ke li, Francis Rooth, estas la feliĉulo, kiu kun la helpo de sinjoro Ch. M. E. Chugge nun faros trijaran mondvojaĝon, tiam en la unua momento li eĉ ne estis ĝojigita, ĉar li aŭdis nur la vortojn, sed ankoraŭ tute ne sentis ilian signifon.

„Vi eĉ ne ridetas?" diris la oficisto.

„Ho jes", rediris Francis, penante fari afablan mienon.

Nun oni tralegis al li ankoraŭ unufoje ĉiujn kondiĉojn. Tion li devis subskribi.

„Nur unu punkto estas grava", diris la oficisto. „Vi devas kontrakte konsenti post la fino de la vojaĝo denove dum dek jaroj servadi ĉe ni. Sinjoro Charles M. E. Chugge ne volas vin por ĉiam elŝiri el via ekzistenco kaj tial li postulas, ke vi al li — ĝi estos espereble nenecesa — donu la rajton, vin eventuale ankaŭ per nia fabrika gardistaro, per niaj Pinkertonanoj venigi denove en la ŝakton. Sed tio estas ja nur la plej ekstremaj eventualecoj, kiuj ja neniam okazas. Ĉe kontrakto oni devas tamen pensi pri ĉio!"

Francis Rooth subskribis.

Unu jaron li vivis en Nov-Jorko, lernis france, germane, itale, lernis sin bele vesti, bonege manĝi, paroli kun sinjorinoj. Li estis instruata en pianludo, venis en la grandajn teatrojn, en la operejon; li lernis veli, remi, naĝi. Dum la tuta jaro li vivis en vilao ĉe la marbordo, juna pentristo estis lia amiko, kiu klarigis al li la belecon de la maro, la miraklojn de l' vespera suno, la grandiozon de l' vintra pejzaĝo. Kun la kuzino de tiu pentristo li ofte dum tutaj tagoj estis ekstere sur la maro en malgranda jahto kaj tiel li ricevis la lastan poluron, la amindecon de l' koro.

respektive ties anstataŭanto estos reprezentata ĉe la festkunveno.
Kun la esprimo de perfekta ŝatado Ĝenerala Konsulejo de la Respubliko Ĉeĥoslovaka en Vieno.

L. La Aŭstria Ligo por la Ligo de Nacioj, kiu en simila maniero por la Esperanto-movado kaj por la reciproka sinkompreno kaj kunlaboro de la popoloj estas aganta, salutas la partoprenantojn de la Kongreso plej kore kaj deziras al la konsiliĝoj la plej bonan sukceson. Ni permesas al ni por la festkunsido sendi delegitaron.
En la nomo de la prezidantaro de Aŭstria Ligo por la Ligo de nacioj la ĝenerala sekretario A. Müller.

L. Dediĉante al la afero de Esperanto la plej viglan intereson, ni deziras al la konsiliĝoj de la kongreso plenan sukceson.
Viena foiro, Akcia societo.

L. Mi permesas al mi sciigi la sekretariejon de la Universala Kongreso en Wien, ke mi kiel reprezentanto de la akademio por mondkomerco en Wien ĉeestos la festkunvenon. Plej respekte
Prof. Fritz Dindel, Akademio por Mondkomerco Wien.

Ł. Kun la plej bonaj deziroj por kiel eble plej bela kaj sukcesplena trapaso de la kongreso mi subskribas
Dr. Rud. Ortmann, Kortega Konsilanto, ministerio por instruado.

T. XVI-a estu inda al la Unua.
Prof. Otto Simon, L. K., Boulogne-kongresano.

T. Sveda samideanaro fidele sopire salutas kongreson. L. Nylen, prez.

L. Ni deziras al via kongreso la plej bonan trapason. Urbestraro Innsbruck (Tirolo).

L. Akceptu la certigon, ke ni plene ekkonas la signifon de internacia helpa lingvo por la komercista mondo kaj ni ĉiam penos akceli tiujn viajn celadojn. Kun perfekta altestimo
Prezidejo de Gremio de Komercistaro en Graz (Stirio).

L. Ni permesas al ni per tiu-ĉi vojo al la respektinda Kongreso deziri la plej bonan sukceson. Ĝi kontribuu al tio, ke la ideo de Esperanto trovu ĉiam pli grandan disvastiĝon, por akceli la spiritan kaj ankaŭ ekonomian avantaĝon de la tuta homaro.
H. Haagen, vicprezidanto de l'Ĉambro por komerco, metioj kaj industrio en Salzburg.

L. Mi deziras al via kongreso por viaj intertraktadoj kiel ankaŭ entute por via afero la plej bonan sukceson.
Prezidantaro de la Ĉambro por Laboristoj kaj Oficistoj en Salzburg.

---

La 14-an de oktobro 1934 surpaŝis Francis Rooth la grandan anglan vaporŝipon „Viktoria", la juna pentristo akompanis lin kiel sekretario. Sur la ŝipo atendis sendito de mister Charles M. E. Chugge la mondvojaĝanton kaj transdonis al li ĉeklibron, kiun li — ekster la stipendio — estis uzonta en la grandaj mondurboj de Tokio ĝis Stockholm. Por ĉiu urbo estis al li konsentitaj 1000 funtoj, sed denove sub la kondiĉo, ke ili estos eluzitaj, tio estas elspezitaj en ĉiu urbo

Neeble estas priskribi, kiel Francis Rooth ĝuis tiujn tri jarojn. La japana mirakla mondo, la praeterna grandiozo de la hindaj arbaroj, la eleganteco de Riviero, la suna kaj stela belego de marveturoj, lia amikeco kun la pentristo, komence la sopiraj leteroj de la kuzino, la ĝuadoj en Parizo, la beleco de l' norda pejzaĝo, unu nokto en la dezerto sub flava ĉielo, poste la vojaĝo per la transsiberia fervojo tra senhomejo kaj silento subite en Moskvo antaŭ la grandiozo de Kremlo, somera monato ĉe Lido en Venecio, en la suno preskaŭ nude sur la marbordo kuŝante apud la plej belaj virinoj de Eŭropo; en Romo poste li malleviĝis sur la genuojn antaŭ Mihaelanĝelo, en Nizza li travivis la plej frenezan karnavalon de l' mondo, poste li estis subite en Malgrand-Azio, en la elsekiĝintaj, elmortintaj lokoj, tiel karaj por multaj. Li fariĝis pli juna de tago al tago. Lia amiko, la pentristo, estis provizita per leteroj al la plej afablaj homoj de la tero. Li konatiĝis kun la grandaj poetoj de Eŭropo, ankoraŭ pli, kun la veraj granduloj de ĉiuj landoj, starantaj super la gloro, kun la plej noblaj karakteroj, kun la plej delogantaj virinoj, sed ankaŭ la kavernojn de mizero, de senlumeco, de nudeco, de malpuraĵo li vidis, por de ili plej rapide forkuri. Sian plej feliĉan tagon li travivis sur Javo. Sed pri tio alifoje.

Daŭrigo sekvos.

---

T. Koran gratulon por la kongreso sendas la Esperantistaro en Shanghai (Ĥinujo).

L. La membroj de la Loka Esperanto-Grupo Anahuac en Tampico (Meksiklando) havas al plezuron, sendi al vi per sia komitatanino S-ino Matilde Jaquel de Guerra siajn plej varmajn dezirojn por la plena sukceso de la Kongreso.
La estraro por la Esp.-Grupo Anahuc, Tampico (Meksiko).

(Daŭrigo sekvos.)

---

## Viena kabaredo prezentata de „Vesperto".

Dramatika Rondo Esperantista.

Bonvenon, gesamideanoj, post longa, laciga vojaĝo. Jam ni aranĝis por vi agrablan senlacigon en formo de Viena kabaredo. Ĝi certe preparos al vi ĝuon por oreloj kaj okuloj, incitos viajn ridmuskolojn kaj forgesigos al vi por kelkaj agrablaj momentoj la monotonecon de la vivo. Hodiaŭ, la $8^{an}$ de Aŭgusto je la $21^{a}$ ($9^{a}$ vespere) okazos en la kongresa kabaredejo nia dua kabareda prezentado, aranĝita de „Vesperto", Dramatika Rondo Esperantista. Riĉeco kaj varieco de la programo garantias al la vizitontoj plenan ĝuon kaj kontentigon.

Niaj vienaj kabared-aktoroj de „Vesperto" prezentos „Sensacion", epizodon, plenan de misteraj, spirhaltigaj scenoj kaj paŝo post paŝo prepariĝas ĝuiga solvo el labirintaj impresoj kaj komplikaĵoj. Kantistino gajigos per siaj modernaj kansonoj la aŭskultantaron, dum desegnisto de karikaturaĵoj „paŝtigos" certe la okulojn de la rigardemuloj, glitigante per nekredebla rapideco kaj lerteco desegnilon sur blanka papero, por kvazaŭ per sorĉa vergeto aperigi sur ĝi karikaturajn bildojn, jen ridigajn, jen beletajn.

Kaj la fama viena komponisto Franc Schubert reviviĝos, kaj montros ĉarmetan epizodon el sia vivo. Li konfesos al la publiko sian sekretan amon; rava sonĝo en formo de ĉarma feino ĉirkaŭteksas lian koron kaj inspiras al li tonojn, per kiuj li deklaros sian senton al sia amata knabino. Muzika akrobato kun siaj ekscentrikaj kaj ridegigaj faroj plene okupos la orelojn same kiel okulojn.

„Oni serĉas fianĉinon!" estas la nomo de originala burlesko, kiu certe formos la kulminacian punkton de nia kabareda vespero. Ĝi montros al la publiko la eltrovemon de amo, kiu disvolvos antaŭ la okuloj de l' rigardantoj aron da scenoj plenaj de komikaj situacioj. Ĝi gvidos sur la scenejon ruzan detektivon, kiu sin lerte igas tuj respektata de ĉiuj kaj ĉiam restas estro de la situacio. Ankaŭ naive trokuraĝa vojaĝesploristo aperos, kiu ĉiam estas viktimo de progresantaj okazaĵoj. Triobla gefianĉiĝo sekvas la solvon, kaj kronas la tutan scenaron. La tuta burlesko estas akompanata de ĉarmaj kantoj kaj dancoj.

Entute la unua kabaredo kontentigos certe ĉiujn, kiuj ŝatas agrablan, distran amuzon.

**Do tial vizitu hodiaŭ je la $21^{a}$ ($9^{a}$ vesp.) nepre la Vienan kabaredon, prezentotan de „Vesperto" en kongresa kabaredejo I. Rotgasse 3.**

### Kabaredaj aranĝoj dum la $XVI^{a}$.

**Merkrede** la $6^{an}$ de aŭgusto je la $8^{a}$: Viena kabareda prezentado de „Vesperto".
**Ĵaŭdo** la $7^{an}$ je la $8^{a}$: Internacia kabaredo.
**Vendrede** la $8^{an}$ je la $7^{a}$: Lumbildparolado „Maks kaj Moric" de Busch, traduko de kol. Zwach. Je la $9^{a}$: Viena kabaredo de „Vesperto".
**Dimanĉe** la $10^{an}$ je la $10^{a}$: Viena kabaredo de „Vesperto".
**Lunde** la $11^{an}$ je la $10^{a}$: Internacia kabaredo. „Morto de delegito de U. E. A." prezentata de „Konkordo", kabareda grupo el Zágreb (Jugoslavio).
**Marde** la $12^{an}$ je la $10^{a}$: Internacia kabaredo.
**Merkrede** la $13^{an}$: Granda ĝardena finfesto en „Varietea urbo", Prater, kun riĉega programo.

---

## Diversaj Informoj.

**Ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto.** Merkredon, la 6an, okazis en Konzerthaus ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto Kunsidis tie por ekzameni la Kandidatojn, D-ro Privat (franca lingvo), S-ro Isbrucker (holanda lingvo), S-ro Edmonds (angla lingvo), S-ro Schamanek (germana lingvo).

Sukcesis en la parola parto de la supera ekzameno (rajtiganta pretigi instruistojn) du kandidatoj, kiuj poste preparos tezon pri donita temo por la skriba parto.

En la parola parto de la ekzameno por atesto pri kapableco (rajtiganta instrui la lingvon) sukcesis sep kandidatoj, kiuj tuj poste faris la skriban parton. La nomoj de la sukcesintoj estos anoncitaj poste.

**Ruĝa Kruco:** La unua faka kunveno de la Ruĝa Kruco okazos sabaton, 9. aŭgusto, je la 10a horo matene, en la Gimnazio Akademia. Raporto pri la progreso dum la lasta jaro, proponoj el diversaj landoj, organizo de la movado por la venontaj kongresoj, ktp.

Geanoj kaj geamikoj de la Ruĝa Kruco en la tuta mondo estas respektplene petataj ĉeesti tiun gravan kunsidon.
Rodolfo Horner, delegito de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco.

**Tolstojanoj!** Ĉiuj partoprenantoj de l' Kongreso, kiuj sin interesas por Tolstoj, estas invitataj viziti la Tolstojvilaon, la vilaon kun la Esperantostelo en Wien, XVIII., Hockegasse 71, kaj la en ĝi troviĝantan Tolstoj-bibliotekon, la al Tolstoj dediĉitan publikan sidbenkon kiel ankaŭ la belan vidaĵon de Vieno kaj ĉirkaŭregiono, prezentiĝantan de tie. Dimanĉe, la 10-an de aŭgusto, je la 3-a horo atendos ĉe la eniro de Koncert-Palaco unu sinjoro kun la verda Tolstojflago tiujn, kiuj dezirus kune veturi al la Tolstojvilao en Pötzleinsdorf, atingebla per la elektra tramvojo en 40 minutoj.

**Internacia Ligo de Esperantistoj Poŝt- kaj Telegrafoficistoj (Ilepto).**

Raporto de la kunveno de la 7 de aŭgusto je la 15 horo.

Provizora kunveno. 15 personoj ĉeestas. Prezidas sro Spielman vicprezidanto de ilepto.

Sro de Marich ĝenerala direktoro de „la tutmonda polica ligo" kaj sro Fuchs, reprezentanto de la „tutmonda ligo de la ordo" salutas la kunvenantojn je la nomo de tiuj asocioj.

Dro Spielman salutas je la nomo de la estraro de ilepto kaj deklaras ke la nuna hodiaŭa kunveno estas nur prepara kaj por konigi la tagordon de la grava morgaŭa kunsido. Li resumas la rezultatojn de la pasinta administra jaro kaj la sukcesojn atingitajn. Li ricevis 13.600 subskribojn por la granda petskribo adresita al la poŝtaj administracioj. La ligo adresis petskribon al la poŝta universala kongreso de Stockholm por demandi ke 1. la administracioj povu korespondi esperante; 2. la administracioj rekomendu kaj subvenciu la instruadon de Esp al la junaj gepoŝtistoj; 3. enmetu esperantan angulon en la oficiala gazeto de la poŝta unuiĝo; 4. metu afiŝojn aŭ stelojn verdajn ĉe la giĉetoj kie deĵoras esperantistoj; 5. esperanto estu akceptata kiel klara lingvo en telegrafio. La kunveno decidas sendi telegramon al la kongreso de Stockholm por esprimi tiujn dezirojn.

Sro Spielman konigas ankaŭ, ke la svisa administracio apogos tiun petskribon kaj de nun pagos la kursojn faritajn por la gepoŝtistoj.

Morgaŭ kunveno por diskuti pri la raportoj, la nova statuto, la gazeta demando kaj la kotizo.

La sekretario Courtinat.

**Invito de Ekonomia-Kultura Societo „Wikug".**

La Ekonomia-Kultura Societo „Wikug" aranĝas por la partoprenantoj en la XVI-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien:

I e: la 7-an, 8-an, 9-an kaj 12-an de Aŭgusto:

rondveturojn en luksaj vagonoj de la Urba Elektra Tramvojo sur Ringstrasse, Mariahilferstrasse Schönbrunn on kun vizito de la iam Imperiestraj Apartamentoj en la somerpalaco Schönbrunn kaj de la Schönbrunn'a bestoĝardeno (Menagerie).

Forveturo je la 15-a de Schwarzenbergplatz (antaŭ la Fontano), reveno sur Schwarzenbergplatz je la 19-a.

Prezo por unu persono, kune kun la enirpagoj en Schönbrunn, 55.000 Kronoj.

Biletoj estu aĉetataj en la Akceptejo unu tagon antaŭ la intencita partopreno.

II e: la 7-an, 8-an, 11-an kaj 12-an de Aŭgusto:

rondveturojn en luksaj vagonoj de la Urba Elektra Tramvojo sur Franz-Josefs-Kai, Schottenring, Währingerstrasse kaj en aŭtomobiloj al Kobenzl (kafejo kaj restoracio kun belega ĉirkaŭvido super Wien kaj malproksimen al la Antaŭ-Alpoj).

Forveturo je la 15-a sur Schwarzenbergplatz (antaŭ la Fontano), reveno sur Schwarzenbergplatz je la 19-a.

Prezo por unu persono 55.000 Kronoj.

Biletoj estu aĉetataj en la Akceptejo unu tagon antaŭ la intencita partopreno

III e: la 12-an de Aŭgusto:

rondveturon sur Danubo per speciala luksa ŝipo „Leda" de la Societo por veturado per vaporŝipoj sur Danubo.

Forveturo de Wien al la enŝipiĝejo Weissgärberlände III-a kvartalo (tramvoj-linioj 2, $H_2$ kaj $J_2$) je la 15-a. Veturado en Danubo-kanalo malsupren ĝis ĝia enfluo en Danubon, rondveturado tra la vintra haveno kaj veturado kontraŭflue sur la ĉefa riverego ĝis Nussdorf kaj kunflue ĝis Weissgärberlände, reveno tie je la 18.30 (se la profundeco de akvo estas malfavora, la ŝipo veturas kontraŭflue nur ĝis Reichsbrücke kaj reveturos ĝis Weissgärberlände).

Surŝipe malvarmaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj (bufedo!).

Veturo prezo por unu persono 35.000 Kronoj.

Biletoj por partopreno estu aĉetataj en la Akceptejo du tagojn antaŭ la intencita partopreno

IV e: la 14-an de Aŭgusto:

Veturon sur Semmering'on.

Forveturo en speciala vagonaro de la ŝtataj fervojoj el la Wien'a stacidomo Südbahnhof je 6.20, alveno sur Semmering je la 9-a, promene en la regiono de Semmering, komuna tagmanĝo en Südbahn hotelo, posttagmeze marŝo Maria-Schutz'on, komuna posttagmeza manĝo, reveturo el Schottwien en speciala vagonaro je 19.10, reveno en la stacidomo Meidling je 21.12 kaj en la stacidomo Südbahnhof je 21.20.

Prezo de veturo, kune kun la kostoj de regaloj (matentag-kaj posttagmezaj manĝoj) por unu persono 200.000 Kronoj.

Biletoj estu aĉetataj en la Akceptejo ĝis la 11-a de Aŭgusto

**Ĉiuj ekskursoj okazas kun akompano de gvidantoj spertaj en Esperanto, kiuj donas klarigojn kaj atentigos la partoprenantojn pri la vidindaĵoj kaj la pejzaĝaj belaĵoj.**

---

**Ĵurnalistoj! Raportantoj! Fakestroj!**

**Zorgu pri preciza kaj rapida inform-servo en la „Bulteno"! ĉiuj sciigoj, raportoj kaj aktual-temaj artikoloj venu legeble skribite senprokraste en la manojn de la ĉefsekretario!**

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno**, eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



La kortega palaco
Hofburg — Le palais Impérial — The Imperial Palace



La regado sur maro
Die Macht zur See — La Domination sur mer — The Naval Power



La regado sur tero
Die Macht zu Lande — La Domination sur terre — The Military Power

## Burggarten

(Kastelĝardeno) ĉiutage je la 8ª vespere (se pluvas en la festsalono de Hofburg)

**Sinfoniokoncertoj — Operoj — Kabaredoj.**

Ludas la Viena Sinfonio-orkestro.
Vendado de kartoj en koncert-direkciejo Vindobona, Karlsplatz, vendejhalo, aŭ en Burggarten.

## Bonega tagmanĝo

en la komunaj manĝejoj de **Mittella-A. G.**

Malfermaj dum labortagoj:
I. Himmelpfortgasse 8. — I. Ballhausplatz 1 (Hofburg). — I. Postgasse 9 (alte Postsparkasse). — I. Liebiggasse 6 (altes Korpskommandogebäude). — I. Nibelungengasse 10. — I. Schillerplatz 4. — III. Landstrasser Hauptstrasse 146. — VI. Mariahilferstrasse 88a (Zitahof, I. Stock). — VII Kirchengasse 13. — VIII. Josefstädterstrasse 43. — IX. Porzellangasse 33.

**Malfermaj ankaŭ dum dimanĉoj kaj festotagoj:**
I. Schillerplatz 4. — VIII. Josefstädterstrasse 43.

**Sinanonco ĉe la kuirejestroj!**

**Neniu trinkmono. Neniu alkoholo.**

**Manĝtempo 12ª—3ª, dum dimanĉoj kaj festotagoj 12ª—2ª.**

Manĝajoj povas esti ankaŭ forportataj.

**Prezoj en abono:**

**A-menuo:**
K **4000** (Supo, legomo kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**B-menuo:**
K **8000** (Supo, viando kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**C-menuo:**
**K 11.000** (Supo, viando kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**D-menuo:**
**K 13.500** (Supo, rostaĵo kun aldonaĵoj, farunaĵo.)

Alpago por unuopaj manĝkartoj: por A-menuo K 500, por B-, C- kaj D-menuoj K 1000.

Dimanĉa menuo K 15.000

Krome **apartaj manĝaĵoj** en granda elekteblo kaj je malgranda prezoj.

## Opero-Restoracio kaj -Kafejo

**Wien, I., Operngasse 8**

kontraŭ la Ŝtata Operejo.
Menuoj laŭ fiksaj prezoj kaj laŭ la manĝaĵoj-listo.

## Esperanto-Literaturo

ĉiuspeca el nia eldonejo estas havebla en granda sortimento en la

**Kongresa Librejo.**

Precipe ni atentigas pri niaj kolektoj

**Esperanta Biblioteko Internacia**

**Nova Esperanto-Biblioteko**

kaj pri nia gazeto

**Germana Esperantisto**

(Specimenaj numeroj en la Kongresa Librejo)

**Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H.**

**Berlin kaj Dresden.**

## Aŭstruja Akcia Societo por Aeroplanvojaĝoj

**Ĉiutagaj Flugoj de**

| | | Prezoj de flugo: | |
|---|---|---|---|
| Wien | München'on | Aŭstr. $K^{oj}$ | 900.000 |
| | Nürnberg'on | „ „ | 1,350.000 |
| | Frankfurt'on | „ „ | 1,950.000 |
| | Zürich'on | „ „ | 1,760.000 |
| | Genève'on | „ „ | 2,350.000 |
| | Budapest'on | „ „ | 400.000 |

**Rondflugoj super Wien kaj la Wien'a Arbaro**

(Daŭro proks. 20 minutoj) Prezo Aŭstr. $K^{oj}$ 150.000 por unu persono

En Junkers plenmetalaj Limuzinoj

Flugbiletoj kaj Informoj en „Oesterreichisches Verkehrsbureau", Wien I, Friedrichstrasse 1

Telephon 52-5 90

## Fabriko de Fortepianoj

## Pallik kaj Stiasny

**Wien, VII., Neubaugasse 68.**

Telefono 32-4-59, 34-5-15.

Pianinoj, koncert-fortepianoj kun angla aŭ Wien'a mekaniko, bonega kvalito.

Fondita 1894.

Honora Diplomo
Jubilea Ekspozicio 1898.

## (Aŭstria oficejo por trafiko)

## Oesterreichisches Verkehrsbureau

**Centro Wien, I., Friedrichstrasse Nr. 1**

(kontraŭe de Sezession)

Telefono: 52-5 90 Serie. Telegramadreso: Austriaverkehr.

Filioj kaj reprezentejoj en- kaj eksterlande entreprenoj por ŝipaj kaj aeroplanaj veturadoj. — Ŝipkomunikoj al ĉiuj gravaj havenoj. — Propra banko. — Societaj kaj aŭtomobilaj vojaĝoj. — Informoj pri ĉiuj vojaĝ-aferoj.

De la 7ª Aŭgusto propra servado en Konzerthaus (Kongresejo).

## Anglo-Austrian Bank Limited

**London, 24. Lombard Street, E. C. 3**
**Vienna Representation I. Strauchgasse 1**

Capital Authorized . £ 2,000.000
Capital Issued . . . „ 1,406.370
Reserves . . . . . . „ 375.156

Telegrams: Anglobank Vienna — Telephone: 63570

**21 monsanĝejoj en Vieno**

Sidlokoj:

Aŭstrujo: Baden ap. Wien, Bregenz, Gmünd. Graz, Graz-Hauptbahnh. (ĉefa stacidomo), Innsbruck, Krems, Laa a. Th., Linz, Mariazell, Semmering, St. Pölten, Villach, Villach-Bahnhof (stacidomo), kaj Velden ĉe Wörthersee, Wels, Wiener Neustadt. — Jugoslavujo: Maribor. — Hungarujo: Budapest, monŝanĝejoj: Calvinplaco kaj Elisabethring. — Italujo: Trieste. — Rumanujo: Czernowitz, Grosswardein.

Ĉiubankaj transakcioj estas efektivigataj

## VIAN VOJAĜPAKAĴON

asekuras kun la plej favoraj kondiĉoj

**„DER ANKER"**

ĝenerala Akcia Societo por Asekuroj

**Wien, I., Hoher Markt 10/11** Tel. 66-5 55 Serio.

## Vojaĝoficejo „Klea"

**Wien, VI., Mariahilferstrasse 85/87**

**(en la komercejo „Klea")**

Tel. 54-27 kaj 64-72.

Veturbiletoj laŭ ĉiu direkto de en- kaj eksterlando, veturbiletoj por ĉiuj vaporŝiplinioj, asekuro de pakaĵoj ktp.

**Seninterrompa servo (ankaŭ sabate) de la 9ª ĝis la 17ª**

## Restoracio Francisko Falk

**„ZUM STADTPARK"**

**I. Kolowratring 1, apud la Urba Parko,**

nur unu minuton de la Kongresejo „Konzerthaus", rekomendas al la kongresanoj sian bonegan manĝotablon tagmezan kaj vesperan. Moderaj prezoj kaj bona servado, distinga biero kaj bonaj vinoj.




**Laŭda Kanto**

pri

**Farina „Gegenüber"**

dem Jülichsplatz (kontraŭ Jülichplaco)

La plej Malnova kaj la plej Bona

**KOLNA PARFUMAKVO**

**Grandaj Vendoj**
**Favorprezoj de Objektoj**
**Mastrumaj kaj Vestaj**

## Stafa A. G. Zentralpalast

**VII., Mariahilferstrasse**

**Ecke Kaiserstrasse.**

# Entreprenoj de la Komunumo Wien

## Gewista

Urba Anonca Entrepreno, Wien, I., Jasomirgottstrasse 2 - - - Telefono No. 60-5-60 serio

## Urbaj Elektraj Tramvojoj

Komenco de veturoj je la 6ª de Ring, fino de veturoj je la 24ª de Ring. 2700 vagonoj ĉiutage uzataj, 73 linioj. Unuforma prezo de veturo dumtaga 1700 K. Linioj interrilatantaj la Wien'ajn stacidomojn: Westbahnhof—Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof—per la linio 5; Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof per la linio 15; Westbahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linioj 18 kaj 118; Tabor—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio O; Franz-Josephs-Bahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio D. Post la fino de la regulaj, veturoj dumnoktaj sur la rondlinio pasanta preter ĉiuj stacidomoj ĝis la 1ª nokte. — Al la Foir-ekspoziciejoj: Al la ĉefa pordego de Rotondo per la linioj A kaj Ak; veturo sen vagonŝanĝo de Rotondo (ĉefa aleo en Prater) al la Foir-palaco per la linioj $H_2$, L kaj (dum Foir-tempo) M. — La plej bona veturo al la somerloĝejoj en la Wienerwald-(Arbar-)regiono dum 25 minutoj de Ring: Neuwaldegg'on (linio 43), Pötzleinsdorf'on (linio 41), Nussdorf'on (linio 36), Grinzing'on (linio 38) kaj Sievering'on (linio 39). Eksterurbaj linioj 260 kaj 360 de Mauer, Rodaun'on, Perchtoldsdorf'on kaj Mödling'on kun rekta interrilato de la linio 60. Intervaloj de vagonaroj 15 kaj 20 minutoj, daŭro de veturo al la sportejoj kaj al la vetrajdejo Freudenau.

**Aŭtomobiloj-Omnibusoj.** Veturoj dumtage (labortagoj) de 7.45 ĝis 19.45 sur la linio Schottengasse—Graben—Stefansplatz—Rotenturmstrasse—Schwedenplatz; intervalo de omnibusoj 3 minutoj. Veturoj dumnoktaj de la 0ª ĝis la 3ª de Stefansplatz ĝis la stacidomoj Nord-, Süd- kaj Franz-Josephs-Bahnhof, Hietzing'on, Hernals'on, Gersthof'on kaj Döbling'on. — Specialaj veturoj de ekskursantaro per aŭtomobila omnibuso dumtage kaj dumnokte. Mendejo: IV., Favoritenstrasse 9. Telefono 52-5 80 serio

## Urba Gasfarejo

**Direkcio kaj konstant ekspozicio: Wien, VIII., Josefstädterstr. 10, Telefono 24-5-20 serio.**

Nombro de konsumantoj: la 31ªⁿ de Aŭgusto 1919ª: 239.085
la 15ªⁿ de Majo 1924ª: 288.000

**Fabrikajoj:** Gaso, ekonomia hejtigilo por mastrumoj kaj metioj, Koakso, 5gradoj de koaksera grandeco. Benzolo por motoroj, por komerca uzo kaj plenpura, pura Toluolo, Solve-Nafto, kruda Nafto, ŝtonkarba gudro-peĉo.

Fakaj konsultoj senpagaj pri ĉiuj specoj de gasuzado.

## Urbaj Elektrofarejoj

**Direkcio: Wien, IX., Mariannengasse 4, Telefono 24-5-40.**

Nombro de konsumantoj la 31ªⁿ de Aŭgusto 1919ª: 158.878
la 1ªⁿ de Majo 1924ª: 338.000

Prezo de unu Hektowat-horo lumelektra 520 Kᵒʲ, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
La plej malkara lumigilo! Altiĝo de la lumprezo kompare kun tiu antaŭ la tutmonda milito nur ĝis la 7428-oblo!
Prezo de unu Hektowat-horo fortelektra 280 Kᵒʲ, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
Aranĝo de instaloj luataj en malgrandloĝejoj, ankaŭ instaloj kun partopagoj en loĝejoj, vendo de lumig-aparatoj, ludono de elektromotoroj, vendo de elektraj lampoj.

**Mendo kaj ricevo: Wien, IX., Mariannengasse 4.**

## Magazenoj de la Urbo Wien

**Publikaj Deponejoj por ĉiuspecaj Konservotajoj. — Disponeblaj por entute 10.000 vagonoj.**
**Adreso por Telegramoj: Stadtlagerhaus Wien.**
**Direkcio: Wien, II., Ausstellungsstrasse. Telefono 42-0-50 Serio, 7 stacioj.**

Modernaj grenmagazenoj kun maŝinaj ekipoj por transporto kaj purigo, establoj por grenpurigo kaj specialigo laŭkvalita, grentransportŝanĝo kun kvar ŝipelevatoroj, transportŝanĝo por unuopaj transportajoj per krano, liberaj de limdepago magazenoj, oficejo de la Centra Limdepagejo, publika pesejo, favorigo de transportoj returnaj.

Tri fervojstacioj: Wien-Lagerhaus, Wien-Winterhafen (vintra haveno), Wien-Speicher (magazeno) Zwischenbrücken.

Tri enŝipigejoj ĉe Danubio.

Kun la Magazenoj de la Urbo Wien estas en interrilato: **Malvarmigejo de la Urbo Wien.**

Ejoj por malvarmigo kaj frostigo kun 8000 kvadrataj metroj da disponebla spaco por konservado de viando, ĉasajoj, birdoj, graso, butero, fiŝoj, ovoj, fruktoj, sudlandaj fruktoj, lakto, biero, floroj kaj alispecaj malvarm-konservotajoj.

Establo por sekigo kaj plikvalitigo de fruktoj. La plej modernaj ekipoj por sekigo kaj plikvalitigo de prunoj, varmsekigo de ĉiuj frukto- kaj greno-specoj, specialigo laŭkvalita de faboj, senkernigo de nuksoj, senŝeligo de pizoj, poluro kaj duonigo, speciala ekipo por sekigo de malgrandaj fruktoj.

## Bierfarejo de la Urbo Wien

Telefono 99-3-20 — Telefono 99-3-21

Rekomendas siajn tre bone konatajn specojn de bieroj, nome:

| | | |
|---|---|---|
| **Spezial Wiener Stadtbräu** | **Wiener Stadtbräu Doppelmalz** | **Borromäusbräu** |
| (hela biero kelmatura) | (malhela biero kelmatura) | (malhela forta biero) |

**Bieroj en boteloj, sendataj en la loĝejon per la liverejo de bieroj botelaj, Wien, III., Baumgasse 47. Telefono 12-23.**
En ĉiuj restoracioj de „Wiener Messe" (Wien'a Foiro) nur la tipoj delikatbieraj el la Bierfarejo de la Urbo Wien estas servataj.

## Urba Instituto por Asekuroj

**Direkcio: Wien, I., Tuchlauben 8 — Telefonoj 67-2-72, 67-401**

Oficejoj en Landoj Aŭstrujaj: Graz, Herrengasse 11 — Linz, Weiguniplatz 8 — Innsbruck, Burgerstrasse 3 — Klagenfurt, Bahnhofstrasse 53 — Salzburg, Faberstrasse 11 — Bregenz, Jahnstrasse 11.

**Negoc-Branĉoj:** Asekuro pro Fajro, Ŝtelo per enrompo, Rabo, Garantidevo, Aŭtomobiloj, Akcidentoj unuopaj kaj kolektivaj, dumvojaĝaj, Vitrorompo, Vivo kaj Rento. — Asekuroj por Transporto, Maŝinrompo, pro Hajlo ktp. plej kontenige estas perataj.

Proprajo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

Prezo 3000 a. K.

# Kongresa  Bulteno



**Oficiala Organo de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924**

**Redakcio:** Koncert-Palaco, Wien, III., Lothringerstr. 20.

**Redaktoro:** Dro Emil Pfeffer.

**Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!**

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

**Numero 4.** **Wien-Vieno, sabato, 9. Aŭgusto 1924.** **Aperas ĉiutage.**

*„Ni komencu la grandan feston, por kiu ni ĉiuj kunvenis el la diversaj landoj de la mondo; ni ĝoje pasigu nian grandan ĉiujaran semajnon de la pure homara festo. Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro. Por ni estas gravaj ne iaj bagatelaj eksteraj detalaĵoj de nia lingvo, sed ĝia esenco, ĝia ideo kaj celo, tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa vivado, pri ĝia senhalta kreskado. Granda estas la diferenco inter homo-infano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank' al nia diligenta gardado la lingvo fortike vivos, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj niaj nepoj benos nian paciencon.“*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

## Evoluo aŭ stagnacio?

### La timo pro novaj vortoj.

de Prof. P. Christaller, Stuttgart.

Multaj esperantistoj timas pro novaj vortoj. Unu el ili en Esperanto Triumfonta (No. 155) kondamnas ĉiun, kiu kreas novan vorton. kaj eĉ nomas lin malamiko kaj perfidulo de nia lingvo. La fervora bonulo, laŭ sia nescio, ne pripensis, ke li kondamnis personojn, kiuj tre, tre multon faris por nia afero, ekz-e rektoron Boirac, la multjaran prezidanton de la Lingva komitato, d-ron K. Bein, la eminentan verkiston. La kritikinto proponas, ke oni havu en vortaroj nur la oficialigitajn vortojn kaj tiujn, kiujn nia majstro krome uzis. Nu, ĉar tiu dua fonto ne plu funkcias, ni do havu lingvon ŝtoniĝantan, tio estus morto de nia lingvo. Mortintaj lingvoj estas ili, kiuj ne plu evoluas. Sro B, la kritikinto, ŝajne ne scias, ke nia majstro en ĉiu grandeta verkaĵo aŭ tradukaĵo uzis novajn vortojn, kaj ke li iam skribis: „ne miru, ke en miaj tradukoj de la klasikaj verkoj vi trovos iufoje lokon, kiu en la unua momento ŝajnos al vi ne tute klara. Se mi volus doni nur tradukojn kun tute populara stilo, tiam mi devus: a) elekti por traduko nur verkojn popularajn, b) ĉiujn ne perfekte kompreneblajn aŭ ne facile tradukeblajn frazojn tute elĵeti, aŭ traduki ilin libere laŭ mia plaĉo. Tia maniero de agado estus por mi tre oportuna kaj postulus de mi multe malpli da tempo, ol mia nuna maniero de tradukado, kiu ofte devigas min longe mediti pri tiu aŭ alia esprimo aŭ frazo. Sed kvankam la ŝajna valoro de miaj tradukoj tiam multe pligrandiĝus, ilia efektiva valoro malgrandiĝus, ĉar: 1) nia literaturo konsistus tiam nur el verkoj malgravaj; 2) la tradukoj estus ne fidindaj kaj donus malĝustan kopion de la tradukita verko; 3) nia lingvo ne riĉiĝus kaj ne disvolviĝus. Precipe pri tiu ĉi tria punkto mi volus atentigi niajn verkistojn: estas tre dezirinde, ke ni ne evitu malfacilajn tradukojn, sed kontraŭe ke ni ilin serĉu kaj venku, ĉar nur tiamaniere nia lingvo plene ellaboriĝos. Naciajn idiotismojn, kiuj ne prezentas necesaĵon, ni devas kompreneble eviti kaj ni devas peni traduki ilian sencon en maniero plej logika kaj internacia; sed tiajn esprimojn, kiujn ĉiu lingvo nepre devas posedi, ni devas peni en tiu aŭ alia maniero nepre traduki, sed ne simple eviti ilin, pro timo, ke nia esprimo eble ne plaĉos al la legantoj aŭ ne ĉiuj ĝin tuj bone komprenos. Unu el la plej ĉefaj taskoj de niaj verkistoj devas esti la ellaborado de la lingvo: tial, se ia esprimo, kiun ne ĉiuj tuj komprenas (ekzemple „elrigardi, subaĉeti“ ktp.), ŝajnas al ili nebona, ili devas peni anstataŭigi ĝin per esprimo pli bona: sed se ili, por ne malbeligi sian stilon, simple evitos tiujn frazojn, ili faros al nia lingvo tre malbonan servon. Kompreneble, en ĉi tio, kiel en ĉio alia, devas esti observata la deca mezuro Ne tro krude, ne tro multe per unu fojo! Novaj esprimoj devas esti enkondukataj, nur iom post iom, nerimarkeble. Krom tio ni devas memori, ke nia lingvo devas servi ne sole por dokumentoj kaj kontraktoj, sed ankaŭ por la vivo; tial ofte (precipe en vivaj dramoj) pli bona estas frazo ne tute logika kaj ne perfekte preciza, sed mallonga kaj viva ol frazo perfekte preciza, sed enuige peza kaj tre kabineta.“ (La Revuo, vol. 2a pĝ. 95, komparu ankaŭ Lippmann, Lingvaj Respondoj de Dro Zamenhof, n-o 102.)

Sro B. eble neniam verkis krom privatajn leterojn aŭ similaĵojn, alie li parolus alimaniere. Estas ja facile, nenion fari krom kritiki la farantojn. Kion li farus, se li devus ion skribi pri zoologia temo, se li ne havas vortojn kiel „mandrelo, pumo, tapiro; marabuto alcedo, ortolano“? en alia verkaĵo li verŝajne ne rajtus uzi „Islando. Irlando, flandro, svedo, dano, norvego, kafro“. ĉar ili ne estas oficialaj. kaj ĉu la majstro en iu presitaĵo uzis tiujn esprimojn mi ne certe scias kaj verŝajne ankaŭ sro B. ne scias. Mi citas kelkajn pliajn vortojn, malpermesatajn laŭ sro B.: epilobio, latiro, origano, sikomoro; diorito, radiumo, sienito; anodo, ergo, omo, pilo, relajso, kapacito, tensio; lenso, pantografo, periskopo, teodolito; integralo, kvadranto; izobaro, perigeo, Uranuso; feto, rektumo, kondilo ktp. Por „abako“ li ekzemple ĉiam devus diri „surkapitela tabulo“! En E. Triumfonta n-ro 152 iu kontraŭis la vorton „vando“, li diris, ke „muro“ sufiĉas, ke se necese, oni aldonu „ligna“ aŭ „masonita“. Sed kion li aldonos, kiam li parolas pri vandeto, kiu disigas en iaj semujoj la unuopajn kernojn aŭ grajnojn? Eble haŭta mureto? Mi ridas kaj preferas Esperanto-mortigan „vando“. Kompreneble apud tiu vorto ankoraŭ „septo, pario, parieto“, kiujn oni trovas, ŝajnas al mi superfluaj, tamen mi volonte akceptas „pario“ — laŭ Verax — en la senco de surfaco de vando (germane Wandung, Wandfläche).

Ke en vortaroj estas ankaŭ vortoj ne-oficialaj aŭ ne uzitaj de Zamenhof, tion mi juĝas eĉ necesa, ĉar la „epidemio“ ekzistas, oni do devas kalkuli kun ĝi. Nu, en tia kazo, ĉu ne estas pli bone, ke oni trovas en vortaro la vortojn, kiujn jam uzis verkistoj, ol ke ĉiu ĉerpos vorton laŭ sia plaĉo, ne sciante, ke iu alia jam uzis formon pli taŭgan por tiu sama ideo. Certe! estas eĉ devo de vortaristo, konigi la jam uzitajn vortojn ne oficialajn. Nur li nepre montru per iu signo, ke la rilata vorto ne estas oficiala. Tiam ĉiu timulo povas eviti ĝin aŭ per suba rimarko klarigi la esprimon.

Multaj opinias, ke nur la Lingva Komitato proponu novajn vortojn, aŭ — laŭ E. T. 152 — ke la verkistoj demandu ĉe la L. K., ĉu ili rajtas uzi tiun aŭ tiun vorton. Tio estus volapüka maniero, laŭ kiu la aŭtoro pri ĉio decidis. Zamenhof saĝe lasis liberon al la vivo, eĉ — kiel supre citite — li instigis la laborantojn por la lingvo, ke ili helpu ĝin evoluigi. Kia malhelpo estus por verkisto, se li, ekzemple pri radio-telefonio volas ion skribi por gazeto! Skribinte la artikolon, li devus zorge kompari, kiuj vortoj estas oficialaj aŭ Zamenhofaj, poste li devus sendi la liston de la ne-aprobitaj vortoj al Parizo, de tie oni sendus la liston, eble post kelka tempo — por kunigi la liston kun aliaj similaj, kaj por ŝpari sendkoston — al ĉiuj L. K. anoj, ili voĉ-donus, kaj post unu-du-tri monatoj la verkisto ricevus sciigon pri la rezulto. Tia procedo estus kateno por nia lingvo. La L. K. principe ĝis nun ne proponis ion novan, ĝi nur „kontrolas“, ĝi laŭ bontrovo enlistigas vortojn ofte trovitajn en la Esperanto-literaturo kaj sendas la liston al siaj anoj, ke ili juĝu, ĉu oficialigo estas konsilinda. Oni povas bedaŭri tiun farmanieron (mi mem dezirus iom plian iniciatemon), tamen ĝi havas ankaŭ valoron kaj la lingvo certe ne disfalos, eĉ kiam multaj novaj vortoj serĉas eniron. La uzo de tia vorto tute ne estas eniĝo en la lingvon, ĉar la lingvo vivas kiel iu nacia, kaj la inertemo de la amaso ne facile akceptas la novaĵon. Mi nur citu du ekzemplojn: Zamenhof ofte uzis la vorton „aflikti“, kiu estas tute samsenca kun „ĉagreni“. Mi ne scias la kaŭzon. la nova vorto ne estas pli mallonga, la ideo ankaŭ ne estas tiom ofte bezonata, ke dua esprimo estas dezirinda; eble li estis influata de la deziro de kelkaj, iom malmultigi la ĉapelitajn literojn, kaj li eble kredis, ke la nova vorto forpuŝos iom post iom la malnovan, kaj tiu ĉi fariĝos arkaismo. En la tria aldono al la universala vortaro la vorto „aflikti“ estas akceptita, tamen oni tre malofte renkontas en la nuna literaturo tiun vorton. La „popolo“ ĝin ne akceptis. Simile: laŭ permeso de la L. K. oni rajtas ĉe la adverbaj -aŭ-vortoj uzi la paralelan formon kun -e, kio allasus la pli mallongajn kaj pli belajn formojn „hiera, morga, adii“ ktp. anstataŭ „morgaŭa, adiaŭi“ ktp.; tamen oni preskaŭ neniam vidas la novan formon, kaj mi estas certa, ke uzanto de ili estus riproĉata de s-ro B. kaj kunuloj.

Parolante pri la stelumitaj vortoj en mia vortaro german-esperanta, eldonita en 1923 de Ellersiek kaj Borel, kaj en la sam-ampleksa vortaro esperanto-germana, kies manuskripto nun estas finita, mi certigas, ke tre, tre malmultaj el tiuj vortoj estas novaj, t. e. ne jam ie uzitaj. La plej multaj estas ĉerpitaj el la novaj literaturaĵoj de nia lingvo. Ili estas enmetitaj, eĉ kiam tiu aŭ tiu el ili tute ne

plaĉas al mi; en tia okazo mi metis angulajn krampojn, eĉ kiam la vorto jam estas uzita de Zamenhof (ekz-e la vorto mnemoniko), sed ofte mi ankaŭ forlasis tiajn krampojn — kaj tio ankaŭ jam estas riproĉita — ĉar mi timas tro multe trudi mian personan preferon, mi volonte lasas al la vivo la decidon, ĉu iu vorto estas taŭga aŭ ne. Bedaŭrinde ja ofte la vivo decidas pri iu stranga formo, ekzemple en la germana lingvo ĝi estigis la vorton „Frauenzimmer“ (virin-ĉambro) por „ino“, aŭ „Geizhals“ (avarema kolo) por „avarulo“, aŭ „Junggeselle“ (jun-ulo), kiu povas esti okdek-jara, por „fraŭlo“. Mi esperas, ke tiaj ridindaĵoj, kiuj certe en ĉiu nacia lingvo ekzistas, ne eniĝos en Esperanton, se tamen tiaj eniĝos, tiam nia lingvo ankaŭ en tio montras, ke ĝi estas viva, kaj Zamenhof ja ankaŭ ne timis la jamajn esperantismojn.

Certe ĉiu nova vorto pliriĉigas nian vortaron, kaj posedo de la tuta vortaro fariĝas neeblaĵo por la esperantisto. Sed ĉu tio ne okazas en ĉiu lingvo? ĉu la plej-scia spertulo en iu scienca fako konas ĉiujn vortojn de iu alia scienco? ekz-e ĉu filozofo konas ĉiujn zoologiajn nomojn? mi certe kredas ke ne, nek ke iu multescia scienculo konas la tutan terminaron de masonisto aŭ teksisto.

Do, la „epidemio“ uzi novajn vortojn, ekzistas, kaj mi volonte kredas, ke multaj esprimoj estas uzataj de personoj, kiuj ne sufiĉe konas la jaman vort-trezoron de nia lingvo, estas certe konsilinde, ke oni unue volu ĉerpi el la jam ekzistanta, tamen, kiam la serĉata esprimo estas tro longa, aŭ ankaŭ ne tuj klara, tiam nova, t. e. el naciaj lingvoj ĉerpita vorto estas preferinda. La krioj kontraŭ la epidemio ja havas sian bonon, tamen ili, espereble, ne detenos la laborantojn en nia afero sekvi al sia interna devigo labori por nia lingvo. Kiel ĉiu nacia lingvo konstante riĉiĝas per la postuloj de la pulsanta vivo — antaŭ cent jaroj oni ekz-e ne konis la ideon de „striko“ — tiel ankaŭ Esperanto devas riĉiĝi, ju pli ĝi penetras en la diversajn fakojn de homa agado, alie ĝi havus lokon apud lingvoj de sovaĝuloj, kiel ekz-e iu azia lingvo por „cerbujo“ akceptis la vorton „pensoj-skatolo“.

Resume: trankviliĝu ili, kiuj timas disfalon kaj pereon de nia lingvo, trovante sur ĉiu paĝo de nova literaturaĵo vorton, kiun ili ankoraŭ ne konas. Certe ne ĉiu nia samideano povas aĉeti la plej enhavan vortaron esperanto-sialingvan, sed ni ja havas niajn gazetojn, en kiuj oni rajtas demandi pri la signifo de tiu aŭ alia vorto. Niaj redaktoroj certe volonte respondos, kaj per tia kunlaborado la intereso per la gazeto pliviglïĝas. Nia lingvo ne havas tiom malfortajn krurojn, ke kelkaj ne-kutimaj vortoj ĝin faligu, pro ili la mondo ne suferos nek nia amata Esperanto.

## Diversaj Informoj.

**Esperanto ĉe la Viena gazetaro.** Multaj eksterlandaj samideanoj, konsciaj pri la gravega rolo, kiun ludas la perioda preso por la antaŭenigo de nia movado, demandis, kiel staras ĉi-rilate la afero en Vieno. Ni povas doni al ili la plej ĝojigan respondon. Nia movado estis en Vieno ĉiam priatentata de la gazetaro, sed nun oni rimarkas, ke la XVI-a treege imponis kaj surprizis la Vienajn ĵurnalistajn sferojn. Ĉiuj ĉefaj gazetoj publikigis kaj konstante publikigas plu varmajn, eĉ entuziasmajn bonven-artikolojn. La hieraŭa „Stunde“ prenis nian kongreson, la senperecon de l' interkompreniĝo, kiel okazon, por ekataki la oficialajn sferojn de Germanujo, kiuj per la „interpretista skandalo“, menciita hieraŭ en nia ĉefartikolo, forte malutilis al sia popolo. Ne estas eble citi ĉiujn el la 18 plej gravaj ĵurnaloj de Vieno — ni diru nur, ke la gazetaro Viena, sen konsidero pri ĝia partia aparteneco, ekkomprenis kaj forte akcentas precipe la politikajn kaj etikajn konsekvencojn de l' Esperantismo; tio estas antaŭ ĉio ĝojiga. En la kongresejo funkcias por la nacilingvaj ĵurnalistoj pres-informa oficejo, vigle uzata, kaj gvidata nuntempe de la sperta sam. Ultmann. Fine ni menciu, ke ankaŭ redaktoroj kaj korespondantoj de gravaj eksterlandaj ĵurnaloj, venintaj al la XVI-a kun kritikema scivolemo, jam konvertiĝis sub la influo de tiu impresanta spektaklo, kiun prezentas la anoj de 43 nacioj, en frata solidareco interbabilantaj en la Kongresejo. Do ni estu kontentaj, ĉar la tutmonda nacilingva perioda preso estas la ŝtupetaro por la definitiva triumfo de nia ideo!

**Invito al la XVI-a.** La Loka Kongresa Komitato ricevis la sekvantan invit-leteron de la Unio de Internaciaj Asocioj (Union des Associations Internationales) en Palais Mondial en Bruselo por la Tutmonda Kongreso de internaciaj organizaĵoj, okazanta la 8-an de septembro:

Sinjoroj! Ni havas la honoron inviti vin al la Konferenco de Internaciaj Asocioj okazonta en Ĝenevo la 8-an de Sept.

Niaj bultenoj informis vin regule pri la aktualeco de novaj laboroj de la asociitaj organizacioj pro komuna kunlaboro, komencita en la unua kongreso de Internaciaj Asocioj (Congres Mondial) en 1910, daŭrigita en la kongreso de 1913 kaj 1920 kaj evoluigita en la konferenco de 1921 kaj 1922.

Niaj lastaj bultenoj ankaŭ informis vin pri la peniga sperto, kiu estis okazigita al ni, flanke de la belga guvernemento. Laŭ formala konsento estis permesate al ni, starigi en Bruxelles la „Palais Mondial“ kiel komunan ejon de la Asocioj kaj Centro de la Internacia intelektularo. Subite oni forprenis de ni la domon, en kiu amasiĝis niaj kolekcioj kaj estis efektivigataj niaj laboroj. La raporto, kiun ni sendas al vi, entenas mencion de historia fakto kaj helpdokumentojn.

Intertempe konstante disvastiĝas tra la tuta mondo la internacia movado pozitiva kaj organizema. Senĉese laboras la asocioj por organizi la internacian vivon kaj por protekti ĝin kontraŭ minacantaj danĝeroj. La kontakto, la interŝanĝo de deziroj, la kooperacioj kaj koordigo estas grave necesaj inter la asocioj kaj inter tiuj, kiuj prizorgas la direkcion. Ĉi-tiuj estas precipe la objektivaj punktoj, postulataj de nia Unio kaj de la mondkongresoj.

La programo de la konferenco havos la sekvantajn tri punktojn:

1. Raporto ĝenerala pri la aktuala internacia vivo kaj pri la laboroj kompilitaj de la grandaj internaciaj asocioj.
   a) specialaj raportoj de la unuopaj asocioj,
   b) ĝenerala raporto de la Unio.
2. Kreo de interrilatoj inter oficialaj organizacioj internaciaj kaj de privataj; Rolo de regnaj asocioj, de la Ligo de nacioj, de la kooperativa komisiono de intelektuloj kaj de panamerika unuiĝo.
3. Rekonstruo sur larĝa kaj solida bazo de internacia centro kaj de institutoj, laborantaj en Palais Mondial. Ĉi-tiu-cele: a) evoluigo kaj apliko de statutoj, kreitaj de la konferenco 1922-a, b) eventuala modifo de la statutoj de l' unio kaj ŝanĝo de ĝia sidejo (Geneve, La Haye, Paris, Rom aŭ Washington); c) ligo inter la centro kaj la nacioj organizacioj celantaj la studon de internaciaj aferoj kaj laborantaj por ĝi.

Ĉiuj internaciaj organizacioj estas invitataj sendi delegitojn al ĉi-tiu konferenco, por ke iliaj komitatanoj povu persone kunhelpi en la kunvenoj. La regularo de la konferenco reviziota en la malferma kunveno estos la sama kiu estis en la plifruaj kunvenoj. La regnoj kaj la unuiĝoj de regnoj estas invitataj sendi delegiton. La nacioj organizacioj, kiuj okupas sin en diversaj landoj per la ĝenerala evoluigo de internaciaj aferoj estas invitataj sendi delegitojn „ad audiendum“. Unu administra kunsido rezervita por la membroj de la unio okazos dum la konferenco por aŭskulti la raporton de la ĝenerala sekretario, por aprobi la kalkulojn kaj efektivigi la laŭstatutajn elektojn.

Sinjoroj, ni esperas, ke vi volonte akceptos la inviton, senditan al vi kaj ni estus tre feliĉaj, se vi nin tuj konfirmus pri tio. Akceptu la esprimon de nia plej distinga respekto.

La ekzekutiva komitato

P. Otlet, H. La Fontaine.

## Al ĉiuj kongresanoj!

**Dimanĉe je la tria posttagmeze aranĝas la junularo komunan marŝon al Schönbrunn. Kunveno antaŭ la kongresejo.**

## Felietono

### La bonfaranto.

(Daŭrigo.)

Kiam li la 14-an de oktobro 1937 alteriĝis en Nov-Jorko, ŝajnis al li, ke ĉio ĉi estis sonĝo nur de unu nokto.

Li volis fari la dankviziton ĉe Mr. Charles M. E. Chugge, sed lia amiko, la pentristo, diris: „Atendu, li sendos al vi inviton.“

La 18-an de oktobro li estis denove en Nov-Orleano. Li venis en sian malnovan loĝejon kaj estis terurita pro ĝia malvasto, senlumeco kaj mankpleno. Sed li elpakis senvorte la kofrojn kaj provizis la loĝejon per ĉiuj bonoj, kiujn li akiris dum la vojaĝo: Per persaj tapiŝoj, hungaraj brodaĵoj, japanaj lignogravuroj, ĥina porcelano, franca silko, anglaj teomaŝinoj, turkaj fumadobjektoj, kestoj kun papilioj el Brazilio, elŝtopitaj kantbirdoj el Hindujo kaj cent aliaj brilantaj trezoroj.

La 20-an de oktobro li ricevis la ordonon, la 22-an rekomenci sian servon en la minejo, ŝakto VII, tria etaĝo. Li rememoris subite la interkonsenton, pensis pri la Pinkertonanoj, kiuj aliokaze prenus lin perforte, kaj iris.

La 22-an de oktobro li sidis denove profunde malsupre en la ŝakto, duonnuda, kun brusto fulgokovrita, sur kiu gutis malsupren la ŝvito, tute soleca, nur kun sia malgranda lampo apud si, kaj — tie ĉi li devis resti dum dekunu horoj! Li aŭdis la gutadon en la malseka, nigra ŝtonaĵo, li aŭdis el malproksimo la batojn de siaj kamaradoj, li manĝis sian panon el la nigra pugno. Meze en la malluma soleco de la ŝakto li vidis subite la oceanon en matena lumo, la senfinan, helblue radiantan horizonton, la neĝajn regionojn de Norvegujo, la karnavalon de Nizza kaj li aŭdis subite ĉiujn orkestrojn de Parizo.

Li martelis kaj martelis. Kaj la dekunu horoj pasis efektive.

Francis Rooth estis ankaŭ post la laboro tute sola. Li havis nenian volonton por paroli kaj tion oni klarigis al si kiel arogantan fierecon.

Li parolis kun neniu.

En la tria tago li estis subite vokita supren el la ŝakto. Mister Charles M. E. Chugge atendis lin en la kontoro de la direkcio. Ĉu li ne devas transvestiĝi? Ne. Des pli bone. Mister M. E. Chugge volas lin vidi ĝuste en la vestaĵo de ministo.

Nur malgrandan memoraĵon por sia bonfaranto volis Francis Rooth rapide preni el sia loĝejo. Tio estis farita en unu minuto.

Francis Rooth vidis en la kontoro de l' mineja direkcio sian bonfaranton M. E. Chugge je la unua fojo. Ĝi estis senenergia, pala, korpulenta viro, formale kuŝanta en mole remburita seĝo. Lia spongeca vizaĝo ŝajnis dormema. La ŝvelforma mano salutis apatie.

„Volu sidiĝi, Mister Rooth, kaj rakontu al mi, kiel vi fartas!“

„Dankon, mi preferas stari. Ĉu vi deziras detalan priskribon aŭ nur en ĝeneralaj trajtoj? Ĉu mi devas komenci de la enŝipiĝo?“

La spongeca vizaĝo ridetis apatie. „Sed ne, ne, ne! Kiel vi nun fartas, volu rakonti al mi.“

Francis Rooth jam pli frue antaŭsentis, ke la miliardulo ne demandos lin pri liaj travivaĵoj dum la mondvojaĝo. Pro tio li metis en la poŝon la malgrandan memoraĵon. Sed pro singardo li demandis ankoraŭ unufoje:

„Ĉu mi rakontu pri Hindujo — pri la nordaj noktoj — pri niaj tigroĉasoj en Bengalio?“

La pala, grasa vizaĝo ridetis ankoraŭ pli apatie kaj la ŝvelforma mano montris per la dika montrofingro al la tero: „Nur tion, estimata, nur tion . . . kiel vi nun . . . post ĉio . . . fartas . . . tie profunde en la ŝakto, kie vi vivos la sekvantajn dek jarojn.“

Estis silente en la kontorĉambro.

Francis Rooth ŝovis la manon en la poŝon, kie kuŝis la memoraĵo, eltiris fulmrapide revolveron kaj mortpafis sian bonfaranton Mr. Charles M. E. Chugge per tri boncelitaj pafoj. Unu krakis en la fruntkavernon, du trafis en la ventron.

Kiam li al la ĵuruloj de Nov-Orleano rakontis pri sia mondvojaĝo kaj pri la interparolo kun sia bonfaranto, li estis liberigita unuvoĉe.

Stefan Grossmann.

### La libelo.

En la pranebuloj sidis Dio kiel la centro de l' universo kaj sonĝis sian sonĝon de kreado.

Sonĝis bildojn en la grizecon de l' pramaterio, bildojn, kiuj estis steloj, sunoj, maroj kaj insuloj, arbaroj, birdoj, fiŝoj, herboj kaj ŝtonoj.

La pranebuloj, kiuj estis preterpasantaj, disfluadis, por sin formi denove, la steloj tamen kaj la sunoj, la maroj, kontinentoj, la floroj kaj arboj, birdoj kaj fiŝoj estis kreitaj. Kaj kiel el brodita rubando povas sin dekroĉi la bildoj, tiel sin dekroĉis la sonĝoj de Dio el la pramaterio; ĉar en ili estis la volo al kreado. Kaj tiel ili elŝvebis kiel formaĵoj eksteren en la spacon kaj sin ordigis.

Kiam Dio el sia sonĝo vekiĝis — pro la multa lumo kaj la koloroj kaj la ĉirpado de birdoj — tiam ankoraŭ grizaj nebuloj sin tiris sur la vojo al kreado kaj ĉiompotenco. Tiujn nebulojn tamen konservis Dio en ilia formo; li lasis ilin, kiel

**La katolika E.-kongreso devos pritrakti jenajn de la kardinalo Piffl aprobitajn proponojn:**

I. De Pro Meŝtan:

1. La katolikaj Esperantistoj klopodu, ke en internaciaj urboj, kiaj estas Romo, Jeruzalemo, Londono, Parizo, Vieno, k. a., la eklezaj aŭtoritatoj devigu oficiale unu aŭ plurajn pastrojn, ellerni perfekte la internacian lingvon Esperanto, kaj okazigu laŭbezone regulajn Diservojn, por ke ili servu la tien are kunvenintajn katolikajn Esperantistojn, kiuj deziras tie plenumi ankaŭ siajn animajn dezirojn.

2. La katolikaj Esperantistoj alstreĉu ĉiujn siajn fortojn kaj ne ŝparu monon kaj oferojn por ebligi la reaperon de la nepre necesa organo „Espero Katolika", benita de la Papoj Pio X-a kaj Benedikto XV-a, kaj protektata de Lia Kardinala Moŝto D-ro Piffl.

Se reapero de „Espero Katolika" ne estos ebla, oni fondu novan organon kun pli granda redakcia stabo.

La redakcio kaj administracio de tiu organo estu gvidataj de apartaj personoj.

II: De S-ro Hookham:

La komisionoj kaj institutoj starigitaj de I. K. U. E. ĉiujare pretigu raporton pri sia pasintjara laboro, kiu raporto estu antaŭmetata al la kongreso.

III. De D-ro Smulders:

1. La Estraro de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (I. K- U. E.) sendu al la Sankta Seĝo humilan petskribon, por ke estu favorata la proceso pri la beatigo de Papo Pio X-a, de kiu la katolika Esperanto-movado jam tuj ĉe sia ekestado ricevis benon, alkuraĝigon kaj la veran katolikan senton.

2. La Naŭa Kongreso de I. K. U. E akceptu la preĝotekston por privata uzado, redaktitan de Pro Meŝtan kaj aprobitan de Lia Kardinala Moŝto D-ro Piffl:

Ho, Dio, ni petegas: donu al Via granda Servanto Papo Pio X-a, kiu surtere celadis ĉion renovigi en Kristo, kaj en tiu sento ankaŭ tiom ofte benis, alkuraĝigis kaj aprobis la ĉiujn naciojn pace unuigantan katolikan Esperanto-movadon, la gloron de Viaj altaroj, kaj al ni ĉiuj la gracon, ke ni vivu laŭ lia sankta ekzemplo, pligrandigu Vian Dian gloron, kaj ĉiam nin montru fidelaj gefiloj de la sankta katolika eklezio. Per Jesu' Kristo, nia Sinjoro. Amen.

IV. De S-ro Schendeler:

La dum „Nia Oka" starigita „Katolika Inform-Oficejo" (K. I. O.) prizorgu ankaŭ la recenzadon de la Esperantaj verkoj, precipe de tiuj, kiuj estas danĝeraj por la Kredo aŭ la bonaj moroj. Ĝi ankaŭ liveru kritikon al artikoloj, eventuale aperantaj en Esperanto-periodikoj, en kiuj oni primokas nian sanktan religion aŭ ĝiajn institutojn. Tiujn recenzojn kaj kritikojn ĝi aperigu en nia organo aŭ en apartaj broŝuroj.

**Kristanaj Esperantistoj:** La du kunsidoj de la Kristana Esperantista Ligo Internacia ĝojige prosperis.

Per la lumbilda parolado de S-ro Horner, Genève, estas klare montrite, ke la Universala Interligo de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj nepre bezonas por siaj servoj en la tuta mondo praktikan internacian helplingvon kiel estas Esperanto.

En la ĝenerala faka kunveno, prezidita de S-ro Hübner, Anedling, oni decidis sendi invitojn al ĉiuj Kristanaj internaciaj societoj, ke ili sendu delegitojn al la venontaj kongresoj. — La Universala Komitato de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj, sekve de la propono de profesoro Pierre Bovet de la universitato de Genève, decidis doni lokon al speciala esperantista sekcio inter la diversaj lingvaj grupoj ĉe la estonta tutmonda kongreso, kiu okazos dum 1926 en Helsingfors, Finlando. — Kiel delegitino de la Internacia societo de la Kristanaj Asocioj de Junaj Virinoj F-ino Löwen, Wien partoprenis en la fakaj kunvenoj.

**Universala Esperantista Pacifista Ligo.**
**8-VIII-1924.**

Preparan kunvenon ĉeestis hieraŭ la estraro.
Hodiaŭ okazis laborkunsido.

Saluton donis S-ro R. M. Frey. en la nomo de la Aŭstra Esperantista Pacifista Sekcio. Alvenis salutleteroj de la Finlanda Esperantista Pacifista Ligo, la Bulgara Vegetara Asocio, la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco (Genève), La Internacionalo de kontraŭmilitistoj, la Prezidanto de la Aŭstra' Respubliko — Dro. Hainisch, S-ino Marie Hankel el Dresden, kaj la Brita sekcio „Neniam Plu la Milito", k. t. p. Ni havis la ĝojon saluti nian Honoran Prezidanton — S-inon Zamenhof, kiu ĉeestis la kunvenon.

Eksiĝis el ofico, pro manko de tempo, la ĝisnuna sekretario, F-ino Mary Riley: tamen ŝi volis helpi je junulara flanko. Oni elektis ŝin kiel Internacian Junularan Sekretarion. Estis decido de la Kunveno, ke la Centro de la Ligo estu nuntempe en Vieno, kie samideanoj kun taŭgaj facilaĵoj estas pretaj daŭrigi la laboron. Kiel Prezidanton oni elektis S-inon Isbrücker el Hago; kiel Generalan Sekretarion, S-ron R. M. Frey (Wien, III., Bechardg. 14); Kasiston, S-ron Karl Klausnitzer; vic-Kasiston, S-ron T. V. Kasmader, (ambaŭ el Vieno). La Centro estis petata sendi alvokojn al naciaj societoj, ke ili elektu ĉefkomisiitojn en landoj kie ankoraŭ ne ekzistas tiuj.

Laŭ la opinio de S-ino Isbrücker, kaj S-ro J. Glück, subtenata de la kunveno, estas grave necese, ke la Centro estu tute neŭtrala kaj ke ĝi enhavu kiel kunlaborantojn, samideanojn el ĉiuj flankoj de opinioj.

Proponon oni akceptis, ke la Ligo aliĝu al la Tutmonda Pacifista Ligo en Génève: ke de ĉi tiu Ligo, programoj por kunlaborado estu akirotaj, per la Centro, kaj sendotaj al ĉiuj naciaj ĉefkomisiitoj. Ĉe la ferma kunsido raporton donos la antaŭa sekretario pri la jara laboro jam farita en diverslandaj sekcioj (hodiaŭ estas atendataj ankoraŭ kelkaj raportoj, poŝte): tiam ankaŭ, elektita komisiono prezentos skizon de statutoj prizorgotaj dum la Kongreso.

Oni gratulis S-ron Frey pro lia granda laboro por la Pacifista Konferenco ĉe la XVIa.

Ĉiuj ĉeestantoj aliĝis al la Ligo kaj donacis abonojn. Ili decidis, rilate la Pacifistan Manifestacion Publikan, ke ĝi fariĝu tre granda propagando.

Estimataj Samideanoj! — Bonvole venu grand-amase al ĉi tiu solena festo, Lunde, 3.30 p. m! Parolados la nova Prezidanto, S-ino Isbrücker; D-ro Privat; la protektanto, Universitata Profesoro Suess; S-ro Kenn el Hinujo; kaj la nova Ĝenerala Sekretario — S-ro R. M. Frey.

Antaŭen! Al la Universala Paco! — laŭ la Espero de Zamenhof kaj de ni ĉiuj!

(Protokolanto — Mary Riley.)

**Internacia Instruistaro.** Unu el la plej gravaj fakkunsidoj en la kadroj de la XVI-a estis aranĝita hieraŭ en la malgranda koncertĉambrego kaj malfermita de sam. Artur Degen el Leipzig, la prezidanto de l' Esperanto-unuiĝo de la germanaj instruistoj. Geinstruistoj el 14 diverslingvaj landoj plenigis la ĉambregon kaj en vigla diskuto realigis la organizajn laborojn, kiuj inaŭguritaj jam antaŭ 13 jaroj, estis en Praha 1922 rekomencitaj kaj en Nürnberg 1923 energie daŭrigitaj.

En la granda lukto pri la reformo de l' edukado en ĉiuj landoj havas tiu ĉi mondligo de l' instruistoj kompreneble eminentan rolon. La statuto nomas kiel bazon la celadon al paco kaj progreso, kiel celon la unuiĝon de l' edukistoj en la tuta mondo trans la landlimojn laŭ sekvantaj principoj: Lukto pri edukado kontraŭ milito kaj interpopola malamo, reformo de lernejoj laŭ la principoj de racio kaj humaneco.

La ligo uzas ekskluzive Esperanton, havas centran oficejon en Leipzig, propran organon same tie, eldonas jarlibrojn, adresarojn de siaj membroj, pedagogiajn kaj laŭraciajn literaturaĵojn por la infanoj, aranĝos studvojaĝojn, interŝanĝadon de infanoj dum la ferioj k. s.

La estraro konsistas el kvin membroj de diversa nacianeco, nome Boubou-Francujo, Krumpholz-Ĉeĥosl. Resp., Piatti Italujo, König-Hungarujo, Mladinova-Bulgarujo. La redakcian komitaton de l' faka gazeto formas la germana grupo de instruistoj en Auerbach-Falkenstein. La junularan fakon prilaboras aparta komitato, konsistanta el Pfütze-Germanujo, Riley-Anglujo, Ŝupichova-Ĉeĥosl. Resp. Kiel referaton por la venontjara fakkunsido oni akceptis la temon: „Senfaka universala instruado".

La ligo vidas sian ĉefan taskon en tio, ke ĝi servos al la reciproka proksimiĝo de l' popoloj ne per konvinkado de maturuloj, sed per realigo de laŭnatura edukado de la junularo en ĉiuj landoj de la tero.

**Ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto.** La sekvantaj kadidatoj sukcesis en la skriba parto de la ekzameno por Atesto pri Kapableco:

S-oj Courtinat
Prager
Schönrich
Egger
Kimmel
Urban.

Kiuj el la nomitaj ankoraŭ ne ricevis la diplomon, sendu la takson (sv. Fr. 12·50 = 150.000 a. Kr.) rekte al Esperanto-Instituto, Boulv. du Théâtre 12 en Genève.

**Sukceso ĉe la studentoj.** Seriozaj estis la laboroj de la nemultaj studentoj ĉeestintaj la unuan ĉefkunvenon de la studenta fakkonferenco, seriozaj kaj idealismaj. Demandoj organizaj okupis ĉefe la ĉi-unuan kunvenon. La dua pritraktos sciencajn problemojn. Samtage okazos internacia propaganda mitingo.

La kunveno arigis interesan partoprenantaron. S-o F. W. Illing, germana verkisto, kiu prezidis la kunvenon, f-ino Zamenhof, japana studento, jugoslava profesoro kaj Viena docento estis la plej rimarkindaj personoj. Krome bulgaroj, poloj, germanoj, italoj kaj aŭstroj. Senpasie la konferenco ekzamenis la diversajn proponojn pri organizo, kvankam funde diferencaj politikaj konceptoj renkontis unu la alian. Kaj oni fine komunvole decidis fondi la studentan internacian asocion esperantistan kaj loki ĝian centron en Varsovio, en la Zamenhofurbo.

Ĉiujn esperantistojn certe interesas la raportoj donitaj de nia kolego japana pri 20,000 en Japanujo ekzistantaj esperantistoj, de niaj Varsoviaj samideanoj pri ilia asocio havanta preskaŭ 100 membrojn kaj de niaj bulgaraj kaj italaj samfakuloj pri la sukcesaj varbaj laboroj en iliaj universitataj rondoj.

Fine estu menciata, ke krom la kutimaj salutvortoj de la prepara komitato kaj de la prezidanto, alvenis ankaŭ salutletero de lia dekana moŝto de la filozofia Viena fakultato universitata.

La konferenco decidis sendi telegramon al lia rektora moŝto de la Viena universitato, kiu afable honorigis nin per sia protekto.

**Komercaj oficistoj, nova kunveno!** Kunvenis ĵaŭde je la 5-a vespere en gimnazia ĉambro n-ro 20 sole 10 geoficistoj el 4 landoj kaj ĉar estis pritraktotaj gravaj fakaj aferoj, kiuj havas signifon ankaŭ por la cetera movado esperantista, decidis la ĉeestintoj kunvoki denovan kunsidon por sabato, la 9-a de aŭg. je la 10-a horo en la ĉambro n-ro 24. Ĉeesto de ĉiuj komercaj oficistoj nepre necesa kaj certe atendata!

nubojn migri super la tero kaj loĝi inter la pintoj de montoj.

Kaj tiel estis finkreita la mondo. Kaj Adam kaj Eva estis sin kisintaj ...

Cent jarojn poste okazis, ke vermeto venis antaŭ la tronon de Dio kaj atendis tie, ĝis Dio ĝin vidos. Ĝi atendis ne longe; ĉar la Ĉiombona ĝin ekvidis, prenis ĝin sur sian manon kaj demandis pri ĝiaj deziroj.

Ho, bela ĝi volus esti! Tiel bela kiel la ĉielo, tiel bela kiel la maro. De la ĉielarko ĝi volus ankaŭ ion havi kaj de la ĉarmo de l' frua printempo. Ho, kaj de la delikateco de l' unua pasema kiso ĝi tiel arde dezirus ion kun si porti! Kaj kun tiu realigo ĝi volus vivi inter ĉielo kaj tero.

Kion faris Dio?

Li, la Ĉiombona, aŭdis nenian plendon kontraŭ sia verko en tiu petego, li aŭdis nur la laŭdon! Laŭdon por sia ĉielo kaj siaj maroj, por sia kolorarko kiu sin konstruas sur nuboj, por sia ĉarma printempo kaj por la kiso, vekiĝanta sur la lipoj de liaj homoj.

Kaj li ridetis kaj pensis dum kelka momento kaj sonĝis la duan fojon sonĝon de kreado. Kaj vidu! Jen sin elteksis sur la vermeto kolorvariaj flugiletoj, delikataj kiel rigidiĝinta ekspiro; la oro de l' dia trono kaj la blankaj vestaĵoj de Keruboj sin spegulis en ili.

Kaj Dio ekrigardis, ĝojis kaj diris: „Nun flugu!"

La vermeto ekzamenis siajn ĉarmojn kaj elŝvebis el la mano de Dio malsupren al la tero.

Kaj ĝi estis la libelo, tia kia ĝi estas hodiaŭ.

En ĝiaj flugiloj brilas la bluo de la ĉielo, en ĝiaj flugiloj estas la iriso de l' ĉielarko. En ĝiaj flugiloj estas la bluo de la maroj, kaj la suno kaj la luno povas tra ĝiaj flugiletoj lumi kiel tra akvo. Kaj se sin tiuj flugiletoj movas, tiam spireto vibras ĉirkaŭ ili — la maja zefiro vekas tiel la florojn en la horo post noktomezo. Delikataj tamen ili estas, ho, tiel delikataj, ke, kie du sin kisas, per la unua nekuraĝa kio de la juna amo, tia flugileto povus disigi la kison, kiu tamen ankoraŭ estus kaj restus kiso.

*

Kiam vi vidas flugeti libelon, ne penu rabi al ĝi liberecon. Rigardu ĝin, kiel ĝi ripozas sur lagborda junko, blua lumeto, transformanta por momento simplan herberon en miraklofloron!

Artur Anders.

## La muzo de l' poeto.

(Dediĉita al Esperanta Literatura Asocio.)

Ŝi estis tiel bela — li estis poeto,
Malriĉa, nekonata, mizera proleto,
La belon kaj virinan amon avidanta.

Ho venu al mi, mi je vi sopiris,
Li diris al ŝi; kion li deziris,
Ŝi al li donis en senlima amo.

Ŝi estis por li ĉio; servistin' kaj muzo;
Dum tago servistin' en eluzita bluzo,
Muzo dum nokt' en die nuda belo.

Pasioj, kiuj ilin en la amado lulis,
En liaj versoj poste flame brulis,
Kaj en la mizerĉambron venis brile — gloro!

Li ŝin forpuŝis tiam, ĉar ŝin ne bezonis,
Ŝi en la marĉo de l' urbeg' ekdronis,
De la malriĉa poeto la muzo ...

Kaj el grandmondo, post edziĝa peto,
Kiel edzino de l' glora poeto,
Lin sekvis riĉa knabin' al altaro ...

Dum kun edzino sia li promenis,
Ŝi lin rekonis foje kaj eksvenis:
Ĉe stratkruciĝo ŝi staris — sub lampo ...

Nur post momento leviĝis rigardo
Ŝia dolore kun pasia ardo
Al li tra larmoj en la blu-okuloj ...

Kaj tiel laŭta ĝi estis doloro,
Ke la edzino vokis kun angoro:
Ho, kion volas de vi la persono?

Li kisis ŝin kaj diris: Karulino,
Deturnu la rigardon, ĉar malĉastulino
Ĝi estas ia, en kot', evitinda! ...

(Laŭ germana originalo.)

## Ĵus aperis:

**Prof. E. Grosjean-Maupin. — Oficiala Klasika Libro,**

franca, angla kaj germana parto. Prezo: 3 franc. fr.

(Centra Esperantista Librejo — 51, Rue de Clichy, Paris 9.)

Tiu ĉi libro enhavas, krom la 16 oficialaj gramatikaj reguloj, ĉiujn nunajn oficialajn radikojn de Esperanto.

La unua parto enhavas la francan, anglan kaj germanan zorge korektitajn kaj kompletigitajn tradukojn de tiuj oficialaj radikoj, esceptante la radikojn, kiuj estas sufiĉe internaciaj por ne bezoni tradukon.

La dua parto enhavas la internaciajn radikojn, kiuj, eĉ estante netradukitaj, estas ĝenerale kompreneblaj por eŭroplingvanoj.

La tria parto enhavas la esperantlingvan difinon de netradukitaj radikoj.

La kvara parto enhavas rimarkojn por la franc-, angla- kaj germanlingvanoj.

**Ĵurnalistoj! Raportantoj! Fakestroj!**

**Zorgu pri preciza kaj rapida inform-servo en la „Bulteno"! Ĉiuj sciigoj, raportoj kaj aktual-temaj artikoloj venu legeble skribite senprokraste en la manojn de la ĉefsekretario!**

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno**, eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



Akademio de Bel-Artoj kaj la Monumento de Schiller
Akademie der bildenden Künste und Schiller-Denkmal — L'Académie des Beaux-Arts et le Monument de Schiller
The Academy of fine Arts and the Monument of Schiller




La monumento de Mozart
Mozart-Denkmal — Le Monument de Mozart
The Monument of Mozart



La monumento de Gutenberg
Gutenberg-Denkmal — Le Monument de Gutenberg
The Monument of Gutenberg

# Entreprenoj de la Komunumo Wien

## Gewista

Urba Anonca Entrepreno, Wien, I., Jasomirgottstrasse 2 - - - Telefono No. 60-5-60 serio

## Urbaj Elektraj Tramvojoj

Komenco de veturoj je la 6ª de Ring, fino de veturoj je la 24ª de Ring. 2700 vagonoj ĉiutage uzataj, 73 linioj. Unuforma prezo de veturo dumtaga 1700 K. Linioj interrilatantaj la Wien'ajn stacidomojn: Westbahnhof—Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof—per la linio 5; Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof per la linio 15; Westbahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linioj 18 kaj 118; Tabor—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio O; Franz-Josephs-Bahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio D. Post la fino de la regulaj, veturoj dumnoktaj sur la rondlinio pasanta preter ĉiuj stacidomoj ĝis la 1ª nokte. — Al la Foir-ekspoziciejoj: Al la ĉefa pordego de Rotondo per la linioj A kaj Ak; veturo sen vagonŝanĝo de Rotondo (ĉefa aleo en Prater) al la Foir-palaco per la linioj $H_2$, L kaj (dum Foir-tempo) M. — La plej bona veturo al la somerloĝejoj en la Wienerwald-(Arbar-)regiono dum 25 minutoj de Ring: Neuwaldegg'on (linio 43), Pötzleinsdorf'on (linio 41), Nussdorf'on (linio 36), Grinzing'on (linio 38) kaj Sievering'on (linio 39). Eksterurbaj linioj 260 kaj 360 de Mauer, Rodaun'on, Perchtoldsdorf'on kaj Mödling'on kun rekta interrilato de la linio 60. Intervaloj de vagonaroj 15 kaj 20 minutoj, daŭro de veturo al la sportejoj kaj al la vetrajdejo Freudenau.

**Aŭtomobiloj-Omnibusoj.** Veturoj dumtage (labortagoj) de 7.45 ĝis 19.45 sur la linio Schottengasse—Graben—Stefansplatz—Rotenturmstrasse—Schwedenplatz; intervalo de omnibusoj 3 minutoj. Veturoj dumnoktaj de la 0ª ĝis la 3ª de Stefansplatz ĝis la stacidomoj Nord-, Süd- kaj Franz-Josephs-Bahnhof, Hietzing'on, Hernals'on, Gersthof'on kaj Döbling'on. — Specialaj veturoj de ekskursantaro per aŭtomobila omnibuso dumtage kaj dumnokte. Mendejo: IV., Favoritenstrasse 9. Telefono 52-5-80 serio.

## Urba Gasfarejo

**Direkcio kaj konstant ekspozicio: Wien, VIII., Josefstädterstr. 10, Telefono 24-5-20 serio.**

Nombro de konsumantoj: la 31an de Aŭgusto 1919a: 239.085
la 15an de Majo 1924a: 288.000

**Fabrikajoj:** Gaso, ekonomia hejtigilo por mastrumoj kaj metioj, Koakso, 5gradoj de koaksera grandeco. Benzolo por motoroj, por komerca uzo kaj plenpura, pura Toluolo, Solve-Nafto, kruda Nafto, ŝtonkarba gudro-peĉo.
Fakaj konsultoj senpagaj pri ĉiuj specoj de gasuzado.

## Urbaj Elektrofarejoj

**Direkcio: Wien, IX., Mariannengasse 4, Telefono 24-5-40.**

Nombro de konsumantoj la 31an de Aŭgusto 1919a: 158.878
la 1an de Majo 1924a: 338.000

Prezo de unu Hektowat-horo lumelektra 520 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
La plej malkara lumigilo! Altiĝo de la lumprezo kompare kun tiu antaŭ la tutmonda milito nur ĝis la 7428-oblo!
Prezo de unu Hektowat-horo fortelektra 280 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
Aranĝo de instaloj luataj en malgrandloĝejoj, ankaŭ instaloj kun partopagoj en loĝejoj, vendo de lumig-aparatoj, ludono de elektromotoroj, vendo de elektraj lampoj.

**Mendo kaj ricevo: Wien, IX., Mariannengasse 4.**

## Magazenoj de la Urbo Wien

**Publikaj Deponejoj por ĉiuspecaj Konservotajoj. — Disponeblaj por entute 10.000 vagonoj.**
**Adreso por Telegramoj: Stadtlagerhaus Wien.**
**Direkcio: Wien, II., Ausstellungsstrasse. Telefono 42-0-50 Serio, 7 stacioj.**

Modernaj grenmagazenoj kun maŝinaj ekipoj por transporto kaj purigo, establoj por grenpurigo kaj specialigo laŭkvalita, grentransportŝanĝo kun kvar ŝipelevatoroj, transportŝanĝo por unuopaj transportaĵoj per krano, liberaj de limdepago magazenoj, oficejo de la Centra Limdepagejo, publika pesejo, favorigo de transportoj returnaj.
Tri fervojstacioj: Wien-Lagerhaus, Wien-Winterhafen (vintra haveno), Wien-Speicher (magazeno) Zwischenbrücken.
Tri enŝipigejoj ĉe Danubio.
Kun la Magazenoj de la Urbo Wien estas en interrilato: **Malvarmigejo de la Urbo Wien.**
Ejoj por malvarmigo kaj frostigo kun 8000 kvadrataj metroj da disponebla spaco por konservado de viando, ĉasaĵoj, birdoj, graso, butero, fiŝoj, ovoj, fruktoj, sudlandaj fruktoj, lakto, biero, floroj kaj alispecaj malvarm-konservotaĵoj.
Establo por sekigo kaj plikvalitigo de fruktoj. La plej modernaj ekipoj por sekigo kaj plikvalitigo de prunoj, varmsekigo de ĉiuj frukto- kaj greno-specoj, specialigo laŭkvalita de faboj, senkernigo de nuksoj, senŝeligo de pizoj, poluro kaj duonigo, speciala ekipo por sekigo de malgrandaj fruktoj.

## Bierfarejo de la Urbo Wien

Telefono 99-3-20 — Telefono 99-3-21

Rekomendas siajn tre bone konatajn specojn de bieroj, nome:

| Spezial Wiener Stadtbräu | Wiener Stadtbräu Doppelmalz | Borromäusbräu |
|---|---|---|
| (hela biero kelmatura) | (malhela biero kelmatura) | (malhela forta biero) |

**Bieroj en boteloj, sendataj en la loĝejon per la liverejo de bieroj botelaj, Wien, III., Baumgasse 47. Telefono 12-23.**
En ĉiuj restoracioj de „Wiener Messe" (Wien'a Foiro) nur la tipoj delikatbieraj el la Bierfarejo de la Urbo Wien estas servataj.

## Urba Instituto por Asekuroj

**Direkcio: Wien, I., Tuchlauben 8** — **Telefonoj 67-2-72, 67-401**

Oficejoj en Landoj Aŭstrujaj: Graz, Herrengasse 11 — Linz, Weiguniplatz 8 — Innsbruck, Burgerstrasse 3 — Klagenfurt, Bahnhofstrasse 53 — Salzburg, Faberstrasse 11 — Bregenz, Jahnstrasse 11.

**Negoc-Branĉoj:** Asekuro pro Fajro, Ŝtelo per enrompo, Rabo, Garantidevo, Aŭtomobiloj, Akcidentoj unuopaj kaj kolektivaj, dumvojaĝaj, Vitrorompo, Vivo kaj Rento. — Asekuroj por Transporto, Maŝinrompo, pro Hajlo ktp. plej kontenige estas perataj.

Propraĵo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

Prezo 3000 a. K.

# Kongresa Bulteno




**Oficiala Organo de la XVI^a Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924**

**Redakcio:** Koncert-Palaco, Wien, III., Lothringerstr. 20.

**Redaktoro:** D^ro Emil Pfeffer.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

**Numero 5.** **Wien-Vieno, lundo, 11. Aŭgusto 1924.** **Aperas ĉiutage.**

*„Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, — oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado de nia lingvo aŭ ne. Ne por fieri pri nia forteco mi diras ĉi tion: neniu el ni havas la rajton esti fiera; ĉar nia forteco ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multejara pacienca laborado de multo da personoj. Mi volis nur atentigi vin pri tio, ke en nia afero ĉio povas esti atingita nur per harmonio kaj konstanteco. Se nin ne gvidus fera konstanteco, nia lingvo jam de longe ne ekzistus, kaj la vortoj ‚lingvo internacia' estus nun la plej granda mokataĵo por la mondo".*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

## La Pentekosta miraklo de unu komuna lingvo.

El la amaso da poresperantaj artikoloj, je kiuj nun abundas nia gazetaro, ni elprenas hodiaŭ por transdoni al la XVI-anoj ĉi-suban vere distingindan artikolon, aperintan hieraŭ kiel ĉefartikolo en la Viena katolika „Welt-Blatt" („Mond-Gazeto"). Ĝi servu kiel imitinda ekzemplo por la alilandaj katolikaj gazetoj kaj samtempe kiel instruo por tiuj — cetere nur malmultaj — el inter ni, kiujn ankoraŭ ĉiam persekutas la penso, ke la „interna ideo", kiun D-ro Zamenhof nedisigeble kunigis kun la lingvo Esperanto, estas baro en ĝia praktika propagando. La granda — jam nun konstatebla — propaganda sukceso de la XVI-a por Vieno kaj Aŭstrujo devenas ĝuste kaj ĉefe de tio, ke nia gazetaro ne prisilentas, sed akcentas la internajn, etikajn valorojn de nia komuna lingvo.

La Red.

Jam morgaŭ kunvenos la tuta reprezentantaro de Esperantistoj el la tuta mondo, kiom ilin povos ampleksi la spaco, en la granda ĉambrego de Koncert-Palaco por solena manifestacio por la de ili reprezentata ideo kaj la reprezentantoj de nia registaro, de l' urbo Vieno kaj de eminentaj korporacioj povos kiel honorgastoj esti atestantoj de la popolojn konkordiganta spirito, kiu trapenetras ĉiujn de ĝi unuigitajn el ĉiuj terpartoj ĝis orienta Azio kaj ĝis Aŭstralio same bone kiel el la Nova Mondo aŭ el la novaj nord-orientaj ŝtatoj de Eŭropo.

Tiu ĉi spirito ĝi estas, kiu puŝis la elpensinton de l' komuna interkomunika lingvo, Doktoron L. L. Zamenhof jam de frua juneco al lia epoka verko kaj lin dum jardekojn longaj penadoj por la lingvo subtenis; tiu humaneca, porhomara spirito radias el ĉiuj liaj kongresparoladoj, kiujn la „Majstro" ĉiujare, depost 1905, direktis al siaj disĉiploj kaj aliĝintoj, kaj kiu nun fine ankaŭ ĉiam pli kaj pli enpenetras en la vastajn sferojn de la publiko.

Kaj nia tempo tian rimedon bezonas urĝege. La animoj de l' popoloj, plej profunde ekscititaj de la sur la tuta tero furiozinta sanglukto, povos trovi nenian trankvilon, kiel longe ne okazos denove la reciproka alproksimiĝo de l' popoloj por paca kunvivo kaj kiel longe la naciaj antagonismoj estos akcentataj anstataŭ mildigataj. Forta portanto de tiuj antagonismoj estas nekontesteble la nacia lingvo kaj rimedo, por tiun antagonismon forigi, ne ofendante la apartajn vivantajn lingvojn en ilia plene rajtigita signifo, devas esti salutita kiel valora medikamento.

Fakte instruis la sperto de ĉiuj ĝisnunaj Esperantaj mondkongresoj kaj la nuna Viena ĝin konfirmas, ke kun la diferenco de lingvoj formalaperas la cetere preskaŭ ĉiam kaj ĉie akre sentebla frotrezisto en la reciprokaj rilatoj de diversnacianoj kaj ke ili, parolante nur unu unikan, al ili ĉiuj egale facile kompreneblan kaj ĉe tio al neniu aparta popolo apartenantan lingvon, sentas sin nun nur kiel homoj, ne kiel naciuloj kaj ke en iliaj vicoj nacia ŝovinismo trovas nenian lokon.

Tion dankas ili al la genia kreaĵo de doktoro Zamenhof, kiu kun sia lingvo donis al ili ankaŭ la „internan ideon" de l' Esperantismo. Jam ĉe la Ĝeneva Kongreso li subtrekis en sia alparolo tiun ideon, ke ĝi per la komuna lingvo interproksimigas ne nur la cerbojn de la homoj, sed ĉefe kaj antaŭ ĉio iliajn korojn. Kaj la ĉefa tasko de ĉiuj Esperantaj kongresoj estas ĝuste ĉiam denove plivivigi tiun amon al la Esperantismo kaj per tio al la kompreno por la unueco de l' homaro super ĉiaj lingvaj aŭ rasaj diferencoj, per unu vorto, nobligita, idealigita kosmopolitismo, ne foroferanta tamen blinde la individue-naciajn apartecojn, kaj tamen sin enmembriganta en la grandan universalecon de Die benita popolar-familio kaj kondukanta tiel al la bono de l' homaro, al la paco de l' popoloj.

Kiel sur religia kampo la Pentekosta miraklo, pri kiu la historio de apostoloj rakontas, estis epokfaranta por la disvastiĝo de la instruo de Kristo, kies ĉeftrajto estas la amo al la proksimulo de kiu ajn stato aŭ raso, tiel same tiu ĉi Pentekosta miraklo de por ĉiuj homoj egale komprenebla lingvo estas ankaŭ sur la kampo de l' politika kaj sociala vivo la unika rimedo, por tiun reciprokan komprenon por la proksimulo el kiu ajn popolo elkrei kaj pliprofundigi. Ĝi forigas la barojn, kiujn metas la nekompreno de la lingvo de tiuj proksimuloj kaj proksimigas tiel la naciojn al si reciproke, pli bone ol traktatoj kun siaj paragrafoj kaj punktacioj. La Esperantismo, ĝuste komprenita kaj ekzercata kaj ĝenerale efektivigata, estas la plej bona ponto por vera interpopola paco.

Ne vanta ludaĵo, ne spirita sporto, ne nur al la komercisto oportuna komprenigilo estas do Esperanto; la valoro, la signifo de tiu lingvo iras multe pli profunde, ĝis la radikoj de la instruo de Kristo: Amu vian proksimulon kiel vin mem. Kiu el tiu ĉi vidpunkto komprenas kaj konsideras la celadojn de Esperantistoj, la spiriton de Esperantismo, tiu ankaŭ kiel konvinkita vera katoliko — laŭ la ĝuste nun de la kardinalo Piffl al la katolikaj en Vieno kunvenintaj Esperantistoj el ĉiuj landoj esprimita konvinko — sin servigos je tiu ĉi la naciajn antagonismojn transpontanta rimedo de l' komuna interkomunika lingvo Esperanto, por de sia parto kunlabori ĉe la de Dio volata interkonsentiĝo de l' popoloj en la spirito de Kristo, la vera instruinto de l' paco.

**Grava kuranta inform-materialo rezervita por la morgaŭa numero!**



## Al mia infano!

(Dediĉita al la hodiaŭa Granda Pacifista Manifestacio.)

Ho, ĉu vi povos pardoni al mi la teron, infano?
Kaj senforton mian ĉe l' morto de via unua amo?
Ĉe la rompiĝo de l' homo, la unua via, la pupo?
Ĉar por vi mortis ja homo en tiu mort-iluzio.
Kiel min trafis en koron via ploranta rigardo,
Tiu unua ekdubo pri la boneco de l' mondo.

Ho, ĉu vi al mi pardonos la teron, mia infano?
Kaj la unuan ekvidon de homo sen brak' kaj piedoj?
Ree en mond-antaŭsento eksvenis via koreto,
La bildo pri bona kaj bela homaro rompiĝis;
Kaj la anĝelo en vi ne povis kompreni: pro kio?
La floroj de viaj okuloj kovriĝis per roso de larmoj.
Tiam kun gesto kortuŝa vi donis al mi la maneton,
Kun gesto de l' kredo al mi, kaj mi ne kuraĝis
respondi:
„Ankaŭ pro mi, pro silento mia, li perdis la
membrojn."

Kaj ĉu vi al mi pardonos la teron, tiun ĉi teron?
Foje, kiam vi staros ĉe via kripla fianĉo?
Foje, kiam vi vidos, ke la homo nur rajtas:
dolori?
Ĉu ne aperos vi tiam ĉe mi kun plend' kaj riproĉoj?
„Kion vi faris, patrino, por neebligi suferon?
Tolero via malfermis la pordon al la mizero!
Malantaŭ ĉi tiu pordo vi metis min en la mondon.
Ne staras mia piedo en floroj kaj fruktodoneco,
Ne ĝojas mi kiel la birdoj en la ĉiel-firmamento;
Mi vivas en nokt' de doloroj, en arbar' el membroj rompitaj!"

Infano mia, ĉu tiam pardonos vi al mi la teron?
De kie mi prenis kuraĝon kaj rajton vin doni
al homoj?
Foje, mi scias, mi scias, vi min malbenos, infano!

Klara Goll.



## Diversaj Informoj.

**Studentoj, profesoroj atentu! Gravaj problemoj!**

Okaze de l' raporto pri la dua ĉefkunveno de la fakkonferenco studenta, necesas paroli pri gravaj aferoj.

La fakkonferenco finis la laboron organizan malŝarĝinte s-on Fenster en Berlin de plua laboro. Ĝi alprenis rezolucion pri instruo, kiu okazu en ĉiuj mez- kaj altlernejoj. Dezir-esprimo estis akceptita, ke ĉiu izola esperantista studento resp grupo studenta sendu sian adreson, se eble kun raportoj al f-ino Lidia Zamenhof, juristino, Warszawa, Krolewska 41.

La priorganizan diskutadon alternis du referatoj. Kolego Mildwurf parolis pri la internacia studenta movado, la skribanto de ĉi tiuj linioj pri praesperanta lingvoformo kaj konkludo el ĝi.

Fininte la internan laboron, la konferenco okazigis propagandan internacian mitingon, en kiu partoprenis kiel oratoroj profesoro Bujwid el Krakovo, kiu pro ĉeesto de francaj neesperantistaj gastoj parolis en lingvo franca, rektoro Krieger el Stettin en germana lingvo kaj nia simpatia nevidanta amiko profesoro Eroŝenko el Peking en esperanto.

**Jen mi en mia raporto ĝisvenis al la grava, al la esenca problemo de la esperanta estonteco. Nia samideano Eroŝenko rakontis pri la student-esperantista movado en la landoj ĉina kaj japana kaj mirigis la aŭskultantaron pro ĝia profundeco, pro ĝia seriozeco. Psikologian kaj ekonomian sciencon ili studas per esperanto. Bedaŭrinde la necesaj libroj mankas. „Amatora estis ĝis nun nia movado, nia propagando" — diris Eroŝenko — „kial en esperanto ekzistas preskaŭ nur noveloj au poemoj? Kial vi ne verkas kaj eldonas librojn sciencajn? Amuzema movado eŭropa pereigos la seriozan en Azio." —** Ex oriente lux!

Se iu ideo maturiĝis, ĝi trovas sian interpretiston. Ĝiaj apostoloj aperas samtempe, ili estas kvazaŭ sentemaj sismografoj, kiuj registras la fazojn kaj la staton de la afero. Ĵus la Viena Akademia Societo Esperantista ricevis leteron de S-ro prof. E. Grosjean-Maupin, direktoro de la akademia sekcio por la komuna Vortaro, kiu skribas al la studentoj, ke por propagando en la universitataj kaj sciencistaj rondoj necesas verkoj seriozaj. Ni citu kelkon el la letero de l'ŝatata profesoro:

„Bonvolu precize (titolo, aŭtoro, eldonisto) montri la precipajn sciencajn kaj fakajn verkojn, kiujn vi bezonas por viaj studoj, sed kiuj ne estas tradukitaj en via nacia lingvo."

„Demandi la uzontojn estas la plej certa rimedo por sciiĝi pri la plej multe aĉetotaj libroj, t. e. pri la plej profitodonaj libroj."

„La afero koncernas kompreneble ĉiujn sciencajn verkojn, tamen komence precipe la lingvistikajn, filologiajn, filozofiajn, psikologiajn kaj historiajn traktatojn, ĉar oni renkontas en tiuj-ĉi sciencoj malpli da specialaj teknikaj terminoj ol en la ceteraj fakoj."

„Mi devas ankaŭ rimarkigi al vi, ke tiaj tradukoj estas la plej bona kaj plej praktika maniero por akceli la starigon de la diversaj fakaj terminaroj."

**Studentoj, kiuj vi ĉi-liniojn legas, respondu! Profesoroj, vi verku! Kaj vi eldonistoj, vi iniciatu!**

E. Sonnenfeld,
stud. de Komerca Eksport-Akademio en Wien.

**Ruĝa Kruco.** Kiel estis anoncite en la „Kongresa Bulteno", okazis sabaton matene la Faka Kunveno de la Esperanta Ruĝa Kruco. Kapable estris D-ro Edmundo Sós, el Vieno, kiun la ĉeestantoj unuanime elektis kiel prezidanton. Partoprenis en la kunsido S-ino Zamenhof, kiu montras konstantan intereson al tiu-ĉi tutmonda movado.

S-ro Rudolfo Horner, la delegito de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, en Genève, koncize raportis pri la progresoj de la laboro dum la lasta jaro. Li klarigis la novan konstitucion de la Esperantistaro en la rondoj de la Ruĝo Kruco. Ekzistas nun delegitoj Esperantistaj en 14 landoj, kaj la Hispana Nacia Societo oficiale rekomendas en sisaj novaj statutoj la lernadon de Esperanto en la hispanaj grupoj.

La jenaj rezolucioj etis proponitaj, diskutitaj kaj akceptitaj:

La membroj kaj geamikoj de la Ruĝa Kruco, partoprenantaj en la XVI-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno el diversaj landoj, havas la honoron respektplene submeti al la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, en Genève, la sekvantajn rezoluciojn:

1. La anoj de la Faka Kunsido de la Ruĝa Kruco deziras esprimi dankon al la Internacia Komitato en Genève pri la helpo dum la jaro kaj ĝia reprezentado ĉe la Universala Kongreso en Vieno kaj pri la bonvola akceptado de la rezolucioj de la Kongreso en Nürnberg (Vidu: Revue Internationale de la Croix-Rouge, No. 59, Novembro 1923, pp. 1129–1130).

La anoj ankaŭ petas, ke la Internacia Komitato sendu delegiton al la venonta Universala Kongreso.

2. La Esperantistoj bedaŭre konstatas, ke multaj el la naciaj centraj komitatoj ne dissendas al la lokaj grupoj la internaciajn sciigojn. Ili urĝe petas ke la Internacia Komitato en Genève konsideru kaj studu la metodojn, per kiuj oni povos vigligi la naciajn grupojn, por ke ili havu internacian spiriton kaj pli perfektan interŝanĝon de ideoj, klopodoj kaj laboroj de paca tempo, se eble en la internacia helplingvo Esperanto.

3. La Esperantistaj Ruĝkrucanoj de la Kongreso en Vieno kore gratulas la hispanajn societojn pri la oficiala rekomendo de la lernado de Esperanto flanke de la Hispana Nacia Komitato kaj esperas, ke tiamaniere iliaj membroj povos pli efike servi la homaron.

4. Estas dezirinde ke ĉe la Universalaj Kongresoj de Esperanto okazu du specialaj kunvenoj de la Ruĝa Kruco: 1. Kunveno de la delegitoj el diversaj landoj por prepari la naciajn raportojn. 2. La ĝenerala kunveno de la membroj kaj amikoj de la movado.

5. Ĉiu ano de la Internacia Esperantista Ligo de la Ruĝa Kruco devas esti membro de loka aŭ nacia Ruĝkruca societo. Kie ne ekzistas loka aŭ nacia grupo, la Internacia Komitato en Genève devas esti konsultata.

6. La Faka Kunveno tre bedaŭras, ke S-ro D-ro Hamalgyi, kiu laŭdinde laboris dum la tuta jaro, estas malsana, kaj ĝi sendas al li plej korajn bondezirojn por lia resanigo.

7. La partoprenantoj de la Viena Faka Kunveno petas, ke la Loka Kongresa Komitato konsultu la prezidantojn de la fakaj kunvenoj antaŭ la anonco de la kunsidoj en la Kongresa Bulteno.

8. La delegitoj de la diversaj landoj formas kun la delegito de la Internacia Komitato en Genève la Konstantan Komitaton de la fakaj kunvenoj de la Ruĝa Kruco.

Alison A. Nicol, sekretariino.

**Protokolo pri la policaj fakkunsidoj.** (La 7-an kaj 8-an de Aŭgusto 1924 je la 16-a horo.) Ĉeestis 16 personoj policaj.

Distriktinspektoro Hirz, kiel lokgrupa prezidanto de la Tutmonda-Polica-Ligo salutis la ĉeestantojn kaj parolis pri la policesperantista movado en Vieno kaj menciis, ke la ĝenerala prezidanto Hans Schober ĉiam volonte subtenis la movadon kaj ke ankaŭ S-ro polica konsilisto D-ro Buchsbaum grave servas al nia faka afero.

La direktoro de la T. P. L. kaj eldonanto de la fakrevuo „La Policisto" A. de Marich parolis mallonge pri la mondmovado inter la policanaro.

Profesoro T. Morariu, delegito de la direktejo de la rumana polico kaj ŝtata sekureco tre detale kaj interese sciigis la ĉeestantaron pri la esperantomovado en Rumanujo. Li menciis, ke Esperanto en lia lando akiris grandegajn sukcesojn kaj ke Esperanto en la tiea policoficira lernejo estis oficiale enkondukita.

D-ro Toth, polica konceptisto en Budapest parolis pri la polica deĵorado kaj E.-movado inter la policanaro tutmonda kaj tuŝis la necesecon interrilati kun la registaroj de diversaj landoj. Plue li parolis pri policesperantaj kursoj kaj proponis, ke ĉiu ano de iu grupo estu samtempe membro de la T.-P.-L.

Kunsidestro Hirz atentigis la kolegojn ke la polica revuo „Öffentliche Sicherheit" („Publika Sekureco"), organo de ĉiulandaj policestraroj aliĝintaj al la Polica Internacio, tre afable akceptas artikolojn pri Esperanto.

Policinspektoro Meisleder raportis pri tre vigla laboro kaj movado inter la policistoj en Linz kaj aliaj provincurboj en la supra Aŭstrujo; li menciis, ke la tiea centrala inspektoro D-ro Wirth devige enkondukis Esperanton ĉe la polica lernejo.

Ĝendarma ĉefserĝento Wavrovsky el Praha sciigis pri la E.-movado en tiu ĉi urbo, kie ĝis nun oni tre malvigle laboris.

Fine esprimis Hirz la deziron, ke dum la T. P. L.-Kongreso finaŭguste multe da policistoj ĉiurangaj ĉeestu, por ke la Kongreso per multnombro povu atingi la deziritan celon, nome, ke Esperanto „ĉie" inter la policanaro tutmonda estu oficiale enkondukita.

M. Rafelseder, Sekretario.

**La unua konferenco de Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara.** Vendrede kaj sabate okazis la unuaj kunsidoj de T. E. A. J., kiuj ambaŭ, malgraŭ ke la kongresanoj ne aperis en granda nombro, tamen tre bone sukcesis. La decidoj, kiujn la kunsido akceptis, estas tre gravaj por la vivo de la Asocio kaj samtempe por la tuta junulara movado, do oni certe povas esperi, ke per tiuj ĝustaj decidoj la asocio povos plue konstante disvolviĝi.

La kunsidojn ĉeestis ĉirkaŭ 30 personoj, kiuj grandparte estis jam delonge membroj de T. E. A. J. Post la malfermaj vortoj de sam. Rudolf Pivl, oni elektis laŭ la propono de sam. Andreo Rácz la komitaton de la asocio konsistanta el Rudolf Pivl, prezidanto; Andreo Rácz vicprezidanto, Alfred Neupert, administranto. Oni akceptis novan regularon. Oni elektis redaktan komitaton por la gazeto: R. Pivl por la oficiala parto, A. Rácz por literaturo kaj Esperanto-movado kaj A. Neupert kiel respondecan redaktoron. La komitato por la Junula Biblioteco konsistas el la prez. kaj vicprez. La kunsido pritraktis poste la rilatojn kun diversaj Esp. asocioj, kiujn ĝi intencas koncentrigi en T. E. A. J. — La Asocio petas tiujn gesamideanojn, kiuj intencas informojn pri la asocio kaj la junulara movado, voli ĉeesti marde (12-a Aŭg.) posttagmeze de la 3-a ĝis la 5-a antaŭ la „Junulara" stando, kie la estraro donos detalajn informojn.

**Prelego.** F. W. Illing, ELA, parolos, ĉar la tempo ne sufiĉis en la studenta faka kunsido, marde je la 8½ a en la 2a kunsido de ELA mallonge pri la temo „Problemoj kaj vojoj de Esperanto-scienco estonta". Ĉiuj interesuloj pri scienca laboro esperantologia invitataj.

**Esperanta ligo de tabakkontraŭuloj.** La fondota ligilo de Esperantlingvaj tabakkontraŭuloj havas duoblan celon: unuflanke ĝi utilos al la kontraŭtabaka movado per kunigo de samideanoj el la plej diversaj landoj kaj lingvoj kaj per reciproka sciigo de progresoj, konsiloj, ŝanĝo de proponoj ktp., aliflanke ĉi tiu asocio komunikos la tiel humanajn kaj noblajn celojn de kontraŭtabaka movado kaj la diversspecajn malutilojn de fumado al la Esperantistaro jam ideale sentanta kaj pruvos la necesecon de mondhelplingvo Esperanto. — Kora invito al tabakkontraŭula fakkunveno de la XVI-a Universala Kongreso, kiu okazos lunde la 11-an de aŭgusto 1924 je la 5-a posttagmeze en salono Wien I., Kleeblattgasse 7/II (proksime de Tuchlauben). Tagordo:

1. la kontraŭtabaka kaj la Esperanto movadoj,
2. fondo de „Esperantista tabakkontraŭula asocio" (regularo, estraro ktp.),
3. diskuto pri la laborplano kaj propagando.

Gastoj bonvenantaj!

**Ĵurnalistoj! Raportantoj! Fakestroj!**

**Zorgu pri preciza kaj rapida inform-servo en la „Bulteno"! ĉiuj sciigoj, raportoj kaj aktual-temaj artikoloj venu legeble skribite senprokraste en la manojn de la ĉefsekretario!**

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno**, eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



La Monumento de Grillparzer
Grillparzer-Denkmal — Le Monument de Grillparzer — The Monument of Grillparzer



Kortega Muzeo, la ŝtuparo
Hofmuseum, Stiegenhaus — L'Escalier du Museé Impérial
The Staircase of the Imperial Museum



La monument-fontano de Pallas Athene
Pallas Athene-Brunnen — La Fontaine monumentale de Pallas-Athéne — The Monumental fountain of Pallas Athena



La katedralo de Sta Stefano
Stephansdom — La Cathédrale Saint-Etienne — St. Stephen's Cathedral



La monumento de arkidukino Maria Kristina
Christinen-Denkmal — Le Monument de L'Archiduchesse Marie Christine — The Monument of Archiduchess Mary Christina

## Burggarten

(Kastelĝardeno) ĉiutage je la $8^a$ vespere (se pluvas en la festsalono de Hofburg)

**Sinfoniokoncertoj — Operoj — Kabaredoj.**

Ludas la Viena Sinfonio-orkestro.
Vendado de kartoj en koncert-direkciejo Vindobona, Karlsplatz, vendejhalo, aŭ en Burggarten.

## Bonega tagmanĝo

en la komunaj manĝejoj de **Mittella-A. G.**

Malfermaj dum labortagoj:
I. Himmelpfortgasse 8. — I. Ballhausplatz 1 (Hofburg). — I. Postgasse 9 (alte Postsparkasse). — I. Liebiggasse 6 (altes Korpskommandogebäude). — I. Nibelungengasse 10. — I. Schillerplatz 4. — III. Landstrasser Hauptstrasse 146. — VI. Mariahilferstrasse 88a (Zitahof, I. Stock). — VII. Kirchengasse 13. — VIII. Josefstädterstrasse 43. — IX. Porzellangasse 33.

**Malfermaj ankaŭ dum dimanĉoj kaj festotagoj:**
I Schillerplatz 4. — VIII. Josefstädterstrasse 43.

**Sinanonco ĉe la kuirejestroj!**

**Neniu trinkmono. Neniu alkoholo.**

**Manĝtempo $12^a$—$3^a$, dum dimanĉoj kaj festotagoj $12^a$—$2^a$.**

Manĝaĵoj povas esti ankaŭ forportataj.

**Prezoj en abono:**

**A-menuo:**
K **4000** (Supo, legomo kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**B-menuo:**
K **8000** (Supo, viando kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**C-menuo:**
K **11.000** (Supo, viando kun aldonaĵo, farunaĵo.)

**D-menuo:**
K **13.500** (Supo, rostaĵo kun aldonaĵoj, farunaĵo.)

Alpago por unuopaj manĝkartoj: por A-menuo K 500, por B-, C- kaj D-menuoj K 1000.

Dimanĉa menuo K 15.000

Krome **apartaj manĝaĵoj** en granda elekteblo kaj je malgrandaj prezoj.

## Opero-Restoracio kaj -Kafejo

Wien, I., Operngasse 8

kontraŭ la Ŝtata Operejo.

Menuoj laŭ fiksaj prezoj kaj laŭ la manĝaĵoj-listo.

## Esperanto-Literaturo

ĉiuspeca el nia eldonejo estas havebla en granda sortimento en la

**Kongresa Librejo.**

Precipe ni atentigas pri niaj kolektoj

**Esperanta Biblioteko Internacia**

**Nova Esperanto-Biblioteko**

kaj pri nia gazeto

**Germana Esperantisto**

(Specimenaj numeroj en la Kongresa Librejo)

**Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H.**

**Berlin kaj Dresden.**

## Aŭstruja Akcia Societo por Aeroplanvojaĝoj

**Ĉiutagaj Flugoj de**

| | | Prezoj de flugo: | |
|---|---|---|---|
| Wien | München'on | Aŭstr. K^oj | 900.000 |
| | Nürnberg'on | „ „ | 1.350.000 |
| | Frankfurt'on | „ „ | 1.950.000 |
| | Zürich'on | „ „ | 1.760.000 |
| | Genève'on | „ „ | 2.350.000 |
| | Budapest'on | „ „ | 400.000 |

**Rondflugoj super Wien kaj la Wien'a Arbaro**

(Daŭro proks. 20 minutoj) Prezo Aŭstr. K^oj 150.000 por unu persono

En Junkers plenmetalaj Limuzinoj

Flugbiletoj kaj Informoj en „Oesterreichisches Verkehrsbureau", Wien I, Friedrichstrasse 1

Telephon 52-5 90

## Fabriko de Fortepianoj

## Pallik kaj Stiasny

**Wien, VII., Neubaugasse 68.**

Telefono 32-4-59, 34-5-15.

Pianinoj, koncert-fortepianoj kun angla aŭ Wien'a mekaniko, bonega kvalito.

Fondita 1894.

Honora Diplomo Jubilea Ekspozicio 1898.

## (Aŭstria oficejo por trafiko)

## Oesterreichisches Verkehrsbureau

**Centro Wien, I., Friedrichstrasse Nr. 1**

(kontraŭe de Sezession)

Telefono: 52-5 90 Serie. Telegramadreso: Austriaverkehr.

Filioj kaj reprezentejoj en- kaj eksterlande entreprenoj por ŝipaj kaj aeroplanaj veturadoj. — Ŝipkomunikoj al ĉiuj gravaj havenoj. — Propra banko. — Societaj kaj aŭtomobilaj vojaĝoj. — Informoj pri ĉiuj vojaĝ-aferoj.

De la $7^a$ Aŭgusto propra servado en Konzerthaus (Kongresejo).

## Anglo-Austrian Bank Limited

**London. 24. Lombard Street, E. C. 3**
**Vienna Representation I. Strauchgasse 1**

| | |
|---|---|
| Capital Authorized . | £ 2,000.000 |
| Capital Issued . . . | „ 1.406.370 |
| Reserves . . . . . . | „ 375.156 |

Telegrams: Anglobank Vienna — Telephone: 63570

**21 monsanĝejoj en Vieno**

Sidlokoj:

Aŭstrujo: Baden ap. Wien, Bregenz, Gmünd. Graz, Graz-Hauptbahnh. (ĉefa stacidomo), Innsbruck, Krems, Laa a. Th., Linz, Mariazell, Semmering, St. Pölten, Villach, Villach-Bahnhof (stacidomo), kaj Velden ĉe Wörthersee, Wels, Wiener Neustadt. — Jugoslavujo: Maribor. — Hungarujo: Budapest, monŝanĝejoj: Calvinplaco kaj Elisabethring. — Italujo: Trieste. — Rumanujo: Czernowitz, Grosswardein.

Ĉiubankaj transakcioj estas efektivigataj

## VIAN VOJAĜPAKAĴON

asekuras kun la plej favoraj kondiĉoj

**„DER ANKER"**

ĝenerala Akcia Societo por Asekuroj

Wien, I., Hoher Markt 10/11 Tel. 66-5 55 Serio.

## Vojaĝoficejo „Klea"

**Wien, VI., Mariahilferstrasse 85/87**

**(en la komercejo „Klea")**

Tel. 54-27 kaj 64-72.

Veturbiletoj laŭ ĉiu direkto de en- kaj eksterlando, veturbiletoj por ĉiuj vaporŝiplinioj, asekuro de pakaĵoj ktp.

**Seninterrompa servo (ankaŭ sabate) de la $9^a$ ĝis la $17^a$**

## Restoracio Francisko Falk

**„ZUM STADTPARK"**

**I. Kolowratring 1, apud la Urba Parko,**

nur unu minuton de la Kongresejo „Konzerthaus", rekomendas al la kongresanoj sian bonegan manĝotablon tagmezan kaj vesperan. Moderaj prezoj kaj bona servado, distinga biero kaj bonaj vinoj.




**Laŭda Kanto**

pri

**Farina „Gegenüber"**

dem Jülichsplatz (kontraŭ Jülichplaco)

La plej Malnova kaj la plej Bona

**KOLNA PARFUMAKVO**

**Grandaj Vendoj**
**Favorprezoj de Objektoj**
**Mastrumaj kaj Vestaj**

## Stafa A. G. Zentralpalast

**VII., Mariahilferstrasse**
**Ecke Kaiserstrasse.**

# Entreprenoj de la Komunumo Wien

## Gewista

Urba Anonca Entrepreno, Wien, I., Jasomirgottstrasse 2 - - - Telefono No. 60-5-60 serio

## Urbaj Elektraj Tramvojoj

Komenco de veturoj je la 6ª de Ring, fino de veturoj je la 24ª de Ring. 2700 vagonoj ĉiutage uzataj, 73 linioj. Unuforma prezo de veturo dumtaga 1700 K. Linioj interrilatantaj la Wien'ajn stacidomojn: Westbahnhof—Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof—per la linio 5; Franz-Josephs-Bahnhof—Nordbahnhof per la linio 15; Westbahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linioj 18 kaj 118; Tabor—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio O; Franz-Josephs-Bahnhof—Süd- kaj Ostbahnhof per la linio D. Post la fino de la regulaj, veturoj dumnoktaj sur la rondlinio pasanta preter ĉiuj stacidomoj ĝis la 1ª nokte. — Al la Foir-ekspoziciejoj: Al la ĉefa pordego de Rotondo per la linioj A kaj Ak; veturo sen vagonŝanĝo de Rotondo (ĉefa aleo en Prater) al la Foir-palaco per la linioj $H_2$, L kaj (dum Foir-tempo) M. — La plej bona veturo al la somerloĝejoj en la Wienerwald-(Arbar-)regiono dum 25 minutoj de Ring: Neuwaldegg'on (linio 43), Pötzleinsdorf'on (linio 41), Nussdorf'on (linio 36), Grinzing'on (linio 38) kaj Sievering'on (linio 39). Eksterurbaj linioj 260 kaj 360 de Mauer, Rodaun'on, Perchtoldsdorf'on kaj Mödling'on kun rekta interrilato de la linio 60. Intervaloj de vagonaroj 15 kaj 20 minutoj, daŭro de veturo al la sportejoj kaj al la vetrajdejo Freudenau.

**Aŭtomobiloj-Omnibusoj.** Veturoj dumtage (labortagoj) de 7.45 ĝis 19.45 sur la linio Schottengasse—Graben—Stefansplatz—Rotenturmstrasse—Schwedenplatz; intervalo de omnibusoj 3 minutoj. Veturoj dumnoktaj de la 0ª ĝis la 3ª de Stefansplatz ĝis la stacidomoj Nord-, Süd- kaj Franz-Josephs-Bahnhof, Hietzing'on, Hernals'on, Gersthof'on kaj Döbling'on. — Specialaj veturoj de ekskursantaro per aŭtomobila omnibuso dumtage kaj dumnokte. Mendejo: IV., Favoritenstrasse 9. Telefono 52-5-80 serio.

## Urba Gasfarejo

Direkcio kaj konstant ekspozicio: Wien, VIII., Josefstädterstr. 10, Telefono 24-5-20 serio.

Nombro de konsumantoj: la 31ªⁿ de Aŭgusto 1919ª: 239.085
la 15ªⁿ de Majo 1924ª: 288.000

**Fabrikajoj:** Gaso, ekonomia hejtigilo por mastrumoj kaj metioj, Koakso, 5 gradoj de koaksera grandeco. Benzolo por mo toroj, por komerca uzo kaj plenpura, pura Toluolo, Solve-Nafto, kruda Nafto, ŝtonkarba gudro-peĉo.
Fakaj konsultoj senpagaj pri ĉiuj specoj de gasuzado.

## Urbaj Elektrofarejoj

Direkcio: Wien, IX., Mariannengasse 4, Telefono 24-5-40.

Nombro de konsumantoj la 31ªⁿ de Aŭgusto 1919ª: 158.878
la 1ªⁿ de Majo 1924ª: 338.000

Prezo de unu Hektowat-horo lumelektra 520 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
La plej malkara lumigilo! Altiĝo de la lumprezo kompare kun tiu antaŭ la tutmonda milito nur ĝis la 7428-oblo!
Prezo de unu Hektowat-horo fortelektra 280 Koj, kune kun la depago por akvofortuzo kaj por komerco.
Aranĝo de instaloj luataj en malgrandloĝejoj, ankaŭ instaloj kun partopagoj en loĝejoj, vendo de lumig-aparatoj, ludono de elektromotoroj, vendo de elektraj lampoj.

Mendo kaj ricevo: Wien, IX., Mariannengasse 4.

## Magazenoj de la Urbo Wien

Publikaj Deponejoj por ĉiuspecaj Konservotajoj. — Disponeblaj por entute 10.000 vagonoj.
Adreso por Telegramoj: Stadtlagerhaus Wien.
Direkcio: Wien, II., Ausstellungsstrasse. Telefono 42-0-50 Serio, 7 stacioj.

Modernaj grenmagazenoj kun maŝinaj ekipoj por transporto kaj purigo, establoj por grenpurigo kaj specialiga laŭkvalita, grentransportŝanĝo kun kvar ŝipelevatoroj, transportŝanĝo por unuopaj transportaĵoj per krano, liberaj de limdepago magazenoj, oficejo de la Centra Limdepagejo, publika pesejo, favorigo de transportoj returnaj.
Tri fervojstacioj: Wien-Lagerhaus, Wien-Winterhafen (vintra haveno), Wien-Speicher (magazeno) Zwischenbrücken.
Tri enŝipigejoj ĉe Danubio.
Kun la Magazenoj de la Urbo Wien estas en interrilato: **Malvarmigejo de la Urbo Wien.**
Ejoj por malvarmigo kaj frostigo kun 8000 kvadrataj metroj da disponebla spaco por konservado de viando, ĉasaĵoj, birdoj, graso, butero, fiŝoj, ovoj, fruktoj, sudlandaj fruktoj, lakto, biero, floroj kaj alispecaj malvarm-konservotajoj.
Establo por sekigo kaj plikvalitigo de fruktoj. La plej modernaj ekipoj por sekigo kaj plikvalitigo de prunoj, varmsekigo de ĉiuj frukto- kaj greno-specoj, specialigo laŭkvalita de faboj, senkernigo de nuksoj, senŝeligo de pizoj, poluro kaj duonigo, speciala ekipo por sekigo de malgrandaj fruktoj.

Telefono 99-3-20

## Bierfarejo de la Urbo Wien

Telefono 99-3-21

Rekomendas siajn tre bone konatajn specojn de bieroj, nome:

**Spezial Wiener Stadtbräu** (hela biero kelmatura)
**Wiener Stadtbräu Doppelmalz** (malhela biero kelmatura)
**Borromäusbräu** (malhela forta biero)

**Bieroj en boteloj, sendataj en la loĝejon per la liverejo de bieroj botelaj, Wien, III., Baumgasse 47. Telefono 12-23.**
En ĉiuj restoracioj de „Wiener Messe“ (Wien'a Foiro) nur la tipoj delikatbieraj el la Bierfarejo de la Urbo Wien estas servataj.

## Urba Instituto por Asekuroj

Direkcio: Wien, I., Tuchlauben 8 Telefonoj 67-2-72, 67-401

Oficejoj en Landoj Aŭstrujaj: Graz, Herrengasse 11 — Linz, Weiguniplatz 8 — Innsbruck, Burgerstrasse 3 — Klagenfurt, Bahnhofstrasse 53 — Salzburg, Faberstrasse 11 — Bregenz, Jahnstrasse 11.

**Negoc-Branĉoj:** Asekuro pro Fajro, Ŝtelo per enrompo, Rabo, Garantidevo, Aŭtomobiloj, Akcidentoj unuopaj kaj kolektivaj, dumvojaĝaj, Vitrorompo, Vivo kaj Rento. — Asekuroj por Transporto, Maŝinrompo, pro Hajlo ktp. plej kontenige estas perataj.

Proprajo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

Prezo 3000 a. K.

# Kongresa  Bulteno



Oficiala Organo de la XVI[a] Universala Kongreso de Esperanto Wien-Vieno 1924

Redakcio: Koncert-Palaco, Wien, III., Lothringerstr. 20.

Redaktoro: D[ro] Emil Pfeffer.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante!

Legeble skribitaj manuskriptoj por la redakcio estu transdonataj en la kongresejo al la ĉefsekretario.

Numero 6. Wien-Vieno, mardo, 12. Aŭgusto 1924. Aperas ĉiutage.

*„Glora la celo, sankta l' afero,*
*La venko — baldaŭ ĝi venos;*
*Levos la kapon ni kun fiero,*
*La mondo ĝoje nin benos.*

*Tiam atendas nin rekompenco*
*La plej majesta kaj riĉa:*
*Nia laboro kaj pacienco*
*La mondon faros feliĉa!"*

*D-ro L. L. Zamenhof.*

# La triumftagoj de Esperanto en Wien.

La dimanĉa Festkunveno de la XVI-a en la granda ĉambrego de Koncert-Palaco, okupita ĝis la lasta loketo, prezentis vere pentrindan fascinantan bildon, ĉar nome slavaj, sed ankaŭ nordaj kongresaninoj kaj kongresanoj aperis — same kiel jam por la salutvespero sabate en Koncert-Palaco — en siaj kolorpompantaj popolaj kostumoj. En la unua vico havis la vidvino de dro Zamenhof kaj unu el ŝiaj filinoj, venintaj el Varsovio al la Kongreso, siajn honorajn lokojn.

Je la ½11 horo sekvis malantaŭ la bele brodita standardo de Esperantaj mondkongresoj, kiu post longa forperdiĝo feliĉe antaŭ tiu ĉi kongreso estis retrovita en Wiesbaden kaj alportita al Vieno, post orgena preludo la solena enmarŝo de l' Kongresa Prezidantaro kaj de honorgastoj sur la estradon.

Ĉe la tablo de l' Prezidantaro okupis la lokon kun dro Dietterle (Leipzig), la prezidanto de la XV-a en Nürnberg, la prezidanto de l' centra ekzekutivo dro Privat (Ĝenevo), la ministeria konsilisto de l' trafikministerio dro Minibeck (Vieno), kiel elektita prezidanto de la XVI-a, la vicprezidanto de Esperanto-Akademio Mr. Warden, la prezidanto de l' nacia reprezentaro ĉe la kongresoj kaj de la Brita Esperanto-Asocio Mr. Merchant, plue lokaj komitatanoj redaktoro Schröder, membro de Lingva Komitato, kaj s-o lernejа direktoro Schamanek, lektoro de Esperanto ĉe la Viena Tekniko, por Aŭstrujo, Aktargieff por Bulgarujo, prof. Kamaryt por la Ĉeĥosl. Respubliko, dep. dro Steche (Dresden) por Germanujo, prof. Deligny por Francujo, pastro s-o Lajos por Hungarujo, dro Philipetti



Lia Eminenco kardinalo PIFFL (Wien) meze de katolikaj Esperantistoj partoprenantaj la XVI-an.

por Italujo kaj univ. prof. Odo Bujvid por Polujo kiel vicprezidantoj de la XVI-a, plue s-o Smital (Vieno), prezidanto de la Delegitaro de 20 Vienaj esp. societoj, kaj la s-oj Edmonds kaj Kreuz, tiu ĉi kiel reprezentanto de U. E. A., kiel sekretarioj, dum la membroj de Viena L. K. organizintaj kun s-o prokuristo Schade, la ĝenerala sekretario, tiun ĉi kongreson, malantaŭ ili havis siajn lokojn. Kiel helpsekretarioj funkciis dro Blaas (Rattenberg en Tirolo) kaj dro Halbedl (Graz).

Kiel honorgastoj ĉeestis: sekcia ĉefo Karicky kiel reprezentanto de la registaro kaj sekcia konsilisto dro Lanske de la trafikministerio, por la lando kaj komunumo Wien la vicurbestro Emmerling, supera magistrata konsilisto Paul kiel reprezentanto de l' urba lerneja konsilantaro, por la polica prezidanto Schober polica direktoro dro Schulz, por la Viena Universitato la dekano de la filozofia fakultato prof. dro Suess kaj la reprezentantoj de la plej signifaj socialaj kaj komercaj korporacioj en Wien.

El la eksterlandaj registaroj sendis oficialajn reprezentantojn por la Kongreso: Polujo la ekstraordinaran ambasadoron dron Lasocki en Wien, la germana ministerio de l' internaj aferoj dron Dietterle, la hispana ministerio de milito kaj la Ruĝa Kruco la Komandanton Mangada, Holando la inĝenieron Isbrücker, la komerca ministerio en Rumanujo la grandindustriiston Fisher kaj la samlanda ministerio de l' internaj aferoj kaj de la sekureco la polican oficiron Morariu. Kiel delegito de Internacia Ruĝa Kruco ĉeestis Mr. Horner, kiel reprezentanto de blindulkongresoj prof. Krismary (Weidlingau).

La naciaj Esperanto-Asocioj estis reprezentataj per s-ino Scammel (Aŭstralio), s-ino Ŝiŝmanov (Bulgarujo), univ. prof. Tsai (Ĥinujo), la s-oj prof. Kamaryt (Ĉsl. Respubliko.) kaj Scholze (Germanoj en Ĉsl. Respubliko), Blicher (Danujo), Aeltermann (Liberŝtato Danzig), Tamverk (Estonujo), f-ino Tamminon (Finnlando), Mr. Deligny (Francujo), dro Steche (Germanujo), Mr. Merchant (Britujo), pastro Carolfi (Italujo), pastro Lajos (Hungarujo), s-o Domac (Jugoslavio, s-o Grot (Latvio), s-o bankdirektoro Medem (Litovujo), s-ino Jaquel de Guerra (Meksiklando), la parlamentanino f-ino Westermann (Holando), profesoro Odo Bujvid (Polujo), abato Ceh (Rumanujo), s-o Markus (Ruslando), Mr. Kennedy (Skotlando), s-o Munoz (Urugvajo), profesoro dro Kenn (Ĥinujo).

## La Festsoleno.

Min. kons. dro Minibeck salutis kiel Prezidanto la Kongreson, S-inon Zamenhof kun ŝia filino kiel ankaŭ la honorgastojn, kiuj siaflanke per mallongaj germanaj paroladoj agnoskis la signifon de la Kongreso. Univ. prof. dro Suess aldonis al siaj ger-

manaj vortoj ankaŭ tuj la tradukon en Esperanto, kio ĉe la ĉeestantaro eksplodigis fortajn aplaŭdojn.

Post tio faris dro Privat la festparoladon, en kiu li kun kutima brilanta elokventeco akcentis la idealan laboron de la spiritaj kavaliroj de la Verda Stelo kaj esprimis la ĝojon pro la elekto de Vieno kiel kongresurbo de la XVI-a.

Per mallongaj salutparoladoj sekvis nun laŭvice la reprezentantoj de la fremdaj ŝtatoj kaj tiuj de la naciaj Esperanto-Asocioj. Ili estis invititaj, komenci sian paroladon per unu frazo en sia nacia lingvo kaj tiel havis la aŭskultantaro la interesan okazon, per mallongaj specimenoj ekkoni la lingvojn de ĉiuj supreciitaj nacioj, kaj konsciis sian feliĉon, ke ĝi, ne komprenante eĉ unu el tiuj ĉi lingvoj, povis tamen kompreni iliajn pluajn jam Esperantajn rezonojn. La plejmulto restis ankaŭ pacience ĝis la fino de la longa vico da paroladoj kaj forlasis nur post la kanto de l' „Espero“ la ĉambregon.

Tiu ĉi himno kaj dua Esperanta kanto estis ĉe la komenco impresе prezentitaj de malgranda miksita ĥoro de la Viena Ĥorsocieto, verve estrata de la muzika profesoro Grossmann. La tuta solena kunveno de tiel aparta speco faris videble grandan efikon sur la neesperantaj honorgastoj.

La festan tagon inde finis vespere en la granda ĉambrego de Koncert-Palaco

**Festa Koncerto,**

ĉe kiu la Viena Ĥorsocieto sub la estreco de Grossmann kaj la sinfonia orkestro, estrata de Spörr, majstrece prezentis al aŭskulto la perlojn de muzika arto de Schubert kaj Johann Strauss. La ambaŭ dirigentoj kaj ilia artistaro rikoltis merititan riĉan aplaŭdon por la sublima prezentado de la plej pura Viena arto.

### Senvualigo de memortabulo por D-ro Zamenhof.

Sabate posttagmeze okazis kun multenombra ĉeesto de l' Kongresanaro la senvualigo de Zamenhofa memortabulo, fiksita ĉe la domfronto de Hotelo Hammerand en la VIII-a distrikto. Post parolado de s-o redaktoro Schröder dankis dro Privat al Vienanoj por la honordono al Zamenhof. Kiel samlandano de la Majstro parolis univ. profesoro Odo Bujvid el Krakovo. Per la kanto de „Espero“ finiĝis la soleno, kiun ĉeestis ankaŭ la vidvino kaj filino de dro Zamenhof. La memortabulo el griza marmoro portas sekvantan surskribon: Dro Lazaro Ludoviko Zamenhof, 1859–1917, al kiu la homaro devas danki la helpan lingvon Esperanto, loĝis en la jaroj 1886 kaj 1897 en tiu ĉi domo.

---

## La Festa Koncerto.

Vespere je la 7-a komenciĝis en la granda salonego de „Konzerthaus“, kie antaŭtagmeze la solena unua kongreskunsido havis sian lokon, la festa koncerto, kiun la Loka Kongres-Komitato prezentis kiel senpagan ĉefamuzon al la Kongresanaro. Efektive la granda ejo baldaŭ pleniĝis ĝis la lasta loko. La intereso pri Wien'a muziko arte prezentata do estis sufiĉe granda en la rondo de la Esperantujanoj.

La prezentado okazis per miksvoĉa ĥoro de „Wiener Chorverein“ (Wien'a Ĥorkantunuiĝo) sub la gvido de l'muzikprofesoro S-ro Ferdinando Grossmann, kaj per „Wiener Sinfonie-orchester“ (Wien'a orkestro sinfonia), kies dirigento estas la muzikdirektoro S-ro Marteno Spörr. Tre impresiga pri la karaktero de Wien'a muziko estis la programo. Ĝi enhavis de Francisko Schubert la unuan parton de la Sinfonio en h-mol, la baletmuzikon al la opero „Rosamunde“ kaj la kanton „Gebet“ (Preĝo), kies akompanon fortepianan orkestrigis Adolfo Kirchl; plue de Johano Strauss, la fame konata „Valsoreĝo de Wien“, la uverturon al la opereto „Die Fledermaus“ (La Vesperto), la picikata-polkon el la opereto „Fürstin Ninetta“ (Princino Anjo), kaj la valsojn „G'schichten aus dem Wienerwald“ (Historietoj el la Wien 'a Arbaro) kaj „An der schönen blauen Donau“ (Ĉe Danubo bela blua); la laste citltan kantis la miksvoĉa ĥoro kun orkestra akompano.

La entuziasmo de la aŭskultantaro fortiĝis pli kaj pli, de la unua ĝis la lasta muzikpeco. Kelkaj partoj nepre devis esti ripetataj, kaj post la lasta valso la aplaŭdo per manoj kaj piedoj estis surdiga. Unuanime la vervo kaj la precizeco modelaj de ĉiuj muzikistoj kaj gekantistoj estis laŭdataj kaj tre plaĉis la solo-voĉoj de la kantistinoj S-ino A. de Haager (soprano), F-ino G. Kranner (aldo) kaj de la S-ro D-ro R. Neukirch (tenoro), kaj R. Loibnegger (baso) en la „Preĝo“ de Schubert. La forŝiranta la artistojn temperamento de ambaŭ dirigentoj estis admirata kaj oni bone komprenis el ĝi la ekzaktecon de la prezentoj.

Post la fino je la 9½ª multaj ĉeestantoj bedaŭris, ke ne pli longatempe ili povis ĝui la plezuron, aŭdi tian perfektan muzikon. La programoj montris sur la dorsa flanko la enhavon de la germanlingve kantataj tekstoj kiel helpon al pli facila kaj pli bona kompreno de la karakterizo de vortosenco per la muziko. Entute tiu koncerto perfekte kontentigis la publikon kiu ankaŭ la fantazion el la Fugsen g-mol de Seb. Bach, majstre ludatan de la samideano Metzel (Hainburg) en la komenco sur la granda bela orgeno, distingis per plenmeritita aplaŭdo.

---

## Beati possidentes.

Feliĉaj vi estas, riĉuloj!
Ne ĉar malsata kor' de malriĉulo
je via oro postulas,
aŭ ĉar li stulte supozas,
ke vin ne premas la ŝarĝ' de suferoj,
sur ĉion, kio spiras, surmetita.
Ne! Li scias tre bone,
ke la dolor' eĉ en palacoj loĝas,
ke malesper' eĉ en kaleŝ' veturas,
ke de edzinoj viaj perl-ornamo
plej ofte nur pri larmoj memorigas,
kiujn forploras ili en soleco;
li scias ĝin kaj havas por vi pli
sincere la sopiron de kompato,
ol la maldolĉan senton de envio.
Sed tion solan vi, riĉuloj, havas
kaj danki devus vi por tio
en granda humilec' al la diaro!
Libere povas vi deteni vin
de ĉio, kio homon malnobligas;
neniam la fatalo vin starigas
ĉe la dekliva abism' de mizero,
kiu plej puran volon
de plej malinda agad' apartigas;
kaj tiun zorgon vi ne konas ja,
kiu perfide, per vipera dento
en la animo mordas,
subliman senton ĉenas al malnoblo
kaj grandan koron
malsuprentiras al marĉ' de tolero,
ĝis ĝi, jam batallaca,
pri si mem malesperante,
fariĝas kulpa — kaj dronas.
Fidelaj al vi mem vi povas resti,
se vi nur volas.
Nenio melhelpas vin
esti noblaj kaj bonaj.
Feliĉaj vi estas riĉuloj!

Ferdinand Saar.

---

## Diversaj Informoj.

**Internacia Ligo de Bontemplanoj Esperantistaj (I. L. B. E.)**

Dimanĉe la 10-an vespere okazis la unuan fojon en la mondo solena kunsido de Bontemplanoj Esperantistaj en la hejmo de la Wien'aj gefratoj de la Internacia Ordeno de Bontemplanoj (I. O. G. T.). Konsiderante la fakton, ke kontraŭ tiel internacia malamiko de la homaro, kiu estas la alkoholo, nur utilas ankaŭ internacia kontraŭbatalantaro, la ĉeestantoj fondis Internacian Ligon de Bontemplanoj Esperantistaj (ILBE), kun jenaj du taskoj: disvastigi Esperanton en la bontemplanaro kaj la ideon bontemplanan, la batalon kontraŭ alkoholo en la Esperantistaro. La iama ordenestro, nia en tuta mondo konata batalanto kontraŭ la alkoholismo, la fama profesoro D-ro August Forel en Yvorne-Svisujo letere salutis tre kore la kunsidon. Ĉi tiu historia kunveno postlasis en ĉies koroj plej bonan impreson kaj finiĝis per la entuziasme kantita Eperanto-himno.

Ĉiuj interesuloj sin turnu al la prezidanto de la I. L. B. E. D-ro Joseph Longo, Mödling apud Wien, Kürnbergergasse 9.

**Voko de blinduloj.**

Tre estimataj samlandanoj, Esperantujanoj.

Je la dua fojo mi havas la plezuron kaj honoron saluti vin kiel sekretario de la internacia Esperantista blindulkongreso.

Ĉi tiun jaron ni jam festas nian kvaran kongreson, kaj certe la laboro estas tre grava.

Se vi, vidantoj, havas vian U. E. A., ankaŭ la blindaj gefratoj havas sian U. A. B. E., Universalan Asocion de Blindaj Esperantistoj. Kaj kvankam ĝi nur ekzistas de post unu jaro, kvankam nur fondita dum nia III-a en Nürnberg, ĝi nun havas jam firman bazon kaj laborplenan programon.

Ĝiaj celoj estas diversaj sed bone difinitaj, celantaj ĉiuj la plibonigon de la blindulstato. Ĝi jam naskigis kelkajn idojn, nome sekciojn por blindaj gemetiistoj, por blindaj muzikistoj, por masaĝistoj, kaj tiuj sekcioj, per serioza laboro ja baldaŭ solvos diversajn gravajn demandojn.

Ankaŭ fako por radiado estas projektata.

Ne kredu do. ke blindulo estas sentaŭga kunhomo, ŝarĝo por sia familio kaj la ŝtato. Ne, blindulo volas kaj povas labori kaj akiri valoran situacion en la homa socio. Nur la antaŭjuĝoj kontraŭstaras lian emancipadon, kiel la lingvaj baroj kontraŭstaras la homaran interkompreniĝon.

Helpu nin forpeli ĉi tiujn antaŭjuĝojn! Per paca laboro ni antaŭenigu la bonan kaj ĝustan komprenon pri la blinduldemando.

Helpu ankaŭ kuraĝigi niajn blindajn esperantistajn gefratojn per subteno de la internancia esperanta gazeto porblindula, Esperanta Ligilo.

Esperanta Ligilo, la Lumo de niaj senvidaj samideanoj. La Suno de ilia vivo, per kiu ili „vidas“ tra la tuta mondo. Same kiel la suno ne plu subiros ĉe la Esperantista ĉielo, same ĉi tiu suno daŭre brilu. Ne permesu, ke ĉi tiu suno malaperu el la ĉielo de la blindularo.

Sendu malavare donacojn al Honora Kasisto, S-ro W. P. Merrick, Woodleigh, Shepperton, Anglujo, aŭ transdonu vian oferaĵon dum la kongreso al la sekretario de la IV-a blindulkongreso:

Hendux V., Wittelsbachstrasse 5, Wien II. aŭ ĉe la biletvendejo en la Akceptejo. Koregan antaŭdankon.

---

**Morgaŭ aperos la lasta Bulteno kun la restantaj kongresaj raportoj.**

# BILDOJ EL VIENO

el Lechner'a **Albumo de Vieno**, eldonita de la Universitata Librejo R. Lechner (Vilh. Müller), Wien, I., Graben 31.



La monumento de Maria Teresa
Maria Theresia-Denkmal — Le Monument de Marie Thérèse — The Monument of Mary Theresa



La monumento de Bruckner
Bruckner-Denkmal — Le Monument de Bruckner
The Monument of Bruckner



La nimfo de Danubo
Donauweibchen — La Nymphe du Danube
The Nymph of the Danube



La Kursalono en la Urba Ĝardeno
Kursalon im Stadtpark — Le Kursalon dans le Jardin de la Ville — The Kursalon in the City Park



La eniro al Prater — Prater-Eingang — L'Entrée du Prater — The Entrance to Prater



La Rotondo — Rotunde — La Rotonde — The Rotunda

Propraĵo kaj eldono de Loka Kongresa Komitato. — Respondeca: Franz Schade, Wien, VI., Mollardstr. 55. — Asocia libro-presejo Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.